**Ĉefredaktoroj:**
***Julio Baghy kaj Kolomano Kalocsay***
**Redaktoroj:**
***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), T. Cart (Paris), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloš Lukáš (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. E. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Redakcio kaj administracio: Kolomano Kalocsay, Budapest, VIII. Szentkirályi-u. 3. I**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

**Ĉi tiun numeron kompilis plejparte fratoj Jan kaj Edmond Fethke**
En la traduklaboro partoprenis la Scienca Esperanto. Rondo en Bydgoszcz. La kliŝojn afable disponigis „Wiadomosci Literackie" Warszawa, kaj la bulgara revuo „Kralosvietj" (Rondmondo) Sofio.

## REDAKCIA ANGULO

*Al s-ro Hartog.* Nederlando. I. Luksa kovrilo por bindi la jarkolekton de L. M. estos preta jam en la fino de oktobro; tabeln de enhavo — kompreneble — ni aldonos al la ĝusta numero.

II. Jen fonetike la proksimuma elparolo de la petitaj nomoj: Baghy *(Bagi)*, Kalocsay *(Kaloĉai)*, Bodó (la lasta *o* estas iom longa), Totsche *(Toĉĉe)* Szilágyi *(Siladji,* la vokalo *a* estas longa kaj malfermita).



**La septembra numero de nia gazeto aperos la 1-an de la monato**

*K. Kalocsay*

# Stelo super la Wawel



Leviĝas el la bluaj ondoj de l' Vistulo
Kaj pace sin rigardas en la ondspegulo
Sub la mirinda blua kupolo ĉiela
La musko-mura *Wawel* — kastelo fabela,
El kiu al la alto de pura lazuro
Sin streĉas la majesta katedrala turo.
Super la tur', jen, nubo arĝenta flugpendas.
Oni kredus, ke tie flugilojn etendas
Por triumfe ekflugi, ia birdo granda:
La brile blanka aglo: simbolo Pollanda.

Muskaj muroj de Wawel jen staras, sensonaj,
Mute ripozas tie en la litoj ŝtonaj
La reĝoj, episkopoj, nobeloj altrangaj:
Ilin ŝirmas per ombro la flugiloj blankaj
De l' pola aglo. Sed ja, se la suno dronas,

Kaj el preĝejoj urbaj sonoril' eksonas,
El Maria-preĝejo per trumpetsignaloj
La alvenon de l' nokto anoncas hejnaloj:
Inter la muskaj muroj misteraj murmuroj
Kaj susuroj eksonas: rakontas la muroj
Inter si pri la gloro de tempoj pasintaj,
Kiam sur Wawel glore brilaj reĝoj regis,
Tumultis vigla vivo, brilis glavoj tintaj,
Batalaj krioj eĥis, ĉevalhuf' bruegis;
Ho, pri tempoj pasintaj de glor' kaj armiloj,
Kiam iris patrujon defendi la filoj,
Heroo Kosciuszko gvidis batalvice
La nacion al venko apud Raclavice.

Muskaj muroj, kuŝantaj en dormo silenta,
Grizaj ŝtonoj, kovrataj per polvo jarcenta,
Songantaj pri pasinta glor' de arda armo!
Vekiĝu nun, kaj aŭdu! marŝas nova svarmo
De novaj batalantoj sur Wawel potenca
Por nova batalado obstin-pacienca!
Ĝi marŝas por konkero de l' mond' malamika
Kun kantoj kaj krioj en lingvo muzika!
Muskaj muroj de Wawel, ĉu do vi nun aŭdas,
Kion ĉi svarmo kantas kaj kiun ĝi laŭdas?
Ĉu vi miras, ke iras ĉi armeo stranga
Al stranga batalado: paca kaj sensanga?
Jen, por ili ja estas la sola armilo
Tiu muzik' en buŝoj, kiun nobla filo
De l' pola lando kreis, por ke Forta Voko
Ekflugu ventflugile de loko al loko.
Jes, miru, muskaj muroj! el ĉiu angulo

De l' mondo svarmoj venis al blua Vistulo,
Por festi homan feston kun nobla ekflamo
Kaj por fari el Wawel la templon de l' Amo.

Kaj vi, ho noblaj filoj de la Pola tero,
Kiujn vizitas nun la arme' de l' Espero,
Aŭskultu pri la voĉoj strange melodiaj,
Kiuj nun eksonoras super tomboj viaj!
Ho, heroo kuraĝa, brilanta kaj glora,
Kiun kovras ĉi tie la ĉerko marmora,
Ekaŭdu, Kosciuszko! Ni venis admire,
Ho helpu nin per brila ekzemplo inspire!
Instruu nin, ho brila, brava batalisto,
Pri leona kuraĝo kaj spita persisto,
Ke per via kuraĝo kaj fajra intenco
Ni venku kontraŭ ĉiu malica potenco!

Kaj vi, ho di-benita kantisto orbuŝa,
Revinta en ekzilo kun amo kortuŝa
Pri l' naskotero litva, kaj per sorĉa kreo
Songinta la figuron de sinjor' Tadeo,
Atendinta dum veoj de la nostalgio
La savantan alvenon de nova Mesio,
Kaj korpe nun kuŝanta ĉi tie ĉerkferme,
Sed vivanta en verkoj kaj koroj eterne,
Mickiewicz! al via kantado potenca,
Pri la granda fratiĝo, jen estas parenca
Kantosonoro, aŭdu! kaj helpu inspire,
Malamo nian mondon mordadas dentŝire!
Ho vian oran buŝon ni ege bezonus,
Vian poetan voĉon ravante dolĉkantan,
Kiu per la potenco de l' vorto admonus
Kaj alarmus la Koron obstine dormantan.

Starante el la bluaj ondoj de l' Vistulo,
Sin pace rigardante en la ondspegulo
Jen streĉas sian turon al lazur' ĉiela
La musko-mura *Wawel* — kastelo fabela.
Kaj jen super la turo de la Katedralo,
Kaj super la arĝente brila nubvualo
Ŝvebanta tie kvazaŭ aglo blankflugila,
Rigardu, nun eklumas stelo, strange brila,
Kaj dum mallumon sternas la nokto karese,
Jen, pli kaj pli ĝi brilas kaj brilas promese,
Radiojn de Espero fajreras ĝi sorĉe,
Entuziasmaj koroj salutas ĝin torĉe,
Sur la dormantajn reĝojn de l' fabelkastelo
Misterajn ombrojn ĵetas nia Verda Stelo.

# Skizo pri la pola literaturo

— Prof. Dr. Stanislaw Pelinski —

Se ĉiu nacio kontribuas al la trezorejo de l' tuthomara kulturo iajn specife proprajn valorojn, per kiuj ĝi diferencas de aliaj, se en tiuj valoroj esprimiĝas plej plene la karaktero de la koncerna nacio — sendube la beletristiko estas la plejplena formo por elmontri la polan kulturon, la literaturo estas la plej bona spegulo de l' pola nacio, de ĝiaj karaktero, temperamento, vivo kaj aspiroj.



*Adam Mickiewicz*

Sen hezito oni povas aserti, ke la pola nacio esprimiĝas per sia bela literaturo, ke la literaturo ĝis nun estas la plej esenca organo de ĝia psiko.

La jarmilo de l' pola historio trovis kaj trovas sian esprimon en la historio de la literaturo. Sed vana estus la provo : enfermi tiun kultur-jarmilon de vivanta popolo en mallongan artikolon. Tial mi permesos al mi koncentrigi la atenton de la leganto al plej gravaj motivoj, kiuj karakterizas la polan literaturon.

Unu kaj unua el la motivoj fundamentaj estas *la kulto de l' hejmlanda tero,* — motivo, kiu montriĝadas jam de la unuaj kronikistaj notoj en la X-a jarcento ĝis la lastaj jaroj de la XX-a jarcento. Kulto de la XX-a jarcento. Kulto de l' tero gepatra ! Ami ĝian glebon, ĝiajn fruktojn, ami la belecon de la naturo, de la klimato kaj ĝiaj diversregionaj ŝanĝoj, de la sablokovritaj bordoj de la mara zono ĝis la ĉarmaj montaraj pejzaĝoj, de vastaj ebenajoj, en kiuj brilas lagoj kaj riveroj, ĝis ondformaj altajoj kalejdoskope ŝanĝiĝemaj kaj multkoloraj, de vastaj kampoj, sur kiuj oraj spikoj de grenoj ventkliniĝas muĝante al nigraj gleboj, ĝis la pintoj montaraj, kiujn ornamas tatraj abioj, kaj ĝis la misteraj sovaĝaj arbaroj, arbaregoj de Bialowieza, en kiuj vivas la lastaj uroj en Eŭropo — jen kiaj riĉegaj bildoj de la pola naturo, kiun prikantis *Hussowski, Rej, Kochanowski, Potocki, Mickiewicz, Slowacki, Sienkiewicz, Reymont, Zeromski* kaj multaj, multegaj aliaj.

Sed la kulto de l' hejmlando ne limiĝas nur je la beleco de l' riĉa kaj multkolora naturo pola. En ĝi estas ankoraŭ io alia, enhavanta multsignifan senton : *ami la teron kiel heredaĵon de la prapatroj,* heredaĵon, kiun transdonadas generacio al generacio ! Kaj apenaŭ ekzistas en Eŭropo nacio, kiu dum tiom da sortbatoj kaj malliberecο, malgraŭ politikaj kaj ekonomiaj malfeliĉoj sukcesis konservi la hereditan teron kiel propraĵon, kiel faris tion la pola nacio kaj precipe ĝia plej multnombra klaso — la pola kampulo. Kaj tiu kordo eksonas en la pola literaturo plej forte, tiu temo kaptas la legantojn de *Miczkiewiczi'a* »Sinjoro Tadeo«, de *Sienkiewicz*-noveloj de *Konopnicka*'a »Sinjoro Balcer en Brazilio« kaj de la bonega Reymont-romano »La kamparanoj«. Tiu ĉi kamparana temo kaŭzis, ke la pola nacio plejparte restis terkulturista, ke hodiaŭtempe la urbana motivo en la pola poezio kaj prozo estas duagrada motivo, ke la estetiko de polaj pentrajoj esprimiĝas per la belo de la vilaĝo, kamparo, montoj, arbaroj, riveroj kaj lagoj. Jam en la XVII-a jarcento ĝuste pro tiu sama tendenco en la latina poezio de *Sarbinski* oni ja nomis tiun ĉi poeton »la pola Horatius« kaj en la XX-a jarcento *Reymont* akiras la Nobel-premion.

Paralele kun la kulto de l' hejmlando teksiĝas dum jarcentoj tra la pola literaturo dua motivo — *religia.* De la unuaj preĝejaj kantoj, tra la belegaj, per sia realismo impresantaj kolendoj (kristnaskaj kantoj) ĝis la altflugaj mistikaj lirikaĵoj de *Mickiewicz* kaj *Slowacki,* kronitaj en la unuaj jaroj de la XX-a jarcento per plej belegaj »Himnoj« de *Kasprowicz,* sentiĝas religia noto. Kaj tiu ĉi religiemo atestas pri profunda, la polan psikon saturanta kredo je la venko de la Vero kaj Bono sur la tero, je la estonta Dia Regno. Penetru en la »Sejmajn Predikojn« de l' orbuŝa *Skarga,* emociiĝu per la »Pola Psalmodio« de *Kochowski* aŭ trastudu la verkojn de pola humanisto *Modrzewski* — kaj vi admiros tiujn homojn, kiuj en XVI-a kaj XVII-a jarcentoj kapablis disvastigi noblajn devizojn de humaneco kaj fratiĝo de l' popoloj — devizojn, kiujn sugestis al ili profunde fundamenta




*St. Vispianski : Patrineeo*



*St. Vispianski : Kapo de heroo*

religia etiko, ordonanta al la pola nacio veran homan fratecon.

Kiam venas la momento, en kiu oni distranĉas, dispartigas la korpon de vivanta nacio, la religia sento pliprofundiĝas samtempe kun la *patriota* sento. Ambaŭ sentoj kunfandiĝas je unu kaj tiel kreas la polan mesianismon. Kaj jen, ni estas atestantoj de interesa literatura fenomeno : la polaj verkistoj jam en la XVI-a jarcento, kiam Polujo ankoraŭ estis potenca ŝtato, fariĝas profetoj similaj al Jeremio, kiuj antaŭdiras la koleron de Dio, ili fariĝas profetoj de l' pereo de la ŝtato, perdo de la libereco, sed ankaŭ de la politika reviviĝo.

Kaj tio estas la tria motivo de la pola literaturo, motivo tiel fundamenta, tiel specife pola, ke neniel oni povus ĝin prisilenti. Plej etaj problemoj naciaj trovis sian plenan resonon, eĥon en la literaturo : mi kuraĝas prave aserti, ke la polaj poetoj kaj verkistoj estis kaj estas depost jarcentoj ilustristoj de la feliĉo kaj malfeliĉo de la nacio, ke ili estis kaj estas ĝiaj servantoj ke ili estis kaj estas harpistoj, kiuj per melodiaj sonoj de siaj harpoj instigis la tutan nacion al altidea kontemplacio, ke ĝi retrovu sin mem en sia Vero, en sia Amo kaj en sia Belo.

En siaj literaturaĵoj *Kochanowski* elmontris al la nacio la vojon de la ŝtata evoluo, *Krasicki, Zablocki* kaj *Niemcewicz* en siaj poemoj, komedioj kaj romanoj edukadis novan generacion de l' nacio, kiu el ilia spirito faris la Konstitucion de 3-a de Majo, kaj kiam oni forstrekis Polujon kiel ŝtaton de la politika karto de Eŭropo, tiam la poeta trio *Mickiewicz, Slowacki* kaj *Krasinski* kun tuta plejado de bonegaj verkistoj vekis kaj enradikigis la kredon je la senmorteco de la nacio kaj ĝia reviviĝo. Ĉu mi citu la ĉefajn verkistojn, tradukitajn diverslingve, kiel *Kraszewski, Sienkiewicz, Prus, Weyssenhoff, Reymont, Zeromski,* por montri, kiajn alte-etikajn valorojn ili enportis en la patriotajn problemojn de la pola literaturo ? Ĉu tio ne estas malofta, preskaŭ unika distinga signo rekomendanta konindan literaturon de nacio, kiu malgraŭ miloblaj suferoj sub fremdaj okupantoj kapablis konservi sian rektan noblan patriotan etikon, ne perdiĝante en abismon de l' malbono, kiu ĝin ĉirkaŭis ?

Ne malpli forte aŭdiĝas en la pola literaturo la socia voĉo : komencante de la kulto de virino kaj familio kaj finante je la nobla kaj demokrata fratiĝo. Ĉie, kaj la vivo kaj la literaturaj verkoj estas viva dokumento pri tiu aliloke malofta fenomeno socia, ke en la pola ŝtato ĉiu trovis kaj trovas sian ŝtatanan azilon, en kiu li povas vivi trankvile, ne timante pro iaj ekskuoj, ekziloj aŭ revolucioj. Ekfoliumu la paĝojn de *Staszic, Kollataj, Cieszkowski, Trentowski, Orzeszkowa, Prus, Wyspianski, Kasprowicz, Berent, Brsosouski, Nowaczynski, Perzynsky, Roztworowski* kaj de multaj aliaj, — kaj vi vidos en iliaj verkoj la konfirmon de la socia vivo de Polujo, de tia vivo, kia ĝi estis kaj estas en sia efektivo — sincera, koordinanta, altruisma.

Ne elĉerpante ankoraŭ multajn aliajn motivojn de la pola literaturo ni rigardu ankoraŭ ĝin laŭ vidpunkto de formo, stilo kaj lingvo : kaj jen inter ĉiuj slavaj literaturoj ni rigardu ankoraŭ ĝin laŭ vidpunkto de formo, stilo kaj lingvo : kaj jen inter ĉiuj slavaj literaturoj ĝi atingas altegajn suprojn, same per sia liriko kiel per sia romano, same per la poeta lingvo de *Kochanowski* kaj *Szarzynski* en la XVI-a jarcento kiel per la forta kaj densa lingvo de *Krasicki* en la XVIII-a jarcento, por ekflami per la rava brila lingvo de *Mickiewicz* kaj neatingita artistero de *Slowacki*, por eklumi per tuta ĉielarko de stilaj bildoj kaj parolturnoj ĉe *Reymont* kaj venki per la potenco pentrista-muzika de l' vorta kreaĵo en la dramoj de *Wispianski.*

Ne estas eble penetri profunde en la misterajn sekretojn de la riĉega literaturo kaj lingvo pola — en tiel mallonga skizo. Sed mi volas substreki, ke la literaturo kaj kritiko en Polujo, kvankam ili ankoraŭ ne influis la okcidentajn literaturojn tiel forte, kiel oni devus esperi konforme al ilia valoro, — tamen ĝi, la pola literaturo estas la suno, kiu heligas kaj montras depost jarcentoj la vojon al ĉiuj slavaj popoloj. Kaj kiu iam ajn levas al sia buŝo la pokalon de l' pola poezio, tiu ne ĉesos trinki tiel baldaŭ ; ĉar la pola literaturo similas al la maro : *»ju pli ni trinkas el ĝi, des pli ni soifas« !*




*Z. Strienska : »Poloneza« malnova pola danco*

# En aŭtuna nokto

— Wl. St. Reymont —



Laŭlonge de la ŝlima vojo, kiu similis al kotplena marĉa rivero fluanta tra dezertaj nigraj kampoj, iris ebria kampulo.

Jam vespero regis, malvarma, pluvema, malpura vespero novembra.

La blinda mondo ploradis per senĉesa penetrema pluvo, la nudaj kampoj briletis ŝveliĝintaj de malseko, la fosaĵoj kaj tersulkoj estis plenaj de akvo kaj super la vojo kliniĝis senforte la senfoliaj arboj kaj tremis pro malvarmo kaj malseko.

Morta silento kuŝis sur la ŝlimaj kampoj.

La kampulo iris rapide, ŝanceliĝadis fortege, ekfaletis, malbenis, sed li iris ; subite li haltis kaj ekkantis per ebria, raŭka voĉo :

*Oj ! dinna, mia dinna,*
*Oj ! fratoj estas ni ja ;*
*Kaj kiam mort' nin prenos,*
*Oj ! savo jam ne venos !*
*Oj ! ! !*

Sed la kanto ne volis leviĝi kaj eĥe resoni, ĝi disfluis en la malseka aero kaj perdiĝis en mallumojn ; tamen aŭdis ĝin ia homa silueto, kiu pene iris kelkdek paŝojn post li, ĉar dum momento ĝi ekhaltis kaj timeme ŝovis sin flanken, en pli densan ombron de la voj-arboj.

La kampulo denove ekiris rapideme, sed li ekfaletis pro iu ŝtono aŭ arba radiko kaj rul-falis kiel ŝtipo en la koton.

Longan tempon nenio estis aŭdebla, nur la pluvo plaŭdadis monotone kaj la tremantaj arboj murmuradis ekscitite.

Ĝis tiu ombra silueto rampe glitis pli proksime kaj klinis sin super la ebriulo.

— Mastro ! Mastro ! — ekflustris mallaŭta voĉo.

La kampulo vekiĝis ; li provis leviĝi, sed liaj senfortaj piedoj kaj manoj glitis sur la koto, ne povante trovi apogan punkton, kaj ĉar li estis senkonscia, jam li ne pensis pri leviĝo, sed kuŝiĝis sin kiel eblo plej oportune kaj murmuris dormeme :

— Mole estas ĉi tie, varme estas ĉi tie, kuŝu nur, mastro, trankvile kuŝu nur...

— Sed leviĝu, ĉar la akvo vin dronigos...

— Diablo prenu, se mi vin batos per bastono, vi vidos !... — li ekkriis minace.

— Mastro !

— Ne veku, virino — mi diras al vi amike !

— Vi ebriigis vin kaj kiel porko kuŝas en la koto !...

— Ebria ! Ĉu mi ne diris al vi, judo, donu brandon kaj ne alkoholaĉon, ĉu mi ne diris ; viajn pejsojn* mi elŝiros, fripono, vi vidos ... Silentu, virino... kiam mastro kuŝas, do li kuŝas, ĉar tiel li bezonas, finita la afero, kaj vin ĝi ne tuŝas, ĉar vi estas nur virino... kuŝu nur mastro... la servistoj jam aranĝos por vi... la brutoj jam aranĝos por vi... kuŝu nur, mastro ... ripozu nur...

Sed la virino ne lasis lin ripozi en la koto, ŝi skuadis lin tiom, ke lia konscio revenis kaj li leviĝis kun ŝia helpo.

— Marcicha ! — li flustris rigardinte en ŝian vizaĝon — Marcicha ! — li ripetis jam senpense, ektiris la ĉapon super la frunton kaj ekŝanceliĝante fortege, li ekmarŝis rapide, kvazaŭ li forkurus. Kaj baldaŭ eĉ la resono de liaj paŝoj disbloviĝis en la plaŭdado de la pluvo.

Marcicha restis malproksime post li, ŝi iris malrapide, ĉar ŝiaj lignaj ŝuoj glitadis sur la koto kaj konstante pleniĝis je akvo, kiun ĉiumomente ŝi devis elverŝi ; ŝi paŝadis peze, ĉar ŝia malseka ĉifonvestaĵo malhelpis la iradon. Al la brusto ŝi premis tukvolvitan infanon, kiu ploretadis mallaŭte, kaj fikse rigardante en la nokton pli kaj pli profundan, ŝi paŝtrenis sin duone rigida kaj senkonscia.

— Jesuo ! mia Jesuo kompatema ! — elŝiriĝis el ŝia brusto, kaj mordanta terura ĉagreno premis el ŝiaj okuloj torenton de maldolĉaj larmoj.

Kiom da tiuj larmoj ŝi jam verŝis, kiom da larmoj !

Ŝi ploris pro la homoj, pro la mondo, pro sia sorto malfeliĉa, pro sia orfeco. Orfino ŝi estis senhejma, orfino ; ŝi iris en la vastan mondon kiel tiuj brungrizaj nuboj, kiuj peze flugmigris sur la ĉielo, kiel tiu malseketa vento, kiu leviĝis de la kampoj kaj disbloviĝis sen postsignoj, kiel tiu ĉi terura nokto novembra...

Nek kompato de ie, nek helpo de iu, nek indulgo...

Elpelis ŝin la malfeliĉo kaj ĵetis ŝin sur vojon de l' pereo. Kaj ŝi por sia defendo havis nur larmojn kaj doloron kaj ĝemon, tute tiel same kiel blinda hundeto, kiun oni forprenas de la patrino kaj ekĵetas en kavon kaj kiu defendas sin kontraŭ la morton per vea hurletado.

— Ho Jesuo ! Jesuo ! — ŝi ekĝemis de tempo al tempo.

Tiu ĉi nokto komencis teruri ŝin, vane ŝiaj okuloj serĉis iajn lumojn — nenio nenie, nur nepenetrebla mallumego, la vilaĝoj ŝajne mortis, tiel mallumaj kaj silentaj, eĉ hundoj nenie ekbojis, nenia veturilo ekbruis, neniu homa voĉo aŭdiĝis — ĉie tomba silento plena de monotona pluva plaŭdado.

La infano komencis plorpepi korŝire.

— Trankviliĝu, vermeto... trankviliĝu... — ŝi eksidis sub arbon, enbuŝigis al la infano sian malgrasan kaj malplenan mamon kaj aŭskultis en ian malproksiman, apenaŭ aŭdeblan muĝadon kvazaŭ de akvo falanta.

— La muelejo ! certe la muelejo ! — ŝi flustris kaj plu aŭskultis.

Ia espero ekregis ŝin subite, ŝi leviĝis kaj ekiris pli vigle, ŝi ektremis pro atendemo kaj malcerto.

— Pietrus ! Pietrus !* — ŝiaj lipoj elspiris. — Li ja ne forpelos min, ne, certe ne ! ŝi pensis kaj en subita karesemo pli forte alpremis la infanon al sia brusto. — Pietruchna !*

Kaj tiam iom post iom ŝian pro suferoj sovaĝiĝintan animon ĉirkaŭprenis profunda kortuŝa sento ; vekiĝis en ŝi printempaj rememoroj, el post ŝiaj malfeliĉaj larmoj leviĝis brilaj bildoj de la pasinteco, kaj en ĉiu aperis kiel ĉefa persono li, Pietruchna !...

La frostotrema kaj malsata infano denove ekploris.

* pejsoj — tempiaj harbukloj

* Dorlota nomo por Petro.



*Józef Helmonski: Ardeoj*

— Silentu! Vi!... — ŝi ekgrumblis, levante la manon por ekbati.

Li ne forpelos! Ĝi estas ja lia infano — ŝi pensis malkviete kaj komencis kisi pasie la malsekan vizaĝon de la infano.

La muĝado fariĝis pli klara, ĉar el ĝi jam aŭdiĝis la obtuza bruo de la mueleja rado.

La pluvo iom ĉesis, la vento kuris tra la supra branĉaro de la poploj, kiuj, starante kiel skeletoj sur ambaŭ flankoj de la vojo, balanciĝis peze kaj murmuris minace. Kaj el la arbaro, kiu leviĝis kiel nigra malserena muro, tuj apud la vojo, eksonis malgaja, mallaŭta voĉo kvazaŭ ia ĝemo de arboj en mallumo, kvazaŭ ia ploro, kiun sufokas nokto kaj pluvo. Kaj sur la malalta ĉielo nun ekflugis rapide grandegaj nuboj, buliĝantaj kaj miksformaj.

Ia terurego trakuris la teron, teruro potenca kaj malbona, kaj la animo de Marcicha ektremis pro timego. Ŝi ĉirkaŭrigardis malkuraĝe, ŝovis la tukon pli malsupren sur la frunton kaj per ĉiuj fortoj ekkuregis al tiu pli kaj pli aŭdebla bruo de la muelejo.

Kaj la vento ekblovis pli forte, kuregis post ŝi, jen ekpuŝis ŝian dorson, ke ŝi kliniĝis teren, jen baris la vojon kaj ŝprucigis akvon el marĉetoj en ŝiajn orelojn, ke ŝi devis halti dum momento por iom ekspiri.

Sed ŝi kuris plu, ĉar ŝi terure timis — la poploj tiel balancis sin super ŝia kapo, tiel ion murmuris al ŝi, tiel ŝi sentis super si iliajn grandegajn trunkojn, iliajn distaŭzitajn nudajn branĉojn, similajn al ungegoj, kiuj etendis sin al ŝi, ekkaptis ŝiajn ŝultrojn, forŝiris la tukon de ŝia kapo, gratvundis ŝian vizaĝon — ke ŝi kuregis pro teruro.

Ŝi trankviliĝis nur kiam ŝi atingis la digon, kiu kondukis al la muelejo.

La muelejo staris tiel malalte, ke ĝiaj tegmentoj kuŝis en la alto de la digo kaj de la lagoj, trembrilantaj malĝoje en la mallumo; densaĵo de densaĵo, en kiu tondris kaj muĝegis nigraj alnoj ĉirkaŭis ĝin, netrairebla la akvo falanta de la muel-radoj.

La grandega nigra konstruaĵo tremis tuta kaj radbruis. Singarde ŝi paŝis sur la dekliva vojo malsupren de la digo kaj eniris la domon.

Apenaŭ transpaŝinte la sojlon, ŝi kaŭre sidiĝis sur sakon da faruno por ekripozi iom.

La grandega muelejo estis plenplena de blanka polvo-nubo — ŝi blniďiĝis... La lampeto pendanta de la plafono rondsendis iom da ruĝeta lumo, en kiu desegniĝis malklare la vicoj de koridoroj kaj la konturoj de maŝinoj.

Ĉio vibris, tremis, sku-moviĝis, envolvita per faruna polvaĵo, kuris kaj laboris: tremis la glitiga, planko, tremis la blankaj muroj, tremis la plafono, de kiu pendis farunkovritaj araneaj fadenoj, tremis longaj ko, tremis la blankaj muroj, tremis la plafono, de kiu pendis farunkovritaj araneaj fadenoj, tremis longaj blankaj kestoj — kaj post ili en griza fono moviĝadis aŭtomate nigraj radegoj, trans kiuj brue fluadis dika verdaĵa torento da akvo kaj kun furiozanta ŝaŭmkapo faladis malsupren, sur akran palisaron, ke tremis eĉ la fundamentoj kaj ĝemis la tero.

Nenio aŭdiĝis, nur la brueganta laborado de la muelŝtonoj; nur de tempo al tempo el la unua etaĝo eksonis penetra akra sonorilo, je kies eksono iu elkuris rapideme el la ĉambreto de la muelista helpanto, ejo troviĝanta en angulo de la muelejo.

Marcicha ŝtele proksimiĝis al la ĉambreto, eksidis malantaŭ grenpurigilo kaj atendis pacience.

Ŝi timis eniri, kvankam ŝi aŭdis precize la voĉon de Pietrus kaj la voĉojn de aliaj homoj.

La kuraĝo jam forlasis ŝin — ŝi premis sin al la maldika muro kaj aŭskultis; ĉiumomente iu elkuris el la ĉambreto kaj post li ondo da ridoj, lumo kaj varmo ekfluis tra la muelejo.

En la malgranda kaj malalta ĉambro estis varmege kiel forno; sur granda kameno torfo bruletis per blua flamo.



*Józef Helmonski: Ventego*

Aro da kampaj viroj sidis ĉirkaŭ la fajro.

La odoro de tabako, torfo kaj rostataj fiŝoj plenigis la ĉambron.

Pietrus kuŝis sur la lito, sur amaso da ŝafpeltoj kaj mokis pri la ebria kampulo, kiu meze en la ĉambro balancis sin dormeme :

— Iru hejmen, Mateo, ĉar alie punbatos vin ĝisoste la edzino...

— Punbatos? min batos? min, la mastron? ne... Sub kusenegon molan ŝi lasos min, brandon kun grasaĵo donos, aŭ ion pli bonan...

— En porkejon, jes, ŝi enlasos vin, se vi tiom drinkis!...

— Mi ebria! Kaj ĉu mi ne diris al la judo — donu brandon — kaj tiu fripono donis alkoholaĉon... mi deŝiros lian kapon, ke Dio gardu... mi deŝiros... La mastro ordonis doni brandon — do obeu, se ne, mi ekprenos viajn flavajn pejsojn kaj ĵetos vin en akvon.

— Miĥaelo, la sakoj!... — vokis la muelista helpanto aŭdinte la sonorilon.

La juna knabo leviĝis de la fajro kaj elkuris,

# DANCANTA SOKRATO

**Julian Tuwim**

Je sun' mi kuŝas, ul' aĝhava,
Mi kuŝas kaj oscedas, vantas.
Aĝhava estas mi, sed brava :
Se drinkas mi el vazo kava,
Mi kantas.

Varmigas sun' ostaron mian
Kaj saĝan grizan kapon fian —
Sed kiel bosko en printemp'
En la kapaĉo vino brua.
Kaj pensoj ĉiam pasas, fluas
Kiel temp'...

Vi kial gapas, Kirbeuso?
Jen kuŝas maljunul' je sun'
Kaj balbutadas nur sen ĉes'.
Ĉu li jam finis? Ha jes, jes...
Do panon baki iru nun.

En la angul' disĉiploj ridas :
Sokratan kapon vin' malbridas,
Ebria estas li...
Al ili, Kirbeuso, diru :
Ke trovis mi la kernan sencon,
Plej granda virto estas ĝi :
La polvon de Ateno leki
Aŭ pufe blovi je vezik' —
Kruĉon plenigi aŭ malplenigi
(Tio ne faras diferencon...)
Sidiĝu kaj en nuna hor'
Ne baku viajn bulkojn, panon,
Prefere trinku nian sanon,
Ni trinku do la vinon for!

Nu kio? Ĉu afliktas vin, ke
Absurdojn mia lang' balbutas?
Ke tiel ridas mi sen ĝeno?
Ke mi sur placo de Ateno
Mizere kuŝas, vinon glutas?
Ĝi ne konvenas — vi parolas —
Instru' malbona por skolanoj,
Se mi, Sokrato, jen petolas,
Kiel infanoj?
Ke ne arigas mi adeptojn,
Al voj' de vero ne aspiras?
Konceptojn
Novajn ne diras?

Ha jes... Ha jes...
La vero! bono! homoj, dioj,
Ago, virtoj, la eterno —
Kaj ree la samo laŭ alterno :

Homoj, dioj, vero, amo,
La respubliko, virtoj, agoj,
Tio, alio — kaj ree la samo!...
Mia kara — veraj blagoj!

De Herifono ja vi aŭdis,
Ke mi plej saĝa estas viro...
La orakol' min tiel laŭdis,
De nun kun glora nimb' mi staras!
Do vidu, kion nun mi faras :
Jen!
Ĉar kio estas vort' aŭ faro
Aŭ la malbono aŭ la ben',
Kiam gajigis min nektaro —
Kaj mia kap' al hund' similas,
Kaj vinkonfuzo ĝin balancas?!
Vidu — la filozofo dancas :
Kaj hopsa-sa, kaj hopsa-sa
Kaj hopsa, hopsa, hopsa-sa!
Jen kiel la saĝulo dancas!
Jen kiel saltas membroj liaj —
Bon', malbono, homoj, dioj,
Virtoj, vero, vorto saĝa —
Hopsa, hopsa — danc' sovaĝa!
Foje dekstren — hopsa-sa!
Kaj maldekstren — hopsa-sa!
Vipo, ripo — hej Ksantipo!
Ludas la muziko, ha!

Kirbeuso, kara frato,
Venu kun mi. Jen sur strato
Dancas filozof' ebria.
For la bel'! for virto dia!
Homoj, gapu! Min Ksantipo
Certe batos, krevos ripo!
Jam nun mi ektremas ja,
Tamen dancas hopsa-sa!
Nur sen fin', kun tuta forto
Danci, danci ĝis la morto,
Per piedoj svingi, treti!
Jen turniĝi, jen salteti!
Danco iru, flamu ĝi!
Kaj ekĝoju granda Di',
Ke Sokrato konas veron,
Ĉiun veron kaj misteron,
Ke Sokraton gloro kronas —
Li plej saĝa hom' sur tero
Kun kap' hundsimila ja
Dancon konas, dancon konas —
Hopsa, hopsa, hopsa-sa!

El la pola: *I. Lejzerovicz*

lasante la pordon malfermita.

Marcicha enŝovis sin tra ĝi kaj ekhaltis sur la sojlo.

— Laŭdata estu Jesuo Kristo... — ŝi ekmurmuris mallaŭte.

La muelista helpanto eksaltis de la lito kaj kriis furioze:

— Kion vi volas? Iru for vi... hundinaĉo!

La junulino ekŝanceliĝis, sendis senkonscian rigardon sur la kampulojn, ĵetis la infanon sur la liton de la muelist-helpanto kaj forkuris...

— Donaco por vi, Petro — murmuris iu malice.

— Bela violoneto — aldonis alia, ĉar la infano komencis plori.

— Kiu en printemp' petolas, tion vintre memori ne volas...

— Prenu iu la vermon, ĉar ĝi sufokiĝos tie...

— Jes ja, lasu ĝin suĉi, aŭ kion?

Sed iu prenis ĝin kaj metis ĝin apud la fajron, kaj ĉiuj rigardis ĝin...

— Eble du monatojn havas la vermo, pli ne...

— Ĝi similas al vi, Petro, tutsama nazo kiel terpomo...

— Nu... helpanton vi faros el ĝi kaj bone...

— Aŭ vi fordonos ĝin kiel servanton, ia monero ĉiam elsaltas ĉe tia afero...

— El ĉiu sako, Petro, vi prenos unu kvarton pli da faruno kaj la knabo estos nutrebla, eĉ bovido ne pli bone fartas.

— Brave ĝi blekas, orgenisto ĝi povas fariĝi, Petro, tio enspezas honoron kaj groŝon beletan por geedziĝoj kaj enterigoj.

— Vi manĝis mielon, Petro, nun ekgustu ankaŭ vaksajon...

— Sed ankaŭ la patrino estas elegantulino, ĉu ne... lignoŝuoj preskaŭ novaj, valoras ses ĉeĥajn, jupon ŝi havas, kian eĉ por unu kaj duona *zloty* vi ne aĉetos, kaj buŝegon... eĉ en lavkuvo ĝi ne trovus sufiĉan lokon... rasa virino...

— Kaj nur lavi ŝin kaj kombi konvene, kaj tuj ŝi taŭgus por hejti en la fornoj ĉe judoj.

Ili mokadis pri li senkompate, kaj li sidis sur la lito kaj ne sciis, kion komenci. Sufokis lin furiozo, sufokis lin honto, kaj tamen li ne povis moviĝi, ĉar liaj okuloj fikse rigardis la blankan vizaĝon de la infano, kiun la kampuloj elvindis kaj metis sur la kamenrandon kaj varmigis, ke vaporo leviĝis el la malsekaj ĉifonetoj.

Subite li eksaltis kaj kuris en la muelejon...

Kaj baldaŭ poste aŭdiĝis sovaĝaj krioj kaj batoj.

— Pri amo ili rakontas inter si — rimarkigis iu kampulo.

— Kiu estas ŝi?

— Marcicha, filino de Jantek el Wola. Oni elpelis ŝin el la servado, la gepatroj forpelis el la hejmo... kien ŝi povis iri?...

— Ho! Ho! Petro estas tirano por knabinoj...

— I... tirano... kompreneble, sed friponaĉo li estas kaj diabla kanajlo...

— Silenton do — ekvokis iu.

— Petruŝ! Pietruŝ! Ne batu min! — petegis Marcicha, ruliĝante ĉe liaj piedoj. — Sed ĝi estas ja via... ili forpelis min el la servado... ili forpelis min el la domo... kien mi iros orfino... kien? Pietruchna! Ho Jesuo kompatema, ho Jesuo! homoj, helpu min, homoj... Jesuo Mario! — ŝi kriaĉis per terura voĉo, ĉar li piedfrapis ŝian bruston, ke ŝi ekfalis peze sur la plankon, kvazaŭ iu ĵetus sakon da faruno.

Baldaŭ ĉio silentiĝis, aŭdiĝis la malfermado de pordo al la korto, ia baraktado kaj poste jam nenio krom la mueleja radbruo.

— Li mortbatos ŝin...

— Nenio okazos al ŝi, de la infano ŝi liberigis sin kaj nun finita la afero!

— Hundinaĉo, lasis la infanon kaj forkuris...

Kaj ĉar ĝi ploris pli kaj pli laŭte, iu el la kampuloj trovis peceton da sukero sur la tablo de l' muelist-helpanto, envolvis ĝin en ĉifoneton, pistis ĝin per kalkanumo, trempis en akvon kaj enmetis en la buŝon de la infano, kiu eksuĉis avide.

Kaj Mateo, kiu dormetis sur la lito, vekiĝis kaj diris:

— La infanon prenos mi. Orfo ĝi estas, orfo!

— Nu prenu, vi ja ne havas proprajn, ke la edzino vin punbatos pro tio, nu, ŝi batu...

— Batos?... Ne batos. Grumblos, kverelos... bona edzino... venu orfo... al la mastro vi iros... venu orfo... — kaj kun la subita decido de ebriulo li leviĝis, ektiris sian kotigitan ŝafpelton, surmentis sur la kapon la malsekan ŝafpeltan ĉapon kaj klinis sin super la infanon.

— Venu, etulo, venu... Patrinon vi ne havas, patron vi ne havas, do mi mem prenos vin sub mian mastran zorgadon. Knabo, ĉu?

— A nu, kompreneble knabo...

— Por paŝtado li taŭgos... laboriston vi havos, mastro...



*Vladimir Tetmajer: Pola kamparano*

— Sed unue venigu nutristinon por li, aŭ bovinon deprenu de bovido, ke ĝi nutru ĝin.

Li ne atentis la mokojn, rulvindis la infanon en sekiĝintajn ĉifonojn, ĉirkaŭvolvis ĝin en la baskon de sia ŝafpelto kaj ekmarŝis el la ĉambreto per forta, sufiĉe rekta paŝo serĉante nur iom la eliron, sed en la freŝa aero li tuj orientiĝis kaj malfacile ekgrimpis sur la digon, ĉar la vento, kiu ege blovis, vipis lian vizaĝon kaj puŝis lin malsupren sur la glitiga vojo.

Sed li sukcesis atingi la lagojn, turnis sin maldekstren kaj ekiris al la vilaĝo...

Li trotis amble tra la akvo, ĉar la vento ŝpruce peladis la akvon el la lagetoj, ke ĝi transfluis la digon kaj per dikaj ondoj trafis liajn piedojn...

— Ne pepu, vermeto, ne... lakton mi donos, lulilon mi plektos al vi... bone vi fartos ĉe mi, orfo, bone... kaj salajron vi ricevos... kaj vestaĵojn... kaj tranĉileton mi aĉetos al vi sur foiro... post brutaro vi paŝados... aŭ post anseretoj... ne pepu, infaneto... — li murmuradis kaj zorgeme, kiom li povis, kuntenadis la ŝafpeltan baskon per froste-rigidaj manoj...

Li eksilentis, ĉar ruktado sufokadis lin, kaj la akra, malvarma vento repuŝis en la gorĝon liajn parolojn.

Post la digo la vojo kondukis tra torfa grundo kaj teruraj marĉoj; maljunaj, distaŭzitaj betuloj kliniĝis super la vojon kaj kriadis korŝire, vipataj per la ventego. La koto profundis ĝis genuoj. La pluvo jam ĉesis tute, nur malvarmega vento fajfadis kaj vagis super la marĉoj.

Mateo pli kaj pli malrapidiĝis, malfacile li eltiradis la piedojn el la koto; la dormemo lin tiom atakis, ke li preskaŭ dormis, preskaŭ estis senkonscia... vekis lin nur la malvarmo kaj la vento de tempo al tempo...

La vilaĝo jam estis proksima.

Li ŝanceliĝis malpli, sed ĉar li estis dormema, li ne sciis, kien li iras, li paŝadis aŭtomate, de tempo al tempo ekpalpis meĥanike la ŝafpelton... la infano... liaj piedoj stumblis, la malvarmo trapenetris lin ĝisoste, ĉar la surbruste malfermita kaj malseka pelto ne ŝirmis kontraŭ la vento... li lasis degliti la baskon, ekfrapis oftege la manojn ĉirkaŭ la brakojn kaj per ebria, dormema voĉo ekkantis:

*Oj! dinna, mia dinna,*
*Oj! fratoj estas ni ja;*
*Kaj kiam mort' nin prenos,*
*Oj! savo jam ne venos!*
*Oj!!!*

El la koto de la vojo respondis al li mallaŭta, singulta, sufokita krio de l' infano — aŭdiĝis iaj rapidaj, proksimiĝantaj paŝoj... ia homa silueto...

Sed li nenion aŭdis kaj ekpaŝis plu dormeme.

*El la pola:*
*Wlodzimierz Krzysztofowicz*
*(Scienca Esperanto-Rondo Bydgoszcz).*



## El la ciklo: Ĝojo kaj malĝojo de feliĉo kaj momento

**Leopold Staff**

En sun aŭtuna arboj semas oron,
Kiel trankvilon de kisoj pacigaj,
Sur mian frunton kaj sopiran koron...
L' anim', banita en fontoj mildigaj,
Neniam pensos pri ama edeno...
Jam ne revenos la tempo ebria...
...Dolĉa kaj varma estis buŝo ŝia
Kaj arb' siringa floris en ĝardeno...

Kor', sanigita zorge de malĝojo,
Jam ne memoras en nuna momento,
Kiam freneze sin ĵetis en vojo,
Kiel folio dum aŭtuna vento...
L' animo dronas en ĉarma sereno,
Ĝin mi jam tuŝos per memor' nenia...
...Dolĉa kaj varma estis buŝo ŝia
Kaj arb' siringa floris en ĝardeno.

Kiu ĝin vundis, kaj kie — la koro
Jam ne memoras, ne volas memori,
Kaj preskaŭ ĝojas, ke la ama horo
Sur vivhorloĝo jam ĉesas sonori...
Mi ne bedaŭros sonĝojn de l' mateno,
Neniam sonos kord' pri tempo tia!...
...Dolĉa kaj varma estis buŝo ŝia
Kaj arb' siringa floris en ĝardeno...

Tradukis: *Juljan Tuwim.*

## Forĝisto

**Leopold Staff**

Tutan senforman mason de l' anim' profunda,
Juvelojn, kiuj bruston plenigis misteran,
Simile al vulkano, el abism' senfunda
Mi elĵetas potence sur amboson feran.

Forte mi ĝin bategas per tondra martelo
En konfido gajeca, ĉar urĝas laboro,
Ĉar koron forĝi por mi mi devas — jen celo,
Fiera devas esti, granda, forta koro.

Sed vi humiliĝos, koro, sub metalo,
Kaj rompiĝos sub feraj bategoj pasiaj,
En polvon vin frakasos monstraj pugnoj miaj!

Ĉar prefere pereu, ol krevu sub ŝtalo,
Vivante malbenita en malfort' sur tero,
Difektita per fendo de sufer', mizero.

Tradukis: *Juljan Tuwim.*

# Renkonto al Waczlaw Sieroszewski



*Waczlaw Sieroszewski*

En la direkcia ĉambro de la Varsovia eldonejo »Bibljoteka Polska« ektremas sur libroŝranko la busto de *Kościuszko*, kiam sub la fenestroj tramoj kaj pezaj veturiloj bruruliĝas laŭlonge de la *Nowy Świat*. Kaj la granda poeto *Wyspianski* mire rigardas de sur la muro, kiam en la pordokadro aperas diketa blankhara maljunulo kun ruzaj okuloj kaj per etaj paŝoj eniras: *Waclaw Sieroszewski!*

Li estas maljuna, sed el liaj vivaj okuloj fajreras ankoraŭ la vigleco kaj entreprenemo de l' junulo, la mondon-konkera sopiro al la fremdujo... Kaj ĉu vi scias, ke tiu ĉi blankhara homo, kiu tiel etpaŝe eniris la ĉambron, marŝis en la ombro de l' amerikaj nubskrapantoj, ke li vagis tra vastaj ebenoj de Siberio al nekonata nomada popolo de la Jakutoj, ke li tramigris malproksiman Japanujon kaj Ĉinujon, ke li atingis la altajojn de mistera Tibeto? Kaj ke li kiel unua verkisto per siaj verkoj malfermis al la polaj legantoj la animon de ĝis nun nekonataj popoloj, la ekzotikecon de mirindaj kaj misteraj fremdlandoj, ke lia etnografia beletristiko okupas specialan lokon en la pola literaturo?

Nun malproksime de la ventblovo de la pranaturo, kiu leviĝas el liaj libroj kaj tuŝas freŝige niajn tempiojn, malproksime de la naturpopoloj tunguzaj, ĉukĉaj kaj burjataj — li staras meze en la bruo kaj rapidemo de l' grandurba moderna civilizo kaj kun afabla rideto diskutas kun mi pri — Esperanto!

»Mi ĝojas, ke unu el miaj verkoj estas tradukita en Esperanton —« li diras.

»Jes, »La fundo de l' mizero« — mi aldonas, — »en bonega traduko de la pola stilisto Kabe...«

»Tio ĉi okazis jam antaŭ multaj jaroj —« rakontas Sieroszewski vigle, »kaj tiam mi ricevis multajn, multajn skribajojn de Esperantistoj el la tuta mondo. Evidente oni multe interesiĝis pri la verko. Vi devas scii, ke la vivon de la lepruloj, kiun mi priskribas en tiu verketo, mi konas — mi estis ĉe ili kaj vidis ilian mizeron kaj tragedion per propraj okuloj... Sed de tiam pasis multaj jaroj kaj hodiaŭ miaj verkoj estas tradukitaj en dekkelkajn, aŭ dudek lingvojn, inter ili eĉ en la japanan kaj ĉinan...«

»Kion vi entute opinias pri Esperanto kiel literatura lingvo?«

»Bedaŭrinde mi ne konas vian lingvon kaj ne povas respondi al vi... kvankam —« li aldonas kun rideto — »tute fremda Esperanto ne estas al mi, ĉar mia filo ja estas Esperantisto, parolas kaj legas en ĉi tiu lingvo!«

»Do vi estas ja tre proksima al la Esperantistoj!« mi krias mirigite.

»Jes, mi ankaŭ konas vian eminentan pioniron profesoron Bujwid, kiu plurfoje instigis min lerni Esperanton, sed — mi estas jam tro maljuna por tio...« li faras manmovon kaj ridetas embarasite, kiam mi volas protesti. »Por mi estas ekster dubo, ke Esperanto estas bonega interkomprenilo kaj oni hodiaŭ jam ne povas preteriri ĝin kvazaŭ ĝi estus bagatelo... Mi kiel literaturisto povas nur gratuli vin pro tio, ke ŝajne la literaturo en via movado ludas gravan rolon. Mi ĝojus se oni esperantigus pluajn miajn verkojn. Via literaturo revuo aperas en Budapest... mi bedaŭras ke ĝis nun neniu mia verko aperis en hungara lingvo, kvankam la ĉefa figuro en mia romano »Beniowski« estas duonpolo, duonhungaro...«

Ni parolas pri la hodiaŭa pola literaturo. La cirkonstancoj, en kiuj vivas la polaj verkistoj, estas tre malkuraĝigaj — . . . Malgraŭ tio nun aperas lia kompleta verkaro en 25 volumoj ĉe »Bibljoteka Polska«.

»La pola literaturo devas akomodiĝi al la nova postmilita psiko de la homoj, kiu videble diferencas de tiu antaŭmilita. Ĝi travivas nun periodon de kreado de novaj formoj — pli ĝuste de novaj rimedoj kaj serĉado de novaj vojoj al tute alispecaj impresoj... Kiu el la modernaj polaj verkistoj ŝajnas al mi plej grava? — Sendube *Kaden-Bandrowski*, kiu laŭ mi superas ĉiujn aliajn... Kion mi pensas pri *Ossendowski*? — Tre kapabla homo, kiu skribis nepre interesajn verkojn...«

»Kaj lia multe diskutata »scienceco« ?...«

»Sinjoro kara —« respondas Sieroszewski, »mi supozas, ke *Ossendowski* tute ne volas esti nura scienculo. Kun eksterordinara talento li scias ekkapti ĉiujn interesajn momentojn kaj priskribi ilin en vigla maniero. La scenejo de liaj rakontoj estas Azio kaj Afriko, kiujn li bonege konas per siaj multaj ekspedicioj. Ne, sinjoro, oni ne devas malkompreni lin!...

Nun la verkisto Sieroszewski komencas demandi min kaj mi devas rakonti al li pri la Esperanta literaturo, pri la stato de nia movado, pri la Krakova Kongreso, pri kiu li vigle interesiĝas. Ĉar li, la aŭtoro de la famaj siberiaj »Skizoj«, de la tibeta romano »Dalaj-Lama«, li kiu vivis »12 jarojn en la lando de l' Jakutoj«, li kiu majstre al la poloj pentris la heroan animon de la japana popolo en la verko »De ondo al ondo« — li amas ja la tutan mondon per sia tuta koro...

Sed la telefono sonoras kaj ŝiras nin en la rapideman realecon. Sub la fenestroj bruas kaj rulskuiĝas la trafiko de l' grandurbo. Kaj sur la libra ŝranko tremetas la busto de *Kościuszko*. Per etaj rapidemaj paŝoj maljunulo forlasis la ĉambron kaj la strata moviĝo de l' Nowy Świat englutas tiun grandan verkiston, en kies verkoj brilas fabelaj orientaj pejzaĝoj, muĝas eternaj praarbaroj kaj riveregoj sovaĝaj, kaj flustras animoj de fremdaj, malproksimaj popoloj...

*Edmund Fethke.*

# La botisto Impetulo

— Wlodzimierz Perzynski —



stis iam botisto, kiu nomis sin Impetulo. Kiam li eliris en la urbon, komence li iris malrapide, kaj poste pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, kaj fine kiam li impetiĝis, li kuregis tiel rapide, ke li antaŭkuris veturilojn kaj eĉ tramveturilojn. Kompreneble oni ne povas tiel kuregi en la urbo, tial sinjoro Impetulo havadis diversajn malagrablajn okazaĵojn. Unuj homoj pensis, ke li kaptas ŝteliston, aliaj, ke li mem estas ŝtelisto, ili komencis kuri post li kaj la kurado finiĝis per tio, ke sinjoro Impetulo ekfaletis pro io, renversiĝis sur teron kaj aliaj kurantoj falis sur lin. Kelkfoje tiamaniere oni preskaŭ sufokis la botiston Impetulo.

Pli malbone estis hejme. Kiam sinjoro Impetulo komencis labori kaj najli kalkanumon, komence li batadis per martelo malrapide, kaj poste pli kaj pli rapide, kaj fine kiam li impetiĝis, li batadis tiel forte, ke li frakasis la tutan kalkanumon. La botoj fariĝis maluzeblaj kaj sinjoro Impetulo anstataŭ ricevi monon por sia laboro, devis aĉeti ankoraŭ novajn botojn por la klientoj. Oni facile komprenos, ke lia metio donadis al li malgrandan profiton.

Tiel same sinjoro Impetulo parolis. Komence malrapide, tiel, ke ĉiun vorton oni povis bone kompreni, kaj poste pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, kaj fine oni povis nenion aŭdi, nur trrrrr... kvazaŭ turbo turnus sin sur la planko.

Ĉe la sama strato loĝis en bela domo vidvino de la bankisto Monamulo. Sinjorino Monamulino estis tre riĉa, sed terure avara. Foje ŝi sendis al sinjoro Impetulo per sia servistino ŝuojn por plandumo. Sinjoro Impetulo ekprenis sian kapon pro mirego. Neniam en la vivo li vidis tiajn ŝuojn! Fliko sidis sur fliko kaj ankoraŭ ĉiu fliko estis kvaroble flikita.

— Bonvolu ripari ilin ĝis morgaŭ — diris la servistino — ĉar alie mia sinjorino ne povus eliri el la domo.

Sinjoro Impetulo komencis labori, sed kiam li ekbatis kaj kudradis per peĉfadeno, li tiom impetiĝis, ke post mallonga tempo el unu ŝuo restis nenio. Sinjoro Impetulo ĉagreniĝis terure, sed kion fari. Li prenis la duan ŝuon je mezuro, aĉetis ĉe alia botisto tutan paron da novaj ŝuoj je la sama grandeco kaj la sekvantan tagon matene, preninte la ŝuojn sub la brakon, li iris al sinjorino Monamulino. Ĉar la sinjorino loĝis tre proksime de li, do li ne havis la tempon por impetiĝi.

Li supreniris la ŝtuparon, kovritan per bela ruĝa tapiŝo, en la unuan etaĝon kaj sonorigis ĉe la pordo. Sur unu flanko de la pordo pendis leterkesto, sur la alia estis en la pordo ronda malfermaĵo, ŝirmita per malgranda latuna klapeto, kiel oni ofte havas, por ke oni povu vidi, kiu ekstere sonorigas.

Al sinjoro Impetulo oni longe ne malfermis kaj pro enuo li komencis tamburi sur la pordo per siaj fingroj. Li ne sciis, ke oni ne enlasis lin tial ĉar la servistino eliris en la urbon kaj sinjorino Monamulino neniam iris mem malfermi la pordon. Sed ĉi tiun fojon aŭdinte, ke iu frapetadas per fingroj la pordon, ŝi ekinteresita pri tio, alproksimiĝis al la pordo, por rigardi, kion signifas ĉi tio. Ŝi deŝovis la latunan klapeton kaj alproksimigis sian okulon al la malfermaĵo.

Sed sinjoro Impetulo intertempe jam estis impetiĝinta kaj... frap! — li ekbatis ŝian okulon per tuta forto. Sinjorino Monamulino ekkriis terure kaj renversiĝis teren. Nur per ĉi tiu krio sinjoro Impetulo ekkonsciis pri tio, kion li faris. Li ektimegis kaj forkuris. Kaj li impetiĝis tiom, ke li haltis nur malproksime ekster la urbo kaj antaŭ ol li sukcesis reveni hejmen, jam vesperiĝis. En la sekvinta tago matene vizitis lin la servistino de sinjorino Monamulino.

— Mian sinjorinon volis hieraŭ ataki rabistoj — ŝi komencis rakonti, — Feliĉe ke la pordo estas tre fortika, ĉar alie ili certe estus murdintaj kaj elrabintaj ŝin.

Sinjoro Impetulo kompreneble ŝajnigis, kvazaŭ li nenion scius pri tio, kaj scivole komencis demandi ŝin detale, kiel ĉi tio okazis. La servistino diris al li, ke kvar rabistoj venis kaj unu el ili volis al sinjorino Monamulino elpiki per ponardo la okulon. Tuj tiaj babilegaĵoj elkreskis el la afero. Sinjoro Impetulo ŝajnigis, ke li ĉion kredas.

— Nu, nu, — li diris — kiel danĝere estas nun en la mondo — kaj kvazaŭ mirante li komencis balanci la kapon. Komence malrapide, poste pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, pli kaj pli rapide, ĝis per la balancegado lia kolo fariĝis tiel longa, ke li jen per la kapo frapadis sian ventron, jen reĵetadis la kapon sur sian dorson. Al la servistino, kiu unuafoje vidis tian strangaĵon, ĉi tio terure plaĉis. Ŝi pensis, ke sinjoro Impetulo scias montri ĵonglaĵojn. Sed ĉio ĉi estis ankoraŭ nenio kompare al ŝia mirego, kiu ŝin kaptis, kiam sinjoro Impetulo redonis al ŝi la botojn de sinjorino Monamulino.

— Ili estas ja tute novaj! — ŝi ekkriis — kaj mi alportis al vi malnovajn kaj eluzitajn.

— Ĉar mi scias tiel rebonigi — ekmensogis sinjoro Impetulo, — ke eĉ la plej disŝiritaj botoj fariĝas ĉe mi tute novaj.

La servistino mutiĝis je mirego. Ŝi malfermis la buŝon tiel larĝe, kiel por la kuracisto, kiam li volas esplore rigardi en la gorĝon, kaj poste ŝi ekprenis la botojn tiel delikatege, kvazaŭ ili estus el vitro.

Sinjoro Impetulo terure ridegis kaj ĝojegis, ke li sukcesis ŝin tiel trompi, sed mallonge daŭris lia ĝojo, ĉar en tiu sama tago, posttagmeze sinjorino Monamelino sendis al li tridek parojn da malnovaj ŝuoj por riparo. Ŝi kunkolektis ĉiujn plej malnovajn ŝuojn, kiujn ŝi nur havis hejme: truhavajn, senkalkanumajn, senplandajn. Ŝi havis multege da ili, ĉar ŝi estis tre avara kaj neniam donacis malnovajn ŝuojn al iu ajn almozulo, sed kaŝis ĉion en la kameron. La servistino devis kunpreni grandan korbon por povi ĉion alporti. Kiam sinjoro Impetulo ekvidis tiom da ŝuoj, lia vizaĝo tuj plilongiĝis kaj tiamaniere, ke li ekbatis per la mentono sur la tablon.

— Mi ne volas ripari ĉi tiujn ŝuojn! — li ekkriis, kaj ĉar li estis kolerema, tial li tuj impetiĝis.

— Tiom da ŝu... oj, tro multe da ŝu. ŝu... oj! — li komencis ripetadi rapide, pli kaj pli rapide, tiel, ke post momento jam nenio estis aŭdebla nur ŝu, ŝu, ŝuŝuŝu... — kvazaŭ kuregus lokomotivo. La servistino ektimis kaj forkuris.

*El la pola: Prof. Mieczyskaw Sygnarsky.*

# Rememoroj pri Antoni Grabowski

— Dr Leono Zamenhof —



*Antoni Grabowski*

Ĉiufoje kiam pli vigle ekbatas la esperantista movado en Polujo, ekstaras antaŭ niaj okuloj la neforgesebla samideano Antoni Grabowski.

Grabowski-n oni ne povas nomi pioniro de Esperanto. Kiel propagandisto li ne elmontris grandan energion aŭ kapablon. Li efikis nur per sia persona influo, per sia forta kredo. Oni pli ĝuste povas nomi lin apostolo de nia ideo. Se ĝenerale en la tempo de Grabowski estis malfacile propagandi Esperanton, en Polujo ĝi apartenis al plej malfacilaj taskoj. La lando malliberigita politike kun suspekto traktis ĉiun internacian movadon kaj speciale en Esperanto vidis danĝeron por sia sendependeco. Grabowski apartenis politike al la plej forta kaj samtempe plej malamika partio rilate nian movadon. Kaj tamen tiu ĉi cirkonstanco lin tute ne ĝenis. Li defendis sian ideon kun profunda konvinko, ke ĝi ne nur malutilas lian patrujon, sed kontraŭe: fortigas ĝin. Liaj argumentoj estis tiel konvinkaj, ke neniu en lia ĉeesto havis kuraĝon lin moki. Grabowski batalis kun siaj kontraŭuloj per ĉiuj rimedoj ne nur sciencaj sed ankaŭ ironiaj.

Unufoje li troviĝis en pli granda societo, kie oni okaze de lia ĉeesto komencis moki Esperanton, nomante ĝin abomena ĵargono. La diskutado precipe kun obstinaj virinoj ne prezentis grandan allogon kaj Grabowski decidis konvinki la mokemulinojn per pli elokventa maniero. Kiam post la vespermanĝo oni petis lin deklami ion en la itala lingvo, Grabowski akceptis la proponon, sed anstataŭ en la itala lingvo ekdeklamis ion en Esperanto. La ĉeestantoj komprenéble ne trovis sufiĉe da vortoj por esprimi sian ravon pri belsoneco de la itala poezio. Tiam Grabowski petis permeson deklami la samon en Esperanta traduko. Ĉu oni devas aldoni, kia estis efekto de tiu ĉi »esperanta« deklamo! Kaj poste post la klarigo de la efektiva stato? Grabowski rakontis ke tiu ĉi epizodo malfermis al li poste la pordojn al multaj societoj, kiuj jam pli ne kuraĝis moki lian »frenezaĵon«.

La tempo, kiam Grabowski staris sur la frunto de la esperantista movado en Polujo, apartenis al la plej brila periodo de nia historio. La poloj okupis tiam la unuajn postenojn ne nur en la poezio dank' al Grabowski, sed ankaŭ en prozo (Kabe) kaj en la historio (A. Zakrzewski). La vivo montris ke la tiutempa pola movado estis bazita sur forta fundamento.

A. Grabowski akceptis la sciigon pri Ido tute indiferente. Mi memoras liajn vortojn, kiam mi parolis kun li pri tiu ĉi temo. Li nomis la tutan entreprenon vana kaj malfrua, »ĉar Esperanto jam estis lingvo viva kaj vivan lingvon oni ne povas laŭplaĉe reformi«.

Estante eminenta filologo, Grabowski anime estis poeto. La plej granda parto de liaj esperantaj verkoj apartenas al la poezio. Konante multajn lingvojn, Grabowski esperantigis ne nur polan poezion sed ankaŭ alilandajn, aperigante sian belan verkon »El la parnaso de popoloj«. Dum multaj jaroj li revis esperantigi la konatan poemon de Mickiewicz »Pan Tadeusz«. Kiam mi parolis kun li pri tiu ĉi projekto, ni ambaŭ rigardis ĝin kiel utopion. Nerealigeblajn projektojn ofte efektivigas nur eksterordinaraj cirkonstancoj — »Sinjoro Tadeo« ekvidis la mondon efektive en tute neordinaraj cirkonstancoj.

Kiam somere en la jaro 1914 la milita uragano ekskuis Eŭropon, Grabowski fariĝis kvazaŭ ofero de eksplodo. Forŝirita de sia plej proksima familio li travivis ĉiujn teruraĵojn de la unua periodo de la milito. Kiam post kelkmonata malliberigo kaj post jara foresto ekster sia hejmo li fine sukcesis reveni Varsovion, li trovis sian domon malplena. Lia tuta familio estis for kaj estis absolute neeble ricevi pri ĝi iajn ajn sciigojn. Preskaŭ sesdekjara maljunulo Grabowski eksentis grave tian solecon. Kaj jen en tiu ĉi malĝojo por li momento la ideo, por kiu li laboris tiel longe, alportis al li konsolon, kiu ebligis al li travivi longajn tagojn de lia doloriga soleco.

Kaj jen en tiaj tagoj tio, kio ŝajnis nerealigebla, iom post iom fariĝis fakto. Unu el la plej grandaj poemoj eksonis en Esperanta lingvo! Ne estis facila la entrepreno. Sed ju pli da malfacilaĵoj trovis survoje Grabowski, des pli fervore laboris li por venki ilin, des pli mallongaj ŝajnis al li la tagoj de lia soleco. Forkurante ofte de sia malplena hejmo, li grandan parton de la tago pasigis en sia amata kafejo, kie li serĉis inspiron kaj renkontiĝis kun samideanoj. La sorto volis ke la esperantigo de »Sinjoro Tadeo« pleniĝis la tutan tempon de lia deviga disiĝo kun la familio. Tiu ĉi granda laboro sur la kampo de la amata ideo permesis al li ĝisvivi ankaŭ alian lian longjaran revon — la renaskiĝon de Polujo.

Unu solan ne ĝisvivis Grabowski — kongreson esperantan en la reviviĝinta patrujo. Sed, se li ne estas kun ni korpe, lia spirito vivos inter ni kongresanoj tiel same kiel ĝi brilis en la jaro 1912! Grabowski meritas tion ne nur kiel samideano sed ankaŭ kiel idealisto, kiu en Esperanto vidis ne nur ilon por interkompreniĝo sed ankaŭ por interfratiĝo! Kiel poeto li ne povis esti partiano de pura materialismo. Lian noblan spiriton ni sentas, kiam ni kantas lian »Tagiĝo«n!

# La Doloro de Arbo

— Józef Wittlin —

Mi estas la arbo
sur kiu siatempe
ekpendis Li sur Golgoto.

Mi elkreskis en profundo de giganta arbaro,
la foliaron — ĉiutage — mi banadis en pura oro ;
la vent' min klinadis ! Ha — la vent' min balancis ! . . .
Kaj de ŝultroj miaj malleviĝis multekosta
mantelo el vivaj folioj.

Mi havis manojn, mi havis brakojn — —
Matene, kiam mi vekiĝis de l' nokta revado, —
el mia sino iris ebriigaj bruoj
kaj kun mi vekiĝis ĉiuj arboj,
kaj ĉiu salut-riverencis ĝis tero —
per la ripozintaj branĉoj — la brakoj ;
kaj baldaŭ ĉiuj la arboj ekbabilis,
kaj tiuj niaj sopiraj matenpreĝoj
iris — iris — iris —
kaj dispelis al la bestoj la dormojn — —

La vent' min klinadis ! Ha — la vent' min balancis! — —

. . . Kaj mi havis vejnojn, fortajn, torditajn vejnojn :
mi per la radiko en la dolĉecon de l' tero ensuĉiĝadis,
por trinki ĝiajn sukojn, dum centoj da jaroj ! —
Ĝis venis la fino.

Mi kreskis, kreskis en la patrina arbaro,
el kie nokte la eho forportas la voĉon de noktuoj
kaj timigas infanojn — —

Mi printempe havis altkreskajn foliojn,
kaj aŭtune mi flaviĝadis pro ĉagreno,
ke jam vintre mi ne estos pro la suno ora — — —
Tio estis iam tre solena :

— Tra mia korpo pasadis la Spirit' de Dio
kaj silentigis perfekte miajn plorojn ;
korpon mian alpremis pasie prujnoj
arĝentaj kaj molaj kiel lanugo — —

Tiel dormiĝis en mi ĉia movo
kaj jam defalis de la brakoj la kadukaj folioj, —
senfortaj. —

Kaj kiam falis sur la teron la unua neĝo
kaj miajn frostiĝintajn fingrojn kvazaŭ per vipo batadis
kaj fajfante sur la nuda korpo min bastonis :
— mi estis dorminta! Per vintra sonĝ' mi dormis jam —
Tie en la patrina arbaro — —

Aŭskultu mian doloron ! —
Mi scias kio estas tempestoj, uraganoj !
Mi scias kio estas luktado kun la ventego,
kiu salte alvenas ebria
kaj dikajn trunkojn kurbigas
kaj malfortajn branĉetojn disrompas !

Mi scias, mi scias, ĉar mi estas maljuna :
mi konas la tempeston kaj la tempesto konas min !
Ne tio ! Ne tio ! —

Tie en la gepatra arbaro,
kie volviĝe kreskas likenoj —
sur grundo de tre molaj muskoj, —
mi aŭskultadis la noktajn rakontojn de strigoj
dum longaj kaj feliĉegaj jaroj.
K a j m i e s t i s r e k t a ! Mi estis kiel v i r o — r e k t a !

Ĝis venis al mi tri lignohakistoj
kaj ion inter si babilis :
ke mi estas forta kaj rekta !
Kaj venis al mi tri lignohakistoj
kaj tiuj min mortigis :
akrigitajn ili havis hakilojn —

La haŭton ili de mi deŝelis,
kaj batis kaj batis kaj batis,
ĝis larmoj elŝprucis.
— Ekhurlis mia radiko,
la trunko ekĝemis sub la bato,
kaj falis per mia tuta koloso
sur teron !

Ho mi scias, mi scias :
— Ĝi ne povis elporti humiliĝon ! —
Kaj tremis en mi, ĝemis
ĉiu mia fibro
destinita je akiro al la hakiloj. —
Kaj ili ŝiras de mi la haŭton
kaj mi fariĝis blanka kiel kadavro ! —

Kaj venis al mi tri ĉarpentistoj
kaj ili levis min kun peno ;
— du antaŭe kaj unu malantaŭe,
kvazaŭ kadavron — tiel ili min ie portis.

Kaj poste mi sentis kiel la ĉarpentistoj
la manojn al mi hakis for
kaj mi sentis ke Dio sendos sur min
honton pli grandan ol morton — —

Kaj la ĉarpentistoj (volante gajni-)
laŭlarĝe de mia kadavro
metis mian manon dehakitan
kaj alfiksis per najloj.

— — Mi konas ! Mi konas tiun homan suferon ! ! ! —

Per najloj oni min ĉirkaŭbatis,
kaj levis rekte alten ! — —
Homa sango min makulos ! !
Ĝi estos de Ĉarpentisto la filo — de Ĉarpentisto ! !
La ĉarpentistoj min levis supren
por ke mi estu — K R U C O !

Oni portas min, portas kaj portas — —
Kaj vidas mi el homaj kapoj arbaron.
Sed ĉi arbaro estas freneza
centkolora — ne verda — —

Kaj krias kaj vokas : »Jam estas tempo ! ! !« —

Kaj oni portas min, portas — — kaj portas — —
Mi rekonas : nudpieda tie staras Li
kaj atendas — —

La vizaĝo, okuloj kaj manoj
levitaj en muta dankemo
estis kiel — ĉe homo.

Kaj Li staras silenta, humila
kaj recitadas la preĝon vesperan
kaj atendas — —

Kaj peza mi estis kvankam kadavro,
kun peno min portis tri —
tamen tiu kun pala la frunto,
kiu poste sur mi rigidiĝis —
sola min levis.

Kaj portis min sur altan monton
kaj trifoje falis sub mi —
larmoj aperis en Liaj okuloj,
kiam neniu volis Lin helpi — —

Kaj poste fariĝis mallume — — —

Aŭskultu mian doloron :

Sur pinto —
oni min enbatis en la teron
kun brakoj etenditaj :
unu dekstren, — kaj dua maldekstren,
staris mi, granda kadavro-arbo,
staris kiel flama kolono,
kaj sur mia kadavro estis disetendita kadavro ! !

Mi volis ekkrii pro honto :
»Tio ofendas mian korpon ! !...
Tio malrespektas mian koron ! !«
(ĉar arbo havas koron)
»Forprenu Lin de l' kruco !« —
Sed mi estis kadavro...

Kaj en mia arbaro patrina
resonis baldaŭ hore ĉiuj arboj,
granda estis la uragano, forta la pluvego — —
Ĝemis la fratinoj-tilioj, hurlis la fratoj-fagoj,
aceroj, karpenoj, fraksenoj — — Sur branĉoj — la korvoj
Ekploris salikoj, ekĝemis la abioj,
kaj pinetoj la malgrandaj — ekpepis lamente —
Ĝis sur tuta la tero ĉiuj arbaroj
ektremis per bruo de ploro, kiu je eternaj tempoj
anoncadis pri mia hontego :

»— Tio ofendas niajn korpojn«,
»— Tio malrespektas niajn korojn !«
»Deprenu Lin de l' kruco !« — — »deprenu Lin de l'
kruco !« — — —
»Tio malhonoras niajn manojn!« — —
Ne estos Li krucumita !
»Deprenu Lin de l' kruco !« — —. »Deprenu Lin de l'
kruco!« — — —

Dume Li elportis jam ĉiujn vundojn ;
kaj ili forte frapadis en Lin la najlojn :
en Lin kaj en min.

Kaj la tondroj frapadis — — malproksimen iris la bruego,
kaj tiu tago restas neforgesebla ĝis ĉiuj eternoj.

Kaj tiel Li rigidiĝis sur mia senviva sino,
kaj Lia patrino trempis la manojn en la sango,
kiu strie sur mi defluadis.

Ho patrino ! Ni ambaŭ scias,
kion signifas Lin porti ! — — Vi Lin portis
en via utero — antaŭ ol Li naskiĝis,
kaj mi Lin portis je la morto ! !...

Poste oni Lin deprenis de mi, — palan
kaj tre malvarman. — La dolorplena patrino
estis jam apud Li, estis ĝis fino,
kaj senteme Lin metis en blankajn tukojn
balbutante ion longe per la muta buŝo.

Mi — staris dezerta ! —

Aŭskultu mian doloron :
— Morgaŭe, morgaŭe matene,
oni prenis min for de tiu monto
kaj ĵetis ien malantaŭ la urbo :

Mi — arbo, arb' sangumita
putras multjarojn en profundo de l' tero
kaj ĉi teron — oni nomas sankta !...

Ĝis mi tute putriĝis.

Kaj Li reviviĝis —
diras la famo.

El la pola : *Edwardo Wiesenfeld.*

# LA KRIO

**— Stanislaw Przybyszewsky —**

»Kaj se io ajn el mia verkista agado restos en la pola literaturo — tio ĉi treege malgravas por mi — ĉiuokaze restos tiu unu fakto, ke mi ekkuraĝis rompi la leĝojn de l' sankta »tabu«, do tuŝi aferojn, kiujn tuŝi »ne estas permesite«, ke mi kuraĝis starigi min kontraŭ la sanktigitajn kanonojn kaj starigi kontraŭ la komuna hipokrita »cant« la senkompatan, tiel senlime malagrablan veron, ke mi kuraĝis al la malgrava oportuna etburĝa moralo, kiu kontentiĝas je la »leĝe« sanktigitaj konceptoj pri la »bono kaj malbono« konstante prezentadi la neskribitan internan leĝon de l' kaŝita ordo de l' aferoj, en kiu la fiksitaj leĝfortaj konceptoj »bono« kaj »malbono« tutege ne ekzistas, sed nur la unusola potenco de l' sento.«

*St. Przybyszewski.*

Li deviš iel distri sin, tiom pli, ke honto kaj kolero kaj ia necedema obstino pli kaj pli kreskis en li :

Nun li iros sur la straton ! Jes ! Li devis nun iri, kvankam li ne havis eĉ centimon en sia poŝo.

Sed la strato mem distros lin jam.

La strato, la strato ! Liaj okuloj ŝajnis elstariĝi el la kavoj.

La strato ! Ĉu oni povas imagi pli potencan simbolon de la homa vivo ? ! Ĉu ekzistas ia revelacia manifesto, kun kiu oni povus kompari tiun potenceganmanifeston de l'malsato, ampleksantan ĉiujn ĉielojn kaj inferojn ? !

La strato, la strato ! kriis en lia animo.

Kaj neniu ankoraŭ pentris la straton !

A, a ! La batalo sur la barikadoj de Delacroix : tiu infera malsato je libereco — grandioza ! Sed ĝi ne estas ankoraŭ tio ĉi... tie la satano devus entordi siajn ungegojn en la hararon de la virinoj, infanoj, maljunuloj, li devus trenadi ilin post si, krei per ili novajn barikadojn — la muroj devus ekfuriozi en koleregа batalo, ĉar la muroj de la strato estas vivanta estaĵo, ankoraŭ pli furioza ol la homo — ĉio estis ankoraŭ tro malperfekta...

La strato ! La strato ! bolis kaj hurlis en lia animo.

La strato de senhontaj marĉandoj, avido kaj ĉiuspeca malĉasto — la strato de kaŝitaj murdoj kaj kaŝitaj amaĵoj — la strato de ĝoj-ebriaj esperoj kaj konvulsie plorantaj trompoj :

Ekbleku per plej sovaĝa kriego de l'malespero, freneza strato !

La strato silentis.

Ha, ha, ha !

La strato de dikventraj porkuloj, kiuj ne havas tempon kiel tiuj plej-justuloj, por peki sepfoje dum la tago, strato de virtegolardaj bigotulinoj, kiuj ekster la preĝejo sin banas en la sterkejo de l' abomena malpuro :

Ekgruntu kotplena rostro de l' strato !

Ho strato, spireganta per diabla malsato je libereco, vi, kiu konstruas barikadojn kaj kiun trakuras sennombraj aroj da mizeruloj, kripluloj, prostituitinoj, ŝtelistoj, ponarduloj al odoraĉaj noktaj aziloj, strato kun uzura lombardo, en kies pordojn dum karnavalo sin premas la popolamaso ĝu-avida :

Ekkriegu en furioza viv-ĝojo !

Ha, ha ! La lasta ĉifono iras al lombardo, la malsato de l' morgaŭa tago montras la dentojn, sed kio estas la malsato de l' stomako kontraŭ la malsato je la ĝuo ? !

Ankoraŭ unu fojon, lastan fojon !

Kaj la satano disetendis la benantajn brakojn kaj ekridetas bonkore :

Drinku, infanoj, drinku !

Ha, ha, ha !

Ho strato de l' borso, vi, kiu englutas or-avidajn rabiajn borsistojn kaj elsputas ilin sur la pavimon, priapa strato meznokta kun aroj da inoj, mortaĉantaj pro malsato, de abomenaj satirusoj, henantaj pro voluptemo kiel ĉevalviroj, strato de ĝojaj festenoj, de triumfaj procesioj kiel vivanta muro de marŝanta popolamaso, kiu ne volas labori kaj hurlas pro malsato :

Furioziĝu strato, ekbleku pli laŭte, laŭtege, ke Vian krion mi transformu je brilaj koloroj, ke mi ĝin fiksu sur la tolon kvazaŭ frenezajn ĉielarkojn degelantajn !

Vane.

Vane li povus tiel sen fino preĝadi tiun timigan malĝojan litanion al la strato, ĉar li konis nenion, en kio elmontriĝus pli suverene kaj potence la homa malsato — sed ĉio, kion li pentris, ankoraŭ ne kriis, li ne aŭdis, ne vidis en siaj bildoj *tiun krion de la strato* — kaj tamen ĝin li devis krei !

Li grincigis la dentojn — antaŭ ol li mortos pro malsato — **tiun krion li pentros !**

Li refalis malstreĉe.

Li havis la senton, kvazaŭ li sidus sur la supro de monteto en oportuna glitveturilo sur freŝ-falinta neĝo. Malsupre en krepusko bluetis profunda rondvalo, kaj kontraŭe leviĝis ankoraŭ pli alta monteto.

Ia nevidebla mano ekpuŝis la glitveturilon.

Ĝi ekglitis fulmrapide malsupren en la valon, sed la svinga forto estis tiel granda, ke la glitveturilo kur-atingis la supron de la kontraŭa monteto.

Li ekrigardis malsupren : ah ! jen malsupre strato, brilanta de elektraj lampoj en la fenestregoj de magazenoj — sur la trotuaroj homa formikaro, kaj meze tra la strato kur-flugis elektraj tramoj.

Atingis lin la obtuza voĉo kaj bruo de la strato, li fikse rigardis la homan ondon, kiu fluadis tien kaj reen, preterpasis kaj interŝovis sin, kaj li ekdeziris enmiksi sin en tiun homsvarmon, permesi ke la ondo lin portu, kien ajn ĝi emus lin porti, kaj ekripozi tie, kie ĝi elĵetos lin sur ian bordon.

Li eksaltis.

— Jes ! — li decidis firme, nepre li devis iri nun sur la straton !

Li ektremis :

— Kaj eble nun li renkontos ŝin ? !

Ha, ha, ha !

Sed kial ne ? ! Volonte — volonte ! Li estus eĉ tre kontenta pro tiu bonŝanca okazo. Li esprimus al ŝi eĉ profundan ĝojon, ke li sukcesis renkonti ŝin, ĉar ĉi okaze li ekaŭdos ŝian — voĉon.

Verdire li ja aŭdis iun teruran krion, sed li ne estis certa, ĉu ĝi estis ŝia krio aŭ lia propra interna. Kiam li aŭdos nur ŝian voĉon, tiam li scios jam, al kiu apartenis tiu krio.

Kaj ĝuste tiun krion li ja serĉis !

Ŝi tute ne bezonas krii, sufiĉos, ke li ekaŭdos nur ŝian voĉon — li havis la absolutan konvinkon, ke kiam li ekaŭdos ĝin, li kapablos ankaŭ ekkriigi ĝin, kaj tiam li kreos grandiozegan, kion ĝis nun aspiris ankoraŭ neniu homo.

Tiam li ekpentros la lingvon de l' strato !

El la pola lingvo tradukis
*Stefan Fethke.*



*Chelmonski : Jungo de kvar ĉevaloj*

# „Wima"

## Raportaĵo

— Zygmunt Walinski —

La varsovia »Miesiecznik Literacki« (Literatura Monatgazeto) presigis konkurson je plej bona raportaĵo. Opiniante tiun novan verkospecon interesa por nia internacia legantaro, ni permesas al ni ĉi-sube publikigi unu el la plej tipaj raportaĵoj.

1.

220.000 ŝpiniloj.
1500 teksiloj.
2 turbogeneratoroj po 10.000 kiloŭatoj.
Tuttaga karb-konsumo — 30 vagonoj.
Uzina fervojo.
Fandejo.
Gasejo — 1500 kubaj metroj da gaso tage.
Kaldronegejo.
10.000 laboristoj.
Blankigejo, farbejo, presejo, apreturo, kunmetejo.
Per la taga produktado de ŝpinaĵoj oni povus ĉirkaŭzoni la terglobon.
Per tolo — sterni la vojon de Lódz al Warszawa.
14 milionoj da profito.
800 oficistoj.
300 skribmaŝinoj furioze frapantaj.
Plej modernaj aparatoj.
Grandegaj laboratorioj.
La plej malgranda faro — precize signita per stopero.
Raciigo.
Kalkulaciaj kontoroj kalkulas la ŝparpovon de dekono, centono, milono de sekundo.
Murmurantaj armeoj de kalkulmaŝinoj
Elasta organizo. Unuarangaj ekonomistoj.
Jen :
Brilanta, preciza ekspluataparato.
»Wima« ![1])

2.

10.000 laboristoj dufoje dum tago pasas la fabrikpordegon.
Eniras libere, la elirantaj estas reviziataj.
La reviziistoj kontrolas la virojn, reviziistinoj la virinojn.
Manoj iliaj flekseblaj — longaj.
Okuloj de hundoj, zorgantaj pri la mastra propraĵo.
Protektas ilin la fabrikpolico.
Elektitaj grandeguloj, kvazaŭ kverkoj en fajrobrigadistaj kaskoj.
Senarmilaj. Fortaj la pugnoj.
La elirantoj kaŝe traserĉas siajn poŝojn.
Necesas esti singarda.
Fadenpeceto, paperfolio dekgroŝa, — jen sufiĉa kaŭzo por maldungo.
Krom stampo — juĝo.
10.000 laboristoj — se ĉiu elportus tage paperfolieton po 5 groŝoj — 15.000 zlotoj monate.

3.

150 akcidentoj ĉiutage.
2 rapidsavaj aŭtoj senĉese funkcias.
2 felĉeroj konstante okupataj.
La ambulatorio uzas 15 litrojn da jodeno, 1 kg. da borŝmiraĵo, 3 kg. da vato, 200 m. da bandaĝo tage.

4.

78 aŭtoj disveturigas pretajn varojn.
Pako da kruta kotono dum 15 minutoj ŝanĝiĝas en etamenon, madepolamon, satenon, perkalon.
25.000 PS en konstanta laborado.
70.000 litroj da kloro blankigas krudan ŝtofon.
1638 motoroj murmuras seninterrompe.
Tagspezo 800.000 zlotoj.
Semajna salajrelpago — du milionoj.
Sociaj depagoj — 100.000 monate.
30.000 kg. da ŝpinaĵo ĉiutage.
Laboristaj salajroj — malsatigaj.
La estraranoj — po du aŭtoj ĉiu.
La fumado en fabrikejo — malpermesita.
Interrompi laboron — malpemesite.
La manoj vetkuras kun maŝinoj — trenas ritme.
Militista rigoro.
La majstroj estas mastroj de vivo kaj morto.
Produktado. Produktado. Produktado.
La malobeulojn forigas fajrobrigadistoj.
Laboristaj loĝejoj malvastaj kaj sufokaj.
Ĉe la uzinoj grandega sportstadiono.
Vetludoj ĉiudimanĉe.
Senpaga reklamo.
Specialaj oficistoj gvidas la laboristan sporton.
Finutrante sin per la sano de siaj laborantoj, la fabrikantoj pozas kiel Fordoj de enlanda produkto.
La elpagotago ĵaŭde
15 oficistoj kalkulas la monon.
Laboristo — meze 36 zlotoj semajne, laboristino — la duono
La prezidanto de l estraro — 30.000 zlotoj monate
Direktoroj — po 15.000.
Neniu kuraĝas akcepti oficon de laboristara delegito
Maldungo — senkondiĉa.
Ĉiun kvinan aŭ sesan monaton — striko.
La strikrompantojn defendas brigadistoj.
Rekompence — iliaj idoj estas akceptataj en la »purajn« fakojn.
kunmetejo,
elektrejo.
Facila laboro — bona salajro.
La strikgvidantoj — tuj maldungataj.
La tuta uzino kovrita per spionreto.
Speciala prokuristo gvidas la fabrikejan defenzivon.

5.

Inter laboruloj malsato, mizero, malsanoj.
Kadukaj pulmoj, misfunkciantaj korklapoj, reŭmatismo, klorozo.
Inter malpli aĝaj laboristinoj — prostituado.
14 milionoj da profito.
Turbinoj po 3000 turnoj je minuto.
10.000 koroj frapas per komuna ritmo.
10.000 malplenaj stomakoj ŝrumpas laŭtakte.
20.000 brakoj batas per orkestro de ĉiuj maŝinoj.
Produktado. Produktado. Produktado.

El la pola: *Modo.*

[1]) »Wima«=»Widzewska Manufaktura« : nomo de unue el la plej grandaj fabrikoj Lodzaj.

# Kion diris sinjoro Kabe?
## Intervjuo kun la plej fama Esperanta stilisto



*Dr. Kazimirz Bein*
*(Kabe)*
*(1908)*

*Warszawa, 24. VI. 31.*

»Ho, Kabe, Kabe, Kabe, kia mister-malica forto vin povis de ni preni rabe ?« mi preĝe murmuras, kiam mi en malgranda strato eniras korton. Super mia kapo pendas minace nigra ĉielo, fulmoj zigzagas, tondro krakas. Ŝajnas ke la ĉielo koleregas pro mia aŭdace peka ideo: intervjui lin ! Kaj mia koro frapegas, kiam mi staras antaŭ la ŝildeto : *Dr. Kazimierz Bein.* Tiajn terurajojn mi aŭdis pri li, ke mi pensas, ke ĉiumomente la pordo malfermiĝos, aperos mistera homulo kaj per majstra bokso trafos mian verdan stelon, tiel ke mi falos malsupren la ŝtuparon kaj restos mortkuŝanta kun disfrakasitaj ostoj ... sed ne, miaj karaj, ne, la vizitkarto, sur kiu estas presita precize »korespondanto de Literatura Mondo-Budapest«, kaŭzas ke post duona minuto mi staras vid-al-vide antaŭ sinjoro Kabe !

Homo forta, kvindekjara, ĝentila gesto, sofo, unua demando en Esperanto : »Ĉu mi povas paroli al vi Esperante, sinjoro Kabe ?

Lia respondo en pola lingvo : »Bone, demandu Esperante, tamen mi respondos pole, ĉar mi jam longe ne parolis Esperante kaj eble kelkfoje estus malfacile por mi ... «

Do ni parolas pole, kaj poste ofte interplektas Esperantajn vortojn, aŭ frazojn. Sinjoro Kabe ankoraŭ ne forgesis la lingvon ...

»Intervjuo ? « li diras iom mirigite. »Ĉu estas ia senco en tio, skribi pri homo, kiu iam estis fervora Esp.-isto kaj hodiaŭ tute forlasis la movadon ? Ĉu vi opinias ke tio estos bona legajo por viaj legantoj ? «

»Sed sinjoro doktoro, kvankam vi ne estas plu inter ni, restas via nomo, viaj verkoj. Vi estas historia figuro, kiu jam ne vivas, kaj ni ĉiuj — precipe la literaturistoj bedaŭras tion.«

Post tiaj enkondukaj vortoj ni komencas interbabili. La terurajoj estas tute malveraj. Li estas tre afabla, samideana, ni diskutas pri lingvaj problemoj dum du horoj, la fulmoj plu zigzagas, la tondro krakas, la pluvo torentas. Junulo, reprezentanto de la postmilita movado, kaj maljunulo, eksbatalanto kaj eminentulo, sidas unu kontraŭ la alia. Kaj jen, jen mi sentas tute strange la eksterordinarecon de la momento : tra la ĉambro blovas la spirito de la jaro 1910 ... !

»Dum sep jaroj mi estis Esperantisto (1903-1910) kaj kvar kongresojn Boulogne s. M., Cambridge, Gènève, Dresden mi ĉeestis kaj laboris dum 4—5 horoj ĉiutage por Esperanto ekster mia profesia okupo. La »Faraono«-n mi tradukis dum duona jaro, komparante la polan originalon kun la franca traduko. Komence mi pripensis ĉu traduki »Quo vadis«, sed la »Faraono« estis pli facile tradukebla. Kiam mi tradukadis, mi tradukadis seninterrompe, forlasante kaj krucsignante malfacilajn frazojn aŭ esprimojn. Ilin mi poste speciale esploris helpante min per germana, rusa kaj franca vortaroj. Sed venu kun mi, sinjoro, tuj mi montros al vi interesan restajon el miaj Esperantistaj tempoj ... «

Ni transiras en lian laborejon. Mi estas scivola kaj ĉirkaŭrigardas. Li haltis antaŭ la skribtablo kaj diras : »Jen mia eltrovajo ! Tiu ĉi skribtablo jam kvarfoje estas alikonstruita laŭ mia deziro, meze la maŝino, ambaŭflanke specialaj klapoj por vortaroj kaj tradukajoj, la tutajo estas kunmetebla. Tre sprita kaj bela, ĉu ne ? Iu amiko iam skribis noveleton pri tiu ĉi mia skribtablo — la Esperantisto Krukowski — kaj priskribis la ĉagrenojn de la lignajisto, kiu devis fabriki tian kuriozan skribtablon. La historio finiĝas en frenezulejo ... bedaŭrinde mi perdis la manuskripton ...«

Mi volas fari kelkajn demandojn al li, sed li vigle plurakontas. Ofte li perdiĝas en detalojn, jen pri la stilo, pri sia propra vidpunkto koncerne la malperfektecon de Esperanto, jen pri personaj travivajoj.

»Por havi bonan stilon, nepre estas necese koni minimume tri diversajn lingvojn, al si malparencajn. Kial ekzemple ni havis inter la slavoj tiom da bonaj stilistoj ? Ĉar ili ĉiuj scias minimume du lingvojn ! Mian simplan stilon mi multe dankas al mia rusa instruisto, kiu ne toleris du akcesorajn frazojn sinsekve. Li estis terure pedanta, sed li sukcesis alpropri al mi facilan stilon kaj simplan esprimmanieron. Ekzemple mi evitadis en miaj verkoj laŭeble la kunmetitajn formojn *estas -inta, estis -inta*, kaj uzis simplan *-is*. La tradukado de bonstilaj literaturajoj, precipe polaj, formis la lingvon Esperantan — «

»Kaj la originala verkado ?«

»Mi kredas ke la lingvo profitas pli multe per tradukado ol per libera originala verkado. La originala verkisto ĉiam iel povos »eltiri« sin, li simple ne uzos malfacilajn esprimojn aŭ simple ellasos aŭ aliajn donos ... sed —« li interrompas sin, »kiel ĉio ĉi povus vin interesi ? Mi ne estas plu Esperantisto, tion vi nepre akcentu en via intervjuo, eĉ mi havas ideojn tute nefavorajn al Esperanto, tamen mi ne volas malkuraĝigi vin per miaj paroloj : batalu por via afero !«

El mia buŝo volas elflugi cent demandoj. Kial tiu ĉi afabla sinjoro, kiu senĉese rakontadas al mi pri la glora kaj samtempe malfacila pasinteco de la lingva suĉinfano Esperanto, kial li, la patro de la esperanta stilo, li, de kies lipoj ni lernadis uzi la lingvon, diable — — fulmtondre — — *kial* li ne estas plu inter ni ... ? ? ?

Ĉar — jes — tion precize li diris ! — ĉar laŭ lia opinio *Esperanto ne progresas* ... !

Hoho ! Tiu ĉi sinjoro Kabe, kiu estas tia meritplena veterano el la taĉmento 1903, malgraŭ sia absoluta izoleco eksentas de tempo al tempo la »verdan blovon« de la nuntempo. Jen iu gazeteto, libreto ekflugas sur lian skribtablon. Li scias ekzemple, ke nun mortis nia kara Prof. Cart kaj ... kaj ... sed tio restu sekreto ! .. en la jaro 1927 li ekturnas la butonon de sia radio-

aparato ! Liajn orelojn atingas la voĉoj de la Esperantistoj kunvenintaj dum la Varsovia Postkongreso en la Urba Salono, dissendataj de la Varsovia stacio !

»Kvazaŭ mi estus denove en Esperantujo ...« li rakontas. »Ili restis la samaj, kvazaŭ mi forlasus hieraŭ Esperanton, nenio ŝanĝiĝis, ili parolas, paroladas, paroladas ĉiam la samon, ĉiam la samon ... Kompreneble estis ja kelkaj, kiuj parolis kun senco kaj sciis paroladi ..«

Li mantuŝas sian buŝon kaj mentonon kvazaŭ enpense kaj diras : »La Esperantistoj, jes, ili havas multajn mankojn. Antaŭ ĉio ili ne scias sian lingvon ! Ili tiel malbone parolis! (ekz. sur ŝipo sur Ĝeneva lago), ke mi petis paroli al mi en nacia lingvo kaj mi respondos Esperante. Mi memoras dum iu universala kongreso diversajn paroladetojn. Ĉiu pledis per sia profesio : do pastro, ke Esp. estas nepre necesa por pastroj, oficiro ke por oficiroj, komercisto ke komercistoj lernu Esperanton ktp. kaj poste mi parolis : Mi opinias ke Esperanton plej necese devas lerni la Esperantistoj mem ! ... kion kvitancis la kongreso per granda aplaŭdo.«

Sinjoro Kabe estas tiel diskreta ne demandi min pri la hodiaŭa stato koncerne la perfektecon de niaj karaj samideanoj. Ho, tiuj »verduloj« ! Kabe komencas rakonti pri la strangeco de la tipoj, kiaj amase svarmas en nia movado. Sed poste li denove interrompas.

»Sed kial mi rakontu al vi tiajn malkuraĝigajn aferojn ? Mi ja estas ne plu Esperantisto, eĉ kontraŭulo via ! Tamen, kara sinjoro, mi ne volas malhelpi la Esperantistojn : batalu por via afero !« li diras kun ĝentila gesto.

Iam venos, li pensas, nova geniulo, kiu kreos la veran solvon de la lingvo-problemo. Esperanto ja ne estas tiu ĉi solvo. Eble ĝi — tiu mistera plej logika kaj internacia lingvo — venos baldaŭ, eble post 100 jaroj, ĉu li scias ? Sed Esperanto ...

Tamen, ne malkuraĝiĝu, diras la kontraŭulo Kabe en la jaro 1931, batalu por via afero, Esperantistoj ! ..

Kaj ... *Esperanton plej necese devas lerni la Esperantistoj mem !* — li diris en la jaro 1906 ... !

Dum la pluvo torente fluas, fulmoj de tempo al tempo heligas la krepuskan ĉambron, ni parolas pri la malnovaj pioniroj. La Majstro ...

»Jes, se oni prenas la unuan broŝureton de Zamenhof kaj trafoliumas ĝin, oni konstatas facile, kiom da laborego kaj talento de plej diversaj stilistoj estis necesa por krei la lingvon envere. Zamenhof toleris ĉiujn disputojn pri lingvaj demandoj ... cetere laŭ mia opinio la tuta lingvo por li estis nur rimedo. Por Zamenhof — kaj mi tre bone lin konis — ĉiam estis grava nur la ideo, tiu lia homaranismo ĉion alian li toleris, ĉar li devis ... Kiel stilisto li estis bonega, ĉar li havis lingvon eksterordinare simplan ... «

»Kaj Grabowski ?«

»Mi konis lin bonege. Li havis tiun mankon, ke ĉio kio estis skribita, estis por li sankta. Se li ekzemple pli poste konstatis. ke ĝi estis malbona aŭ erara, li ne povis decidiĝi ŝanĝi ĝin ... «

»Kaj vi jam ne ĝisvivis la tradukon de Pan Tadeusz ?«

»Ne, tiam mi ne estis plu Esperantisto, tamen mi ricevis la libron kaj havas ĝin. Grabowski ĉiam havis jam la ideon, traduki sian amatan Sinjoron Tadeon. Tio estis ja freneza laboro, des pli ke Grabowski treege fajlis kaj tre precize tradukis, ĉiun vorton pripensis ... «

»Kion vi pensas ĝenerale pri la Esperantaj poetoj ? Mi bedaŭras ekzemple ke vi ne konas niajn nunajn hungarajn poetojn — «

»La poetoj ?« ekparolas Kabe tre vigle, »La poetoj — mi nun parolas de via Esperanta vidpunkto — tio estas danĝeraj homoj por la lingvo — tre danĝeraj ! Ili permesas al si plej diversajn formojn, kiuj ne sekvas ofte ĝustajn regulojn de la gramatiko. Ĉu oni ne povas verki senerare ?«

»Mi ne konsentas,« mi diras, »mi ne trovis en la nuna poezio tiajn erarojn, pri kiuj vi parolas — «

»Sed tio ĉi estas ja tute komprenebla, ke la poetoj povas permesi al si diversajn »liberecojn« ... «

Kaj post mallonga paŭzo de pripenso li aldonas : »Ĉu vi scias, sinjoro, se mi estus tia via komisaro, mi entute malpermesus tiujn poetojn ! ... «

Mi ne scias, ĉu li diras tion ŝerce aŭ serioze. Mi rakontas al li pri la hodiaŭa Esperanta literaturo. La lingvo progresis de la jaro 1910. La libro de la jaro 1931 estas skribita en alia evoluinta lingvo. Volonte li akceptos min denove, volonte li orientiĝos en la lingvo de la nuntempo kaj tralegos iun originalan novan verkon kun plezuro ...

»Ho, Kabe, Kabe, Kabe ! Ni lernis de vi lernantknabe kuiri en la stilretorto ! Kaj nun vi miros gape, strabe pri nuna Esperanta vorto !« mi murmuras paŝante malsupren la ŝtuparon. La duhora diskutado pri lingvaj demandoj, kiujn mi bedaŭrinde ne povas ĉi tie citi, ankoraŭ zumas en miaj oreloj !

Li — tion mi sentas en mia subkonscio — ne revenos plu al ni. Eble kiam Esperanto eksonos en ĉiuj lernejoj, kiam Ligo de Nacioj diskutos nur en Esperanto, ĉu mi scias .. ?

Mi nenion scias. Mi nur scias, ke la torenta pluvo malsekigas min ĝisharte en tiu ĉi memorinda vespero, kiam mi havis la aŭdace-pekan ideon intervjui lin, tiun unikan eminentulon, kiu restis mortkuŝanta sur la verda batalkampo ... !

*E. J. F.*

## Kanto de sabata vespero

**Juljan Tuwim**

Hej, disportos sin eĥo tra la placo granda,
Dum el gorĝ' mia ŝprucos vera kant' ebria !
En drinkejon mi iros al diboĉo branda
Kaj per grog' ebriiĝos, kiel best' rabia !

Mi en tablon ekbatos — ke diablo veu —
Ĉar mi gajon bezonas en ĉi-temp' mizera !
Laborfino ! Libero ! En mansard' pereu
Infanaro rakita de deven mistera !

Mi disrompos la glasojn kaj kun larĝa koro
Pro la glasoj mi pagos ! Ja mi rajtas rompi !
Ja mi povas akiri pro la pena laboro
Dudek kvar amatinojn, kiuj scias trompi !

Mi disrompos la glasojn kaj animon igos
Ĝis mateno diboĉi, ĉar liber' estas mia !
El drinkej' mi eliros — manojn enpoŝigos —
Kaj malsobra ruliĝos tra la strat' ebria.

El la pola : *I. Lejzerowicz.*

# Terura vizito en nia Redaktejo



La Esperantisto, vojaĝante al la Krakova Kongreso, kompreneble per la plej moderna komunikilo — stratosfera balono — ekvidis en la kapturna alto grandegajn lumliterojn : Literatura Mondo !

*Ho*, Budapest, Literatura Mondo, Baghy, Kalocsay, Observo, Lici, Darfi, Durfi, li ekkriis, kaj kun subita decido li ekturnis la klapon. La gaso, sss, siblante elkuregis kaj jen la vojaĝanto jam staris sur la glata tegmento de la redakta domo. Ankoraŭ li sentis la trafluon de la pensokurentoj el la tuta mondo kaj en la elektra kurento de la centriĝintaj homaj pensoj unu vorto vibris, tremis kaj flamis : ESPERANTO !

La vagabondo deiris la ŝtuparon kaj haltis antaŭ blanka pordo. Li iomete spiregis, li estis laca kaj antaŭ liaj okuloj saltadis oraj literoj : Redaktejo. Li premis la sonorilon sed ektiminte li retiris sin, ĉar la sonorilo tinte ekparolis : »Envenu, sed viajn ŝuojn kaj manuskriptojn lasu ekstere !« La vagabondo kun rapida movo englutis la manuskripton de sia poemo kaj enpaŝis.

Blanka, vasta antaŭĉambro. Multaj pordoj. Silento. Tra la antaŭĉambro flirtadas palaj, ombrosimilaj estajoj.

Mute ili malaperas malantaŭ la pordoj. En la manoj: paperkorboj. El la paperkorboj pendas sangaj ĉifonoj de manuskriptoj. En la vejno de la vagabondo frostiĝis la sango . . .

— Kiu vi estas kaj kion vi deziras ? — demandis altfigura viro.

— Mi estas la Esperantisto kaj mia sola deziro ververe vidi **Ilin.**

— Kiujn ?

— La Redaktorojn.

— Ho ! Vi estas la Esperantisto ? — la parolo de la Servisto vekis malbonajn supozojn en la vagabondo kaj dume tra la antaŭĉambro silente kuradis la ombroj kun la paperkorboj, el kiuj elpendis lamaj, kriplaj rimoj kaj strabaj parafrazoj.

La Servisto mansignis kaj du malmolaj manoj enirigis la vagabondon. La vojaĝinto de la stratosfero nek vidis, nek aŭdis dum kelkaj minutoj, poste li trovis sin en senfine longa, hela ĉambrego. En la aero naĝadis zigzaga muziko de misteraj poemoj. La vagabondo staris antaŭ viglokula, senhara, alta viro.

— Kiu vi estas ? — demandis la mokvizaĝa homo, kiu dum la tempo de la demando esperantigis la tutan »Infero«-n de Dante.

— Mi estas la Esperantisto, — respondis la senkulpa kompatindulo kaj dume la Viglulo esperantigis la »Mahabrarata«-n. — Sed vi, sed vi estas certe Kolomano Kalocsay

— Jes ! — diris la Viglulo, kiu dume jam fintradukis la »Aeneis« verkis vastan volumon da originalaj poemoj kaj jam atakis la »Orlando Furioso«-n — sed vi, ĉu vi estas la Esperantisto ? . . . Ne, mia amiko, vi eraras . . .

— Sed . . . balbutis la vagabondo.

— Vi devas paŝadi kun la epoko — diris la Viglulo, kiu tradukis dume la tutan poemaron de iu embrio, naskiĝonta nur post ok monatoj. (Ĝi estas la plej sensacia verko en la mondo.) — Vi ne scias, kio estas la rapideco ! Via nomo eĉ ne eldireblas. Bodo venu kaj plenumu vian devon.

Blonda junulo antaŭenpaŝis. Sur lia vizaĝo sidis larĝa rideto.

— Vi ne devas timi — li diris, — nur eta operacio . . .

Oni ekprenis la viktimon, kuŝigis lin sur blankan liton. La mondo ekturniĝis ĉirkaŭ li. Sed tamen li vidis kaj klopodis vidi ĉion. En la angulo bataladis malgrasa, sovaĝaspekta, borokula, nigra viro. Sur la maldekstra mano estis boksganto, en la dekstra mano estis giganta fontoplumo. Lian malhelan hararon flirtigis la vento de rimventilatoro.

— Hura ! — li kriegis — Mi estas ! Mi estas Julio Baghy !

Antaŭ li kuŝadis, svarmis malhela, humila amaso.

— Hura ! — kriegis la amaso — Mi estas Julio Baghy.

— Terure ! — diris la vagabondo sur la operacilito. — Ĉu ili ĉiuj estas Julio Baghy ?

— Sed ne — ridetis Bodó — ili estas la adeptoj, kiuj adoras lin kaj laŭvorte lernas la doktrinojn de la Majstro.

Julio Baghy insultis, batis, surkriegis la adorantojn, kiuj humile reinsultis lin.

Intertempe aperis dek libroj de Kalocsay, du grandaj romanoj de Baghy . . . La agministro funkciis aŭtomate. Enruliĝis aŭtomato, spegulaparato, sur la supro staris fantazie longa junulo. Kalocsay turnadis la aparaton kaj jen la junulo jam staris super la domo. Bodó kaj Kalocsay esploradis la spegulaparton. Bodó revenis.

— Kio ? Kio ? — demandis la vagabondo, kiun la narkoto ne povis venki pro la ekscitiĝo.

— Li estas Parvus Piscis, la redakteja periskopo. Li nun staras super la domo kaj observadas la mondliteraturan situacion.

En alia angulo staris belega venecia tualetspegulo. Antaŭ li sidis neimageble simpatia viro kaj ŝminkis sin. Li gluis al si blankajn brovojn kaj sur unu orelo jam estis fiksita la perukbarbo, kiu atingis la teron. Nun ektintis la telefono. —

— Oni petas s-ron Szilagyi, — diris la servisto.

— Ĉu vi volas monon — estis aŭdeble — ĉu estis,

ĉu ne estis, eble trans la fabelmaro estis homo, li havis monon. Sed li certe ne estis mi.

— Ĉu li freneziĝis? — demandis la vagabondo, kiu ne estis tute objektiva viro.

— Ne, li estas la redakcia fabelavo, — diris afable Bodó, kiu preparis operaciilojn, akrigis tranĉilojn.

Oni residigis Fabelavon.

— Laboru — kriegis Julio Baghy, — tuj estos gazetfermo.

Fabelavo eklaboris: Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la fabelmaro estis antipatia eta gazetfermo . . .

La vagabondo jam pli frue vidis strangan figuron.

— Ho, rigardu, li estas la Miki-muso.

— Ne, li estas la agministro, la Lertulo, kiu estas ĉie. Nur perforte oni povas bridi lian agemon. Li estas ĉie, kie li devas kaj ne devas esti.

Miki kuradis tien kaj reen, tondis la harojn de Julio Baghy, limigis la nombrojn de Kalocsay-verkoj, helpis al li levi la periskopon, viŝis la nazon de Fabelavo kaj iomete malakrigis la tro akrajn operaciilojn je la ĉagreno de la mildkora Bodó; importis, eksportis, parolis, kuris, per unu vorto li agadis. Li estis amiko Bleier.

La servisto denove aperis. En la manoj li tenis grandegan korbon. El la korbo elpendis du maldikegaj kruroj. La korbo estis plena de libroj. La servisto estis konsternita.

— Mi tute ne komprenas, sinjoroj, kio okazis al s-ro Totsche. Hieraŭ li enrampis la analizan korbon kaj de tiam li ne vivsignas.

Bodó kuregis tien. Ĉiu konsterniĝis. Oni fortostreĉe eltrenadis la palan, rompiĝeman korpon de L. Totsche. En liaj manoj estis granda libro, kiun li konvulsie premis. Liaj okuloj vitre fiksiĝis al la libro. Terura vidaĵo li estis. Ĉu eble li dormas?

La pastrovoĉa Parvus Piscis konstatis:

— Kiel Jesuo dirus: la knabeto ne dormas, nur li mortis.

Bodó ploregis:

— Mia amata amiko! Ĉu vere vi mortis?

Szilagyi diris:

— Kiel ĉarma, eta kadavro. Ĉu estis, ĉu ne estis . .

Oni volis insulti lin. La agministro ekkriegis:

— Grandiozan numeron ni faros por la memoro de la kadavro! Vivu, Totsche!

— Jes! — diris Kalocsay — jen la memorpoemo:

## Ludoviko Totsche

K. Kalocsay

*Li ja june staris jam sur pinto,*
*Banis sin en fremda ŝvit' diboĉe.*
*Eksilentu, ho liuta tinto,*
*Car li, li kovriĝos perpioĉe —*
*Sub vualon nigran kaŝu vin do!*
*Plorrivero. Ĝema nokto. Kot'. Ĉe*
*Via tombo, mirta formotinto*
*Ni nin klinas, Ludoviko Totsche.*

Julio Baghy ploregis. Apenaŭ li povis paroli pro la ploro:

— Jen la juna soldato! Jen la kadavro, kiu kadavriĝis dum la plenumo de sia devo. Lin sufokis la analizotaj libroj. Li mortis sur la batalkampo de la honoro!...

— Tamen estas aroganteco, fari tiel grandan skandalon!

Neeble estas ĉi tie serioze labori! Ĉu vi freneziĝis? — opiniis la reviviĝinta kadavro, Ludoviko Totsche.

— Ĉu vi vivas? Domaĝe! — diris Kalocsay, transdonante la poemon al la agministro por flankenmeti. — Oni neniam povas scii . . .

— Sed kiu estas li? — demandis Totsche, kiu dume tute elrampis. — Kaj kial li kuŝas sur la operacitablo?

— Li? — Kalocsay indiferente gestis — li estas laŭdire la Esperantisto. Li estas tro longa. Mi mallongigos lin per simpla operacio. Poste li estos *Espisto.*

— Sed... Ne, ne... Atendu! Jes, mi jam rememoras. Eĉ per unu fingro ne tuŝu lin! — diris Totsche — Jes, mi jam vidis lin foje. Li estas la Esperantista Leganto.

Ekiĝis granda tumulto. Ĉiu kuregis al la vagabondo,

— Vi devas nur min legi! ...

— Ne devas, sed licas.

— Ne licas, sed darfas! —

— Egale, ĉu darfas, ĉu licas, nur aĉetu! — kriis la agministro.

— Ĉu estas permesate iom ekspiri? — ĝemis la Esperantisto.

— Ne, libere ekspiri ĉi tie neniu rajtas! — kriegis la ĥoro.

Do, kion fari, la vagabondo afable ekridetis kaj transprenis ĉion.

— Koran dankon! — li diris, — en mia kofreto estas miaj poemvolumoj. Per ili mi povos vin rekompenci.

— Hah! Ĉu vi ne estas Leganto?

— Sed jes! Mi estas leganto de miaj propraj poemoj.

Neniiĝo. Rompiĝo. Bankroto. En ĉi tiu momento oni rimarkis la pentriston, Stefanon Barta, kiu dum la tuta tempo desegnis.

— Kion vi faras tie? — iu ekkriis, kaj alkurinte, ŝiris el lia mano blankan folion. Jen, sur ĝi paradis la tuta societo pentrita per galo.

Indigne tumultis la karikaturita societo ĉirkaŭ la kompatinda pentristo. Oni puŝis lin sur la plankon, kaj venĝis lin piedpreme. Ĉu li vivas, aŭ mortis? Ne certe ĝis nun. Sed se la afero finiĝos por li tragedie, oni ekscios tion en la sekva numero el la — jam farita — poemo de Kalocsay:

*Indigno murdis vin, pentristo arta,*
*June vi mortis, ho, Stefano Barta.*

**F. Szilágyi**



*Kanelba: Bretona virino*

# Kiel oni prunteprenas monon?

– Kornel Makuszynski –



Plej primitiva maniero por akiri monon — rimedo mizera kaj malcerta — estas la prunteprenado! Sed oni devas konfesi, ke la bezono, la patrino de l' eltrovaĵoj kaj onklino de l' kambioj, perfektigis la arton de l' pruntado al tia eksterordinara majstreco, ke oni miregas. Kaj tion, kion kapablis fari antaŭ la milito nur pentristo aŭ poeto, tion hodiaŭ kapablas fari ĉiu. Estus do naivegaĵo de mia flanko, se mi volus instrui la homojn, kiel oni pruntas de iu: oni ja same ne instruas botiston, kiel kudri botojn, nek fraŭlinon oni instruas, kiel kisadi, nek magistraton pri la arto, kiel gvidi teatron — ĝis bankroto. Sed estas mia devo instrui la homojn, kiel ŝirmi kaj protekti sin kontraŭ tiu, kiu prunteprenas, kaj noti la plej karakterizajn manierojn, ruzajn kaj bonege elpensitajn, kiajn praktikadas la pruntantoj. Por citi nur milonan parton de tiuj manieroj, oni devus plenskribi multege da papero kaj dediĉi sian duonan vivon; oni do povas rigardi tiun interesan kampon de l' fenomena homa eltrovemo nur el la perspektivo de ĉiela birdo.

Unuaranga kontraŭ-rimedo kontraŭ la pruntado estas la inversa metodo: ĉu vi bezonas aŭ ne, tute egale, prunte petu de ĉiu konato, kiun vi renkontas, monon. Kompreneble, vi ne sukcesos, ĉar neniu pruntedonos, sed rapide evitos vin eĉ tiuj, kiuj havis certajn ŝancojn ricevi prunton de vi. Tio estas certa metodo, kiun oni povus nomi »antaŭgarda inokulo.«

Unua kondiĉo por ne »viktimiĝi« facilanime kaj nesaveble, estas ĝenerala malfidado. Oni hodiaŭtempe fidu nek la edzinon, nek boparencojn, nek amikojn kaj oni devas havi tiun neŝanĝeblan principon kredi, ke ĉiu videbla homo estas pruntema malamiko, ke ĉiu, kiu proksimiĝas, faras tion en plej malbona intenco. Plej danĝera estas tiu homo, kiu penas peti vin, ke li povu paroli kun vi du minutojn aparte de la aliaj homoj. Ke la dia mano gardu vin, por ke vi ne lasu vin persvadi al tia afero!

Kiam en tiuj ĉi tempoj iu ajn proksimiĝas al vi kun afabla rideto — atentegu! Intensigu vian inteligenton, streĉu vian singardon kiel tendenon de arko; malgraŭ ke li komencus paroli pri filozofio, ke li deklamus poemojn, ne fidu lin, ĉar subite, tute neatendite, kiel serpento el inter floroj elŝovas sin la peto pri monprunto. Plej bone, kompreneble, estas antaŭveni lin, kio tamen ne ĉiam prosperas, ĉar tia homo havas eksterordinarajn manierojn por luli vian atenton kaj en via spirito — ja ne tro divenema jam — krei ĥaoson kaj tute paralizi ĝin.

Kontraŭ tiuj teruraj ruzuloj estas unu konsilo; portu la monon ĉiam en poŝeto de via veŝto, kaj en via paperujo havu vizitkartojn, gazet-eltranĉaĵojn, kuracistajn receptojn, nepagitajn fakturojn, geedziĝan dokumenton, mortateston de iu onklino kaj malnovajn kino-biletojn. La peton pri prunto neniam rifuzu — kial fari al si malamikon? — sed ridetante dolore kaj bonvole, preskaŭ kore, elpoŝigu vian paperujon kaj kiel amanto malfermas sian koron antaŭ amatino, tiel vi montru ĝian malĝojan internon al tiu, kiu volas prunteprenі. Tiu ĉi maniero estas tiel genia, ke iam iu sinjoro en tia maniero sukcesis erarigi eĉ sian edzinon!

Unu el la pli danĝeraj metodoj, kontraŭ kiu oni treege gardu sin, estas metodo tute inversa, elpensita de la pruntemuloj. Tio estas metodo de kompleta blindigado-trompado de la viktimo; do la atakanto alpaŝas la viktimon kaj enpoŝigante sian manon kun tia gesto, kvazaŭ li volus eltiri sian monujon, petas la viktimon ĝentile:

— Ĉu vi povus ŝanĝi al mi cent zlotojn?

— Tre volonte — respondas la malsaĝa viktimo.

Kio plu okazas, ĉiu facile komprenas. Homo, kiu tiel facile perfidas sin per la konfeso, ke li posedas tian grandegan sumon, ne indas pli bonan sorton.

Ĉu tie aŭ aliloke, oni neniam montru monon; kiam en pli granda societo estas pagota fakturo, havu (kiel ĉe fervoja giĉeto) jam preta la vin koncernontan parton, ĉar oni ja ne povas imagi, ke en pli granda societo ne trovus sin ĝentilulo, kiu tuj prunte donus la necesan sumon.

En la interparolado kun via proksimulo dum la nunaj tempoj ĉiam aperas tiaj frazoj, kiu al sperta homo ŝajnas similaj al signaloj kaj sonoriloj alarmaj. Kiam ekzemple la proksimulo post duonhora sensenca babilado subite diras:

— Sed bonege bonege vi ja aspektas, mia kara!

Aŭ same:

— Ĉu vi rimarkas, kiel ĉiuj virinoj ridetas al vi!




*Witold Wojtkiewicz: Aktorino*

Aŭ ankoraŭ pli ruze:

— Via edzino, kara sinjoro, aspektas — mi certigas! — kiel juna fraŭlino...

Tiam savu vin, hometo! Tio estas muzika akompano, tio estas parolo *ad captandam benevolentiam*, tio estas malŝlosilo al via koro, tio estas jam unu finigro en via poŝo.

Evitu do korajn interparolojn, precipe sur la strato, tiajn, kiaj komenciĝas per: »jam de longa tempo ne vidis!« — »mia Dio, kiel la tempo kuregas!« — »kia agrabla renkonto!« — ĉu miaj okuloj ne eraras?!«

Tiajn malicajn kaj ruzajn metodojn praktikas lerte nur malnovaj kaj spertaj pruntemuloj. La amaso de malspertuloj estas malpli danĝera, pli malkara kaj pli facile oni povas sin gardi kontraŭ ĝi. Ŝarko, kiu volas pruntepreni, ne facile estas ekkonebla, ĉar tia ŝarkulo antaŭ ĉio montras tian mienon, kvazaŭ li ne volus preni de vi, sed doni al vi. Sed tia malgranda ploto de du ĝis dek zlotoj, malfeliĉa kaj kompatiga, uzas metodojn, kiuj efektive ne pli valoras ol du zlotojn. Tia mizera malfeliĉulo estas ekkonebla per tio, ke li volas prunte preni ĉiam ĝis certa temp-limo, ĝis vendredo ekzemple — kaj ĉiam je »honora vorto.« Al tia malmulte sprita pruntulo ĉiam mankas »sep zlotoj kaj kvardek tri groŝoj« por aĉeti fervojan bileton; tia maltalenta ciganulo volas »sapumi viajn okulojn« kaj blufi vin per la precizeco de la postulata sumo. Nervoziga tipo estas tiu, kiu — ke li redonos — ĵuras je »la kapo de sia sola infano«, ĉar unue li ne havas infanon, kaj se li havus, la infano de tia sensprita patro ne havas kapon.

Tragikajn erarojn ĉe la diferencigado de la homoj, kiuj volas prunti, kaŭzas — la optika iluzio. Neniam vi ekpensos, ke volas prunte preni monon de vi homo posedanta — kiel vi bonege scias — bienon aŭ tri domojn! Ho, iluzio de iluzioj! Guste tiu homo estas pruntulo. Li certege venos al vi por prunte preni... Ankoraŭ li faros tion mallerte, ankoraŭ li ne scios majstre, sed li ellernos.

Tia homo meritas certajn konsiderojn...

Kiu ne prunte prenis ankoraŭ?! Ekzemplon donas plej supraj aŭtoritatoj.

Tia senlime agrabla kaj eleganta sinjoro, kia la financa ministro, parolas kun sinjorino Ameriko, turnadas siajn okulojn kaj diras: »ho, kiel bonege vi konservas vin, sinjorino! — »ĉu vi ne povus ŝanĝi al mi cent dolarojn?« — »sed eble vi permesos monopolan cigaredon? Eble la tutan monopolon?« — »Kosciuszko, tio estis homo!« — kaj aliajn tiajn profundsencajn aferojn, kaj kion li celas? Ke li nun sukcesu pri monprunto!

Oni ne instruas botiston kiel kudri botojn, nek fraŭlinon kiel kisadi ktp. — kaj la financan ministron oni ne instruas, kiel prunte preni monon. En li devus montriĝi la genio de l' nacio, kaj kiam montriĝos, ni prunte prenos de la tuta mondo sen tio, ke ĝi rimarkos tion.



# El la Krimeaj Sonetoj

*– Adam Miczkiewicz –*

## Mara silento

Apenaŭ tuŝas vento ŝipflagon karesblove,
Klar-brila akvo spiras mildbruste kaj trankvile,
Kiel la fianĉino feliĉa, ĝi, simile,
Vekiĝas por ĝemspiri, ekdormas tuj denove.

Kiel standardo laca post la batal', senmove
Sur nuda masto dormas la vel'; la ŝip' facile,
Kaj kvazaŭ ĉenfiksite balancas sin lulile.
Ŝipan' ripozas, ridas la pasaĝer' gajbrove

Ho maro! Inter viaj estaĵoj gajaj estas
Polipo, kiu dormas surfunde, se tempestas,
Sed dum silent sin movas, viktimojn ĉirkaŭbrakas

Ho pens'! En vi la hidro de la memoroj nestas.
Ĝi dormas, dum missorto, pasiaj fulmoj hakas,
Sed se la kor' trankvilas, ĝi unge ĝin atakas.

## Ŝipveturo

Ekmuĝas mar', flugsvarmas la marfantomoj ride, —
Hej, knaboj, al laboro! Ŝipan' ekgrimpas, pendas
En nevidebla reto, kaj kiel ŝtelatendas
Retvibron araneo, li streĉas sin rigide.

Vent', vent'! La ŝip' indignas. Eskapas ĝi senbride,
Subsaltas en ŝaŭmkirlon, la nukon lev-etendas,
Tretinte ondojn, flugas, per frunt' la nubojn fendas,
Flugiloj ĝiaj ŝvelas en ventoblov' avide.

Mia spirit' kun masto flugdancas tra l' ŝaŭmbolo,
Kaj mia fantazio, kiel la veloj ŝvelas,
Kun ŝipanar' jubila kunkrias mi sen volo.

Al ŝipo-brust' mi falas manleve, ho, ĝin pelas
Nun kvazaŭ mia koro por pli rapida flirto!
Nun konas mi la sorĉan facilon: esti birdo!

## Ventego

Ŝiriĝis vel', rompiĝis la direktil'. Tempesto!
Ekveas timo. Ĝemas pumpilo misaŭgura,
Ŝiriĝis el la manoj la lasta stumpo ŝnura,
Sangruĝa sun' subiras, kun ĝi: espera resto.

Venteg' triumfe hurlas, kaj sur la ondo-kresto,
Etaĝe leviĝanta el marĥaos' terura,
Ekiris al la ŝipo la mort', kiel al mura
Ruino la soldato kun sturm-ataka gesto.

Jen, iuj svenas, iuj mantorde ĝemas vorton,
Aŭ adiaŭbrakume sin tenas mortangore
Aŭ preĝas antaŭ morto, por peli for la morton.

Flanksidas pasaĝero, kaj pensas li dolore:
Feliĉa, kiu preĝas, kaj kiu perdas forton,
Kaj kiu havas iun por adiaŭi plore.

El la pola: *K. Kalocsay*

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

Al K. R. C. St. en London *(Anglujo): Kara amiko, responde al via letero mi rakontos al vi ion bagatelan el mia vivo.*

*Mi estis sesjara infano, kiam miaj gepatroj loĝis en la domo de eklezia sonorigisto. Li estis modesta hometo, en kies okuloj ekflamis iom da fiero, kiam li ekiris al la turo por plenumi sian devon : tiradi la ŝnuregon de la preĝeja sonorilo. Verdire, estas en tio io fierinda, ke je lia sonorigado la homoj ekatentas, pleniĝas per solenaj pensoj kaj turnas sin for de la tera unutoneco por refreŝiĝi, por ĉerpi novan forton el nevidebla fonto.*

*Kiam la sonorigisto prenis la ŝlosilon de la turo kaj leviĝis por foriri, ĉiam mi sentis fortan deziron akompani lin kaj helpi en la sonoriltirado, sed miaj gepatroj timante la altecon de la turo, la krutan ŝtuparon, neniam permesis al mi iri kun li. Mi estis iom obstine persistema. Iun tagon mi atendis la sonorigiston ĉe la enirejo de la turo kaj li bonvole, eble pro naiva vanteco, cedis al mia peto kaj enkondukis min en la mistikan duonhelon de la turo.*

*Ni ekiris supren, ĉiam pli supren kaj ŝajnis al mi, ke ni neniam atingos la sonorilejon. Tra iu fenestreto la sonorigisto montris al mi la panoramon de la urbeto kaj mi sentis sveneton pro la alteco, poste li montris al mi la sonorilon mem, kies grandeco vekis timon en mi.*

*— Nu, ektiru — li diris kaj donis ĝian ŝnuregon en miajn manojn.*

*Mi kroĉiĝis al la ŝnurego, fortostreĉe tiradis ĝin. La bronza monstro ekŝvingiĝis super mi, ĝia peza lango balancis sin, sed nenie tuŝis la sonorilrandon. Vana estis mia penado, la sonorilbuŝo restis muta. Ploreto kurbigis miajn lipojn. La sonorigisto bonkore konsolis min.*

*— Viran forton bezonas la sonoriltirado. Vi estas ankoraŭ juna knabeto. Iam ankaŭ vi tiel facile povos sonorigi, kiel mi — kaj kaptante la ŝnuregon li ekŝvingigis pli forte la bronzan monstron. La peza lango ĵetiĝis al ĝia rando kaj la unuaj sonoj tremigis min. Kun infana naiveco mi admiris tiun homon, la plej mirindan por mi, tiun sonorigiston.*

*Pasis jaroj. Mi estis dekkvar — aŭ dekkvinjara knabo, kiam en alia urbo mi havis la okazon viziti grandan turon, kies sonorilo multe superis en mezuro tiun de la urbeto. La sonorigisto, tre maljuna homo, klarigis al mi kaj al miaj kamaradoj pri la antikveco kaj historio de la sonorilo. Venis la tempo, kiam la sonorilo devis ekparoli. La maljunulo ekstaris sub ĝian kvintalan lagon kaj svingis ĝin dekstren — maldekstren kaj ni, knaboj, ektiris la ŝnuregojn. La giganta korpo ekmoviĝis kaj post longa momento ektondris la bronza tono. Certe mi havis iom da kontenteco kaj fiero. Miaj muskoloj streĉiĝis, miaj okuloj brilis kaj kontraŭvole mi komencis kompreni la signifon de la sonorilo. De post tiu tago ofte mi estis la helpanto de la maljuna sonorigisto en mia knabaĝo. Ĉu nur tiam? Nun ŝajnas al mi, ke ofte mi estas kunhelpanto de sonorigado, kiu vokas la homojn al solena laboro, al aktiva dankesprimo kaj... mi konfesas, ke en tiuj momentoj mi plene komprenas la fieran sintenadon de tiu urbeta sonorigisto.*

*Antaŭ du jaroj, dum la budapeŝta kongreso, vi vizitis min. Verŝajne junkora entuziasmo kondukis vin al mi por vidi unu el la sonorigistoj. Via tiama junaĝo en nia movado certe troigis mian gravecon. Por normaligi vian admiron kaj por zorgi pri eventuala posteulo mi instigis, kuraĝigis vin ekprovi la sonorigadon... Nu, vi alkroĉiĝis al la ŝnurego, sed tiam ankoraŭ via malforteco superis vian volon. Jen, hodiaŭ vi plenkreskis, viaj muskoloj fortikiĝis kaj mi kortuŝite aŭskultas vian sonorigadon... Forte, konvinke kaj beltinte sonas via bronzo.*

*Jes, mi scias, kion vi deziras diri. Via bronzo sonas alitone ol la mia. Vi estas sonorigisto de alia skolo, de alia mondpercepto, sed ne forgesu, ke ni estas en la sama tendaro, kiel du sonorigistoj en du preĝejoj de la sama urbo. Je la voko de niaj bronzoj la homoj ekiras sur diferencaj vojoj, sed al la* sama *celo por esprimi solenajn sentojn, pensojn... Frato, mi kore deziras, ke via sonorigado estu multe pli efika ol la mia kaj ke via bronza voko superu tiun de mia modesta sonorilo, ĉar nia celo estas la sama, nur la tonoj diferencas.*

Al A. H. en Brno (Moravio). *Via letero scivolas pri aŭtora sekreto. Ĉu la romanfiguro* Tamara *en »HURA!« estas ie aŭ estis iam vivanta? Ĉu la reala vivo povas prezenti tian delikatsentan knabinon, kia ŝi estas? — ĉar — mi uzas vian esprimon — »mi enamiĝis ŝin kaj mi dezirus trovi tian* **edzinon***«.*

*Legante viajn liniojn mi iomete dolore ridetis. Kiom da pesimismo, kiom da duboj venenis vian junan koron kaj tamen vi restas revema. Mi komprenas la dubojn, se mi lokiĝas min en vian aĝon. Tiutempe ankaŭ mi serĉis la simitulinojn de tiuj romanfiguroj, kiuj ravis mian fantazion. Neniam mi trovis ilin, sed iom post iom mi konvinkiĝis, ke la virino ĉiam havas nur tiom da valoro por la viro, kiom la viro volas aŭ povas ekvidi en ŝi. Pro tio okazas, ke ofte la plej delikatsenta virino ne trafas la guston de sia amato kaj pro tio kelkfoje surprizas nin, ke en dubvalora virina animo iu viro trovas orminejon. Tio estas misteraĵo de la vivo. La virino havas ĉiam tiom da realaj valoroj, kiom da iluzioj ŝi sukcesas veki en la viro kaj kiom da delikateco la viro povas sugesti al si pri ŝi. Tiamaniere naskiĝas la belaj mensogoj kaj efektivaj maljustaĵoj inter la geedzoj. Vera feliĉo regas nur tie, kie la fantazio kaj realeco kontentige egaliĝas... Tion mi trovis necesa antaŭdiri, por ke vi povu pli objektive juĝi pri la valoro de la romanfiguro Tamara.*

*Jes, ŝi vivis kaj mi esperas, ke ankaŭ hodiaŭ ŝi estas vivanta. Eble ŝi estas la sola figuro de la romano, kiun ne mia fantazio, sed la vivo kreis. Mia celo, per ŝia rolantigo, estis esprimi dankon al ŝi, kiu tiom ofte konsolis min per sia fratina simpatio en la pezaj kaj krizaj horoj de mia militkaptiteco. Kompreneble en la romano ŝia figuro havas alian rolon ol en la reala vivo, sed ĉio pura, ĉio delikata, milda, rezigna kaj sinofere heroa estas de la vivanta modelo. Antaŭ tri jaroj ni (mi kaj mia edzino) ricevis de ŝi la lastan leteron, sed mi esperas, ke ŝi vivas ankoraŭ por honeste edukigi siajn gefratojn kaj zorgi pri sia vidvina patrino... Kiu scias?* Mukden *estas tre malproksime kaj dum la lasta jardeko renversiĝis la mondo. Estu kiel ajn, en mia animo ŝi restas vivanta Tamara, kies memoron mi plilongigis per la kreo de la romanfiguro.*



St. Vispianski : *Aŭtoportreto*

## LA TRAGEDIO DE KORNIKO

*La dimanĉa enuo dormeme palpebrumis en la nervoj. Post la dumsemajna tien-reenkurado la vilaĝanoj retiriĝis en la malvarmetan duonhelon de la »pura« ĉambro. La festotaga anserrostaĵo bezonas trankvilajn digesthorojn.*

*Ho, benata dimanĉa enuo!*

*Sur la strato, antaŭ la domo, duonnudaj knaboj padelis la kotolageton. La infanpiedoj dancadis, knedis la malpuran akvon por amuziĝi kaj malvarmetiĝi. La somermeza dimanĉa enuo paralizis la petolan ludemon de la infanoj.*

*— Ni iru en la arbareton — proponis unu.*

*— Neeble! Antaŭ du tagoj mia paĉjo bastonadis min pro tio — la dua motivis la rifuzon.*

*— Tamen kolektadi ovetojn el la nestoj estus pli agrable ol bakiĝi sub la suno — opiniis la tria.*

*— Ne! Mi ne iras kolekti ovojn. Mia postaĵo ankoraŭ jukas pro la sala kartoĉo de la arbargardisto — protestis la kvara.*

*— Do, kion fari?*

*— Ni vetsputadu! Kiu plej malproksimen sputos, tiu gajnos.*

*Pro manko de pli amuza propono ili decidis favore por la vetsputado. Per stangeto unu faris longan linion en la polvo. Ĉiu staris al ĝi por komenci la ludon, kiam unu el ili ekkriis.*

*— Knaboj, ĉu vi vidis blankan kornikon?*

*— Ĉiu korniko estas nigra, ci, malsaĝulo!*

*— Malsaĝulo estas ci! Mia avo rakontis al mi, ke li iam vidis blankan kornikon kaj se ankaŭ vi volas vidi tian maloftaĵon, mi montros al vi.*

*— ? ? ? ! ! !*

*— Rigardu tien! Ĉu vi vidas tie sur la tria arbo de la aleo? Jes, tie... jes, tion, tion mi montras...*

*La scivolaj rigardoj direktiĝis al la montrita arbo, sur kies plej supra branĉo sidis ordinara korniko, nigra kiel la peĉo, kun brilo sur la plumaro. Ĝi banis sin en la sunoro.*

*— Mensogulo, ĝi estas nigra!*

*— Ĉu nigra? Venu ĉi tien! Rigardu de tie ĉi!*

*La knaboj ekkaŭris apud li kaj hore esprimis sian miron.*

*— Vere, ĝi estas blanka... Nu, ne tute, sed preskaŭ blanka... Helgriza. Rigardu, sur unu flugilo ĝi havas grandan blankan makulon!*

*Optika trompo petolis kaj la knaboj decidis konvinkiĝi pri la vero. Ili ekkuris al la aleo. Nur unu restis kaŭranta.*

*— Nu, ĝi estas nigra... nigra kiel ĉiu korniko.*

*— Ne, ne! Ĝi estas blankmakulita — asertis la kaŭranta knabo.*

*Kion fari? Estus plej bone kapti la kornikon. Sed kiel? Post momento aperis gumpafiloj, ŝtonĵetiloj el la poŝoj kaj la knaboj komencis sendi akrajn silikojn supren al la korniko. Ĉe la unua atako la birdo restis senmova, sed ĉe la dua pro ŝtontrafo ĝi malsupreniĝis kelkajn branĉojn.*

*— Ĝi estas nur nigra... simpla nigra korniko — seniluziiĝite konstatis la knaboj. Ili longe staris rigardante la birdon, kiu subite surteriĝis, lamante saltetadis en la densejon de siringaj arbetaĵoj. Sovaĝa venkokrio eliĝis el la gorĝoj kaj la knaboj atakis la arbetaĵon por kapti la malfeliĉan birdon. Ĝi malespere serĉis elirvojon, lametadis, saltadis por eviti la minace proksimiĝantajn manojn. La persekutado daŭris longajn minutojn, ĝis la ŝtontrafita korniko falis en la kruelajn infanmanojn.*

*— Nu, kion mi diris? Ĝi estas nigra, nur nigra... Mensogulo, mensogulo!*

*— Mi ne estas mensogulo — protestis la knabo — ankaŭ vi vidis ĝin blanka. Ĉu ne? Vi diris, ke ĝi havas blankan makulon sur la flugilo.*

*— Jes, sed tamen ĝi estas nigra... Tiel nigra kiel la aliaj kornikoj.*

*Subita kolero ekbolis en la knabo. Eble pro honto. Li elŝiris la birdon el la manoj de siaj kamaradoj kaj hejmenrapidis kun ĝi.*

*— Nu, se ĝi ne estas blanka, ĝi estos blanka, ĉar mi tiel volas — li rekriis al la aliaj.*

*Post dek minutoj li revenis kun la birdo, trempita en kalko.*

*— Jen, ĉu ĝi estas blanka korniko aŭ ne?*

*— Nun jes, nun ĝi estas blanka, tute blanka — konstatis ridegante la knaboj.*

*La torturata birdo subite elglitis el la tenantaj manoj kaj flugis ĝis la proksima arbosupro, plende dolore grakis, grakadis, skuis la plumaron, sed vane, ĉar la sunvarmo sekiĝis la blankan kalkon. La knaboj ridis, klopodis rekapti ĝin, sed la birdo baraktante flugis de arbo al arbo al la direkto de la proksima arbaro kaj tie... tie finiĝis ĝia tragedio: la nigraj kornikoj per bekfrapoj mortbatis ĝin... Impertinenta fremda birdo, kiu kuraĝis imiti nian grakadon!...*

*Sub arbo, ĉe vojrando kuŝis la birdokadavro kaj la noktŭ pluvo lavis de ĝi la falsan koloron, kiun malicaj manoj metis sur ĝin. De supre iom mirante, iom nekomprenante la misteraĵon la kornikofratoj rigardis ĝin... Strange, antaŭe ĝi ŝajnis tute blanka kaj nun ĝi similas al ni.*

*Ho, malbenata dimanĉa enuo!*

— — — — — — — — — — — — — —

*Mi ne scias kial, sed de jaroj tiu ĉi historieto venas en mian kapon, kiam mi vizitas la Universalan Kongreson. Ŝajnas al mi, ke tie unu el niaj eminentaj fratoj mankas nur pro tio, ĉar dum dimanĉa enuo pro trompa ŝajno subita kolero kalumnie ŝanĝis lian koloron... La tempo defrotis la falsan koloron kaj ni povas vidi, ke li havas fratan koloron... Mi ne scias kial, sed mia koro ĉiam doloras rememorante pri la kolorblindeco de miaj gefratoj.*

## Sort' min timigi jam povas nenia...

**— Juljusz Slowacki —**

Sort min timigi jam povas nenia,
Vojon helklaran ĝis fino mi trovas,
Krei, dolori — jen estas viv' mia,
Tion mi faras, kaj pli — mi ne povas.

Iam de amo feliĉaj roztagoj,
Torĉoj aŭroraj, ĉiela safiro...
Pli gravaj estas hodiaŭ la agoj,
Grandaj, malgajaj, kiel sunsubiro...

Ilin pripensos venonta viv-horo
Kaj liberigos alaŭdon-spiriton ;
Tiun alaŭdon helpu, Di-Sinjoro,
Gi flugu gaje en altan zeniton !

Tradukis : *Juljan Tuwim.*



# KINO

Redaktas: **Jan Forge-Fethke**

## INTER POLAJ FILMSTELOJ

En la polaj kinoteatroj la publiko amase premas sin antaŭ la kasoj, kiam la afiŝoj anoncas polan filmon kun pola aktoraro, *made in Poland!* Kio estas *Pola Negri* por la internacia filmujo, tio estas *Jadwiga Smosarska* por la enlanda filmo, kiu ĝis nun malofte elpaŝis el la limoj de sia patrujo. La teknika malperfekteco malhelpis multe. Tamen la pola aktora temperamento, la nacia ambicio, la fantaziemo de la polaj filmverkistoj ne ĉesis krei novajn kaj konstante pliboniĝantajn bildojn. Oni venigis Berlinajn fakulojn, por venki la teknikajn malfacilajojn, kaj hodiaŭ post multjara produktado la pola filmo akiris la nivelon de la eŭropa filmo! Filmoj — eĉ sonantaj kaj parolantaj! — kiel »Al Siberio«, »Janko muzikanto« laŭ Sienkiewicz-novelo, »Danĝera am-aventuro« tute ne malpli taŭgas ol eks erlandaj produktajoj .... kaj la geaktoroj en tiuj filmoj — — kia talento, kia talento!

Du el tiuj geaktoroj, eble la plej talentajn mi volas prezenti rapide al la tutmonda legantaro: *Boguslaw Samborski* kaj *Nora Ney!*

* * *

Kiam la servistino pordmalfermas al mi, larĝŝultra sinjoro kun pinta ruĝeta barbeto preterpasas ĵus en la koridoro kaj salutas min kun rideto: *la pola Jannings!*

»Mi ĵus revenis de lasta plenaero (sceno subĉiela) de la filmo, kiun oni nun turnas kun mi,« li rakontas, »estas historia filmo el la jaro 1906, mi ludas la rolon de rusa generalo Maksymowicz, sub kiun oni fine ĵetas bombon. Por la rolo mi speciale kreskigis al mi la barbeton ...«

Ankaŭ lia afabla edzino venas por saluti min. Ili tuj interesiĝas pri LM, kiun mi tenas en mia mano kaj volas ataki min per demandoj ... sed mi unue volas scii de Samborski, ĉu laŭ lia opinio oni povas jam paroli pri specife pola filmarto?

»Ne, iu aparta pola filmarto ĝis nun ne ekzistas ... eble —« li aldonas post mallonga paŭzo — »oni povus nomi tion karakteriza, ke la polaj filmoj grandparte pritraktas temojn de antaŭmilita politika subpremo de poloj en Rusujo. Arto estas la respeguliĝo de l' nacia vivo — estas kompreneble ke oni daŭre ankoraŭ rememoras la antaŭmilitajn rusajn tempojn — sed ŝajnas ke oni finos la serion de tiuj filmoj — espereble! Kiu filmrolo mia estis plej bona ĝis nun? Plej bona eble estis la »Policestro Tagiejew«, en kiu mi ludis kun Nora Ney kaj kiun filmon oni montris en Berlino kun granda sukceso, kiel vi ja scias. Ankaŭ la rolo en mia unua sonfilmo »Danĝera am-aventuro« kun Betty Amann estis granda sukceso. La filmo estas vendita en la tutan mondon. Tamen de artista vidpunkto mi estis plej bona en »Szlakiem Hanby« (Sur vojo de honto), kvankam la temo estis iom vulgara ...«

Ĉu vi ludis jam eksterlande?«

»Mi ludis lastfoje en Parizo ĉe Paramount. La amerikanoj havas en Joinville eksterordinarajn halojn, instalajojn, aparatojn, sed unu manko estas en la afero: *la amas-produktado!* Oni samtempe faras unu filmon en dekunu lingvoj. Ekzemple la »Danĝera Paradizo« estis turnata samtempe en du atelieroj por kvar lingvoj, nome sveda pola, germana kaj franca. Ekzemple la pola trupo laboris en unu ateliero dumtage, la sveda dumnokte, kaj simile la aliaj laboris. La lingvaj malfacilajoj sentiĝas ege. Kion oni faras, estas meĥanikiĝo de la arto! ..«

Kaj jen kiam ni diskutas pri la lingva ĥaoso, kiu nun regas en la film-laborejoj, ni jam alvenis ĉe la temo Esperanto. Samborski ofte jam aŭdis pri Esperanto kaj li nepre estas por ĝi. Li bonege memoras pri tio, ke liaj kolegoj — li estas teatra aktoro — ludis en Krakovo »Mazepa« de Slowacki en Esperanto ...






»Se oni iam povus apliki Esperanton por la parolanta filmo, tio estus bonega afero!« li diras. »Sed eble nun estas ankoraŭ iom tro frue, se oni rigardas ĝin de komerca vidpunkto. La tempoj estas ankaŭ nun treege krizaj

La pola filmo tre suferas pro manko de kapitalo, oni nunmomente turnas nur du filmojn en Varsovio. Mi bedaŭras tion pro tio, ĉar ni vere disponas pri bonega aktora materialo, pri talentaj reĝisoroj kaj — kion mi speciale akcentas! — pri vere bonaj filmscenarioj ..«

Samborski estas ano de la sonanta filmo, kiu laŭ lia opinio perfektiĝos kaj kontentigos ankaŭ la kontraŭulojn. Tio estas nur afero de la teknika progreso.

»Mi esperas ke la Esperantistoj mem faros baldaŭ siajn unuajn pli grandajn sonfilmojn, mi esperas kaj atendas tion — li diras kaj kore premas mian manon. Li, la pola Jannings, majstro de maskoj, talentulo de internacia formato, plej eminenta reprezentanto de la pola filmarto — Boguslaw Samborski — li estas varma amiko de nia afero. »Se oni nur enkondukus ĝin jam en la lernejojn!«

Per rapidaj paŝoj, kun ruĝa kostumo, blankaj gantoj, ĉokoladbruna haŭto, blankegaj dentoj eniras la oficejon de la *Leo-Film* simpatia, vigla, senafekta knabino: *Nora Ney!* Tiu sama, kiu tiel kruele mortigis la »Policestron Tagiejew« ...! Tiu sama, kiu rikoltis bonegajn kritikojn en eksterlando ...

Ŝi rakontas pri sia kariero, kiun ŝi komencis antaŭ kvin jaroj per la filmo »Ruĝa arlekeno«. Lastfoje ŝi ludis antaŭ nelonge en sia unua sonfilmo »Koro sur la strato«. Ŝi nenion volas diri kontraŭ la sonanta filmo, tamen ŝi preferas mutajn filmojn. La pola filmo troviĝas ankoraŭ en sia komenco, ŝi diras, kaj nun en speciale malfacila situacio. Tial ŝi havas ankaŭ la planon iri al la






Kurt Gerron — ***Aktoraj kapoj el novaj Ufa-filmoj*** — Siegfried Arno

scenejo en aŭtuno. Jam ŝi havas diversajn proponojn, kvankam ŝi ankoraŭ tute ne ludis sur scenejo ... Sed ŝi estas konata per siaj filmoj, ŝi ricevas amase leterojn el ĉiuj anguloj de Polujo kaj — ilin persone respondas! Kiaj strangaj kaj amuzaj tipoj ofte skribas al ŝi, efektive...! Esperanto? Ho, ŝi aŭdis jam pri ĝi, sed ĝis nun ne interesiĝis ... ĉu ĝi estas malfacila? Tute ne! mi rakontas, ke mi parolis en Varsovio kun knaboj el popollernejo, kiuj lernintE nur 4 monatojn jam bone babilis kun mi... Rava admir-krio elflugas el inter ŝiaj brilaj dentoj: »Efektive, tio ĉi estas ja terure lern-instiga... Mi petas vin, sinjoro, ke vi tuj parolu al mi en Esperanto ! Mi volus scii kiel ĝi sonas !«

Mi komencas deklami la »Vojon« ... Simile al stelo en nokta ĉielo ... Ŝi estas tute ravita pri la belsoneco de la lingvo. Ĝi taŭgus bonege kiel film-lingvo, ni konstatas ambaŭ, kaj ankaŭ kiel lingvo de la poetoj ... (»La lingvoj ĝenerale estas pli malpli fonogenaj,«) ŝi diras, »plej bone taŭgas la romanoj lingvoj, malmulte fonogena ŝajnas — bedaŭrinde ! — la bela pola lingvo. La sonfilmo bezonas nepre klaran lingvon, kia ŝajnas al mi esti Esperanto. Kaj samtempe — kiom da tempo kaj mono oni ŝparus, se oni povus jam turni nur en nacia lingvo por la enlando kaj Esperanta por la eksterlando...«

Nora Ney interesite aŭskultas mian paroladon pri Esperanto kaj la Krakova Kongreso, pri la unua parolfilmo Esperanta, kian oni prezentis en Oxford... kaj ŝi rimarkigas »ke neniel domaĝus se ni havus unu belan lingvon pli« ... Kiujn lingvojn ŝi scias?... la francan, germanan, rusan kaj polan...

»Kaj kion vi faros, se Esperantisto skribos al vi?« mi demandas ŝerce.

»Tiam mi rapide lernos Esperanton !« ŝi diras gaje kaj donas sian maneton por adiaŭo ... tiun saman, kiu tiel kruele mortigis la »Policestron Tagiejew« ...

*E. J. F.*

## Charlie Chaplin: City Lights

Kia! tiu eterna vagabondo kun la melonĉapelo kaj la bastoneto, tiu kompatinda ridindulo, tiel magie scias influi, ravi, entuziasmigi la tutan mondon, kiam li aperas sur la ekrano? Car li ridigas ĝis eksplodo tiujn, kiuj vidas en li la genian arlekenon, kaj — ĉar li emocias kaj kortuŝas tiujn, kiuj trovas ĉe li simbolojn kaj ideojn!

*City lights* (Lumoj de l' grandurbo) estas centprocenta Chaplinaĵo. Ne pro tio ke ĝia produktado daŭris du jarojn, sed precipe pro la simpleco kaj malkomplikiteco de la fabelo rakontanta pri tiu malbela »anserpaŝulo« Chaplin, kiu amas blindan florvendistinon — kompatindan knabinon, por kiu li oferas ĉion, al kiu li ebligas operacion kaj redonas la vidpovon — por fine ne esti rimarkata de la amata vidanta knabino... Ĉu fakte ŝi ne rimarkos kaj feliĉigos lin? Al tiu ĉi demando povas ĉiu respondi laŭplaĉe, la filmo mem ne respondas. La *happy end* estas duba. Apud tiu ofte kortuŝa ambistorio paralele okazadas alia rakonto pri drinkema milionulo, kiu en siaj ebriaj momentoj estas la plej bona kaj malavara amiko de la vagabondo. Inter tiuj du ĉefaj agadaj elementoj Chaplin amasigas aregon da groteskaj *gags*.

Chaplin — feliĉa sol-produktanto — elektas mem la variaĵojn de la ĉiam sama temo. Li estras majstre la movo-teknikon: ekz. kiel boksisto! La kapableco de la korpo-esprimo atingas altan gradon. La mimiko, la konvulsietoj de l' vizaĝo estas reduktataj al minimumo de preskaŭaj apudaĵoj. Trans pantomimo kaj akrobateco li kreas la percepton de la specife optika esprimeblo.

*City lights* estas muta filmo kun sinkronigita muziko, ofte tre ŝerca kaj groteska. Ekzemple la fajfilo-sceno. En nokta amuzejo, kiun li vizitas kun la milionulo, li englutas malgrandan signalfajfilon. La troa konsumado de vino kaŭzas daŭran singultadon kaj ĉe ĉiu rukto eliĝas akra fajftono el la buŝo de Chaplin. Per tio li malhelpas muzikan prezentadon. Li devas eliri. Dumvoje hundoj kredantaj, ke la fajfo estas destinita por ili, sekvas lin are... Aŭ tuj ĉe komenco: la solena malkovro de monumento — kaj la vagabondo dormanta en la sino de la statuo! Kia eksterordinare sprita muziko karakterizo de la festparoladantoj — bonega persiflado de la malbona parolfilmo!

Tio ĉi estas supozeble la lasta muta filmo de la granda Charlot. Charles Spencer Chaplin, produktanto kaj aŭtoro, reĝisoro kaj aktoro, amata de la tuta mondo, plej potenca kaj plej internacia reprezentanto de la naskiĝanta filmarto — nun staras antaŭ nova vojo, sur kiun puŝos lin la ne plu forigeblaj sonfilm-aparatoj, instalitaj en ĉiuj kinoteatroj de la mondo!

*Ŝ. C. H.*

# La rivaloj de la teatro

**— Ferenc Hont —**

Ĝis la invento de la preso oni konis nur tiun formon de la populara arto, en kiu la kunveninta publiko, samtempe kaj kune, senpere rigardis kaj aŭskultis la teatraĵon, la ceremonion, la muzikon, la fabelon, aŭ alian samnaturan produkton. Sed venis Gutenberg kaj la presita litero, la multobligo, kreis la novan formon de la kunveninta publiko, sed ĝi iris de mano al mano, de domo al domo, de urbo al urbo kaj parolis al disigita, sed nombre kreskinta amaso. Jam en la XVI-a centjaro ni renkontas la unuajn produktojn de la preso, la t. n. *flugfoliojn*, kiuj per bildoj kaj tekstoj sciigis la publikon pri la plej novaj, ĝenerale mirigaj okazoj. Tiuj

ĉi primitivaj praulој de la hodiaŭaj gazetoj interese prezentas tiun metamorfozon, kiun la disvastiĝo de la presita litero estigis en la pensmaniero de tiu ĉi disindividuiĝinta publiko, eĉ en la pensmaniero de la tuta homaro. Komence oni komentis nur kelkvorte la bildojn. Poste pli kaj pli malmultiĝas la bildoj kaj multiĝas la teksto. El la senpere travivanta, rigardanta kaj aŭskultanta publiko iom post iom evoluis la publiko leganta, kaj la kulturon vidan kaj aŭdan ĉiam pli subpremis la kulturo litera.

La kulturo litera kompreneble markis ankaŭ la teatran arton per sia sigelo. En la liturgiaj dramoj de la mezepoko la teksto estis ankoraŭ flanka faktoro, la granda parto de la publiko ja eĉ ne komprenis la latinajn vortojn. Sed dum la evoluo la teksto, la dramo fariĝis la plej grava faktoro de la Eŭropa teatra arto. En la XII-a centjaro ankoraŭ foje ekflagras ja la ekstrema kulto de l' *spektaklo*. Sed tiu ĉi ekflagro estas parte natura reakcio kaj parte la lasta resono de la mezepokaj spektaklaj ludoj. La konkeran vojon de la dramo, la reprezentanto de la koncepta kulturo, nun jam nenio povas malhelpi. La spektaklaj kaj muzikaj elementoj de la teatraĵo, eĉ se ne malaperas tute el la scenejo, tamen submetas sin al la superrego de la triumfe leviĝanta drama literaturo. Tiu ĉi superrego kulminis dum la fino de la pasinta centjaro, per la venko de la naturalista teatra arto, kiam la dramverkisto, aŭ lia reprezentanto, la dramaturgo, fariĝis absoluta estro de la naturalistaj scenejoj.

Sed la naturalistan, teatran arton, kiu iĝis simpla servisto de la literaturo, baldaŭ komencis ataki la stilizita teatra arto, kiu sin direktis al la muziko kaj figuranta arto. Samtempe kun tiu ĉi ekbatalo aperas nova popolara arto : la filmo. Ĝi disvastiĝis tiom rapidege kaj evoluis en tiel grandaj etapoj, ke ĉiam pli ofte aŭdiĝis la alarmkrio : finite pri la teatro ! Mortigas ĝin la filmo ! Hodiaŭ ni jam scias, ke la pesimistoj eraras, la filmo ne mortigis la teatron. Eĉ, laŭ multaj konsideroj, al la filmo ni povas danki, ke la teatro ne mortis. La filmo helpis venki la stilizajn klopodojn, kiuj denove remetis en iliajn malnovajn rajtojn la bildartajn kaj muzikajn elementojn de la teatra arto, kaj per tio ĉi ili liberigis la aktoron kaj scenejon el sub la absoluta estreco de dramverkisto. Se la filma arto, kiu estas grandpova reprezentanto de la vida kulturo, ne influus la vidmanieron de la publiko, se ĝi ne direktus la atenton de l' publiko al la muta parolo de l' objektoj, formoj kaj movoj, se ĝi ne farus evidenta la sekretan kontakton de la artoj videbla kaj aŭdebla per la uzo de l' akompana muziko, eble neniam naskiĝas tiu sceneja stilo, el kies eminentaj reprezentantoj sufiĉas citi la nomon de Reinhard. La publiko, la scenejtekniko, la arto de l' aktoro, kaj eĉ la dramo, evoluis, riĉiĝis sub la efiko de l' filmo. Komence la filmo imitis la teatron, poste la teatro imitis la filmon, fine ambaŭ trovis sian propran lingvon radike diferencan unu de la alia. Kaj hodiaŭ ni jam atingis, ke la teatra arto, same kiel la ceterajn artojn, ekuzas ankaŭ la filmon por siaj propraj celoj. La filmo estas same organika faktoro de la moderna teatra ludo, kiel ĉiu alia ingredienco de la sceneja arto.

En niaj tagoj rapidsekve naskiĝis ree novaj »rivaloj« de la teatra ludo : la radio, la fonofilmo kaj la kunkroĉo de ambaŭ, la radie perata fonofilmo. Inter teatraj kompetentuloj kompreneble ree aperis pesimistoj kaj ĉiam pli ofte ni aŭdas denove : Finite pri la teatro ! Mortigas ĝin la radio, la fonofilmo, la telehoro ! Mi renkontis eĉ tian aŭguron, kiu profetis, ke baldaŭ oni inventos la plastikan projekcion kaj tiam vere estos finite pri la teatro, ĉar ĉiu havos en sia ĉambro hejman scenejon, sur kiun la novspeca radioaparato alsorĉos la plej eminentajn aktorojn de la mondo, en plena vivgrando, plastike, kiel ili parolas, kantas, amas kaj mortas.

Mi opinias ke la pesimistoj eraras ankaŭ nun. La radio en sia hodiaŭa formo estas multe pli helpanto, ol rivalo. La radio popularigas la teatraĵon, ŝatigas ĝin por pli kaj pli grandaj amasoj, scivoligas la publikon, vekas ilian interesiĝon pri la reala aspekto de l' aktoroj kaj pri la vera scenejo. Sed per tio ĉi mi ne volas diri, ke la radio estas nur simpla propagandilo, kies sola celo kaj tasko estas eduki art-spertajn aŭskultantojn por la teatro. La radio nur nun, en la komenco de l' komencoj tenas kontakton kun la teatro, kiel ankaŭ la filmo nur komence imitis la teatron. Kaj tre verŝajne ankaŭ la radio evoluos aparta arto, post kiam ĝi influis kaj riĉigis la teatron, kiel ankaŭ la filmo faris tion. Inter la radio kaj teatro ni ja povas trovi jam nun gravajn diferencojn. La teatro, kiel ni jam diris supre, parolas al kolektiĝinta amaso, dum la radio al la amaso de l' opuloj, same kiel la gazeto. Kaj ĉiu homo, kiu sin okupas pri psihologio, scias ke la individuo en amaso sensas, reagas kaj agas alimaniere, ol la opulo. Sekve la arto, kiu parolas al kolektiĝinta amaso, devas esence diferenci de la arto, kiu parolas al opaj individuoj. La radio do nepre devas evolui arto diferenca de la teatra ludo.

Tio ĉi estas ankoraŭ pli valida pri la telehoro. Kaj cetere la televizora radio en sia hodiaŭ kunmeto vere ne kapablas kompensi la teatron. Kiuj vidis kaj aŭdis ĝin, tiuj diras ke tre strange kaj ridinde estis vidi, kiam aperis antaŭ ili la figuroj kelkcentimetre grandaj kaj ekparolis per kutima homa voĉo. Liliputanoj, kiuj kriegas per voĉo de gigantoj ! Sed supozante, ke tiun ĉi kontraston oni povas elimini kaj krome vere oni inventos la koloran kaj plastikan projekcion, eĉ tiam mi ne timas pri la teatro pro la telehoro. La solulo ankaŭ tiam sopiras la kunan ĝuon, same kiel nun. Oni alsorĉu ĉirkaŭ la radioabonanton, sin fermintan en sia hejmo, festan amason, en kiun li povas fandiĝi, entuziasmi kaj puriĝi, tiam eble ni povos paroli pri la vesperkrepusko de la teatra ludo. Sed ĝis tiam prefere mi povas pretendi de la telehoro, ke ĝi helpu al definitiva venko tiun ĝeneralan scenejartan klopodon, kiu volas la teatraĵon ĉiam pli profaniĝintan levi denove amasfesto.

La teatra ludo, altiĝanta je amasfesto, havas tiun leĝon ke inter la ludantoj kaj la publiko estiĝas senpera kontakto, ankaŭ la publiko partoprenas aktive en la teatra ludo, dum al la ludo de la fonofilmo la publiko ne povas kontaktiĝi. La fonofilmo restas por la publiko ĉiam nur artefarita artverko, teĥnika produktaĵo kaj neniam ĝi povos ŝanĝiĝi viva realaĵo. Ĝuste pro tio vane lernis paroli la filmo, la teatron ĝi ne povas mortigi. Ĉar la teatra ludo estas la sintezo de ĉiuj artoj kaj se naskiĝas nova arto, tiu maksimume riĉigas per freŝa koloro, aŭ transformas la teatran arton, sed ĝin ne pereigas, ne povas pereigi.

Ankaŭ la novaj popolartoj povas mortigi nur la malaktualan formon de la teatra arto. Sed el la cindroj de la hodiaŭa teatro en miloble pli brilaj koloroj revenas je vivo la nova teatro : la praa kaj eterna amasfesto.

*(K. B.)*



*Wladyslaw Jarocki : Reveno el preĝejo*



# OBSERVO

## LA 9-a P. E. N. KONGRESO EN HAGO KAJ AMSTERDAMO.

Antaŭ 12 jaroj s-rino *Dawson Scott* el Anglujo ekhavis la ideon fondi internacian literaturan klubon por pliyigligi la rilatojn inter diversnaciaj verkistoj kaj por tiel akceli la mondpaciĝon. Sentante, ke sola ŝi ne povos efektivigi sian idealon, ŝi direktis sin al sia mondfama samlandano *John Galsworthy*, petante lian helpon.

La rezultato de ilia laboro estas, ke nun jam pli ol 40 naciaj sekcioj estas membro de la internacia federacio de P. E. N. kluboj (Poets, Essayists, Novelists), kiuj krom naciaj, ĉiujare aranĝas ankaŭ internaciajn kongresojn.

Nunjare en Junio okazis la 9a kongreso en Nederlando. Multaj verkistoj kunvenis, el ĉiuj anguloj de l' mondo, inter ili la plej grandaj, kiel *John Galsworthy* (honora prezidanto), *Jacob Wassermann, Thomas Mann, Duhamel, Boutens.* Grandaj spiritoj renkontis sin, profundaj pensojn ili interŝanĝis, fajreroj de sprito flugis tien kaj reen.

En la granda mezepoka kavalirsalono, kie jam kunvenis tiom da internaciaj kongresoj, inter kies muroj oni diskutis jam pri mondregantaj problemoj, okazis la 22-an de Junio la malferma kunsido. La Ministro de Enlandaj Aferoj kaj Agrikulturo, Sro *Ruys de Beerenbrouck* kore bonvenigis la kongresanojn per interesa parolado. El liaj vortoj ni citu:

»... Oni ne povas imagi al si grupon da intelektuloj aŭ arte kreantaj personoj, kiuj pli forte influas la spiritojn, ol poetoj kaj prozistoj. Kion ili semas en la spiritojn, rikoltas ni, la politikistoj. Por la ideo de la mondpaco nenia laboro estas pli fruktodona ol tiu de via unuiĝo...«

Poste prenis la parolon unu el niaj plej grandaj poetoj, Dr. *P. C. Boutens*, kiu diris, ke la socia pozicio de la artistoj en la moderna tempo, kiu maŝinigas ĉion, kies tekniko forpuŝas centojn da laborantoj por la belo, fariĝas pli kaj pli soleca. Ĉar la spirito ne lasas sin egaligi, nek maŝinigi. Fakte la maŝinoj devus esti fonto de ĝojo, ĉar ili forprenas de ni multan neindan laboron, por ke ni povu gajni tempon por fari en pli alta plano noblan laboron, kaj li esperas ke nepre tian solvon en la estonto oni trovos, ĉar neniam la homaro povas kontentigi sin per la neperfekta.

*John Galsworthy* en la nomo de ĉiuj esprimis sian ĝojon pri la kunestado en tiu ĉi malgranda lando por kiu li sentas profundan estimon: »Se Dio kreis la mondon.« li diris, »la homo faris Nederlandon, kaj kiu povos diri, pensante pri la malfacilajoj, kiu el la du pli bone sukcesis?... En tempo, kiam oni ĝenerale klopodas egaligi ĉiujn formojn, estas freŝige esti en lando, kiu gardis siajn sferon kaj indecon, kiel viro devus gardi sian animon. La vigla individueco de Holando estas kiel insulo en la kreskanta maro de kosmopolismo.

Eble ŝajnas strangaj ĉi tiuj vortoj por membro de tiu ĉi unuiĝo, sed estas tre certe ke ni, anoj de la P. E. N. per naciismo kaj amo por la patrujo, serĉas efektivigi la idealon de internacia harmonio. Per la amo, kiun ni ĉiuj sentas por nia propra lando ni penas kompreni la amon, kiun aliaj devas senti por la sia. Tio estas la ĉenero inter ni ĉiuj...«

Kun la memoro pri tiuj ĉi lastaj vortoj oni kuraĝe komencis la laborkunsidojn dum kiuj la delegitoj prelegis pri la literaturo de sia lando kaj en la lasta kunsido mocioj estis akceptataj por progresigi la pacmovadon.

Plue la kongreso promesis kunlaboron, laŭ la peto de *s-ro Crèmieux* (Francujo) por la intenco de internacia eldonisto, kiu volas, per la helpo de ĉiuj P. E. N. kluboj de la mondo, kunmeti internacian bibliografion de literaturaj verkoj, kiu bibliografio verŝajne konsistos el tri volumoj.

Dum la unua vespera festo la fremduloj povis iom konatiĝi kun la arto de Nederlando kaj Nederlanda Okcidenta Hindujo. Oni prezentis fragmenton de teatrajo de *Herman Heyermans*: »En espero je beno« (Op hoop van zegen) kaj konata hinda dancartisto, *Jodjana* dancis kun »Gamelangmuziko«. Fine tri geverkistoj: Srino *Top Naeff*, Sroj *Herman Roelvink* kaj *Melis Stoke* ludis unuaktan teatrajon: »*Kloris kaj Roosje*.« Tiu teatrajo estas ĉiam okaze de la Nova Jaro ĉie en Nederlando prezentata kaj finiĝas per aktuala sprita bondeziro. Tiu bondeziro nun estis kompilita de la aktoroj mem ĉefe en la angla, franca, germana kaj nederlanda lingvoj, sed en la fino proksimume 30 lingvoj, inter ili Esperanto, estis miksitaj!

Gravaj, interesplenaj festoj estis ankaŭ la bankedo en Hago, kiun prezidis Sro Jan *Feith*, disdonante la parolon al 19 delegitoj, la vespermanĝo en Rotterdamo en unu el la novaj ŝipoj (Sibajak) de la trafikservo al Okcidenta Hindujo kaj la unika festo en Amsterdamo en la Regna Muzeo (Rijksmuzeum). Unika, ĉar nur tre malofte licas okupi tiun honoran salonon por festo, unika ankaŭ, ĉar la nederlandaj gastigantoj atendis la kongresanojn vestite laŭ la modo de la 17-a jarcento, kiel montras la konataj pentrajoj en kies mezo ili troviĝis.

La lastan tagon la eksterkandanoj povis ĝui vere holandan ekskurson: veturadon sur la »Zuiderzee« (La Enlanda Maro) en belega vetero sub brilanta suno. La nederlandanoj fieris montrante sian plej grandiozan




*Stryjenska: Krakoviako*

nacian laborentreprenon: la sekigon de 2400 km² da akvo, per kio nia homplena landeto gajnos novan provincon.

Dumvoje oni vizitis *Marken*, kiu fariĝis insulo en la 12a jarcento pro maratako, kaj kies izolitaj loĝantoj ĉiam konservis siajn mezepokajn vestojn, kaj domojn, sed parto da ili bedaŭrinde eĉ ne sciis pure konservi sian propran lingvon, parolante strangan miksajon de la nederlanda, franca, angla kaj germana; infanetoj almozpetantaj por esti fotografataj, pli aĝaj vendantaj senvalorajn kuriozaĵojn, aŭ logantaj la preterpasantojn en sian domon por admiri... kaj pripagi. Knabinoj flirtas kvazaŭ profesie kun iu ajn fremdulo... Tia povas esti la efiko de fremdultrafiko. Ili bone lernis de riĉaj amerikanoj kiel plej facile gajni monon! — Sed feliĉe, nur parto da ili. Unu el la eksterlandanoj nomis *Marken* trafe »*The National Park*« de Nederlando! Eble li ne tute malpravis.

Post la adiaŭa vespero en Amsterdamo la kongresanoj disiris kun la vortoj; »Ĝis la revido en Budapest«.

Kaj nun eble la esperantistaro scivolas pri la tie parolitaj lingvoj. Nu, kun la botokudoj ni povas diri: multaj, tre multaj! Sro *Jan Feith* (konata verkisto kaj ĵurnalisto), al kiu mi dankas multajn afablajn informojn, eĉ mem parolis kelkajn Esperantajn frazojn dum la vespermanĝo, kiun li prezidis; tamen ĝis nun li ne estas esperantisto.

Kvankam laŭ multaj certigoj la kongreso brile sukcesis, kvankam la granda nombro da lingvoj ne povis rompi la bonan humoron, mi kuraĝas supozi, ke enkonduko de Esperanto ankaŭ en tiujn kongresojn ne malbonefikus. Ĉu ne estus eble fondi ankaŭ Esperantan P. E. N. klubon kaj aliĝi al la federacio? Verŝajne la rilato inter la verkistoj nacilingvaj kaj la Esperantaj estus interesa kaj utila por ambaŭ flankoj. Ĉu eble la sekvantan jaron en Budapest partoprenos nova sekcio: la Plumklubo? Ekz: Per Literaturo Universala Mondpacon!

*May Bijleveld.*

LA XX-CENTJARA LITERATURO, kompare al la arta produkto de la antaŭaj jarcentoj, malgraŭ sporadaj provoj tempkoloraj, prezentas kaoson, nekarakterizeblan — pro manko de kritiko. Objektiva analizisto dronus en la varieco de la nuna verk-amaso, ne sukcesante atingi la celon de sia esploro, t. e. difini la artajn tendencojn de modernaj verkistoj. Ne pretaj akcepti, kion ili ne komprenas, la kritikistoj sin konsolas per la majstroverkoj de antaŭaj tempoj, kaj anstataŭ konfesi nekompetenton, ili asertas la dekadencon de la nuna kulturo, kaj, do, ankaŭ de la homa spirito. Cetere, la moderna kritiko abundas je antaŭjuĝoj kaj formulaj frazoj. Inter librobreto kaj skribotablo, la kritikisto-salajrulo ignoras vastajn horizontojn kaj la efektivan mondon.

La deveno de la dekadenco en la nuna literaturo estas facile komprenebla. La homa spirito — reprezentata de la artistoj — baraktas en nia jarcento sub la premo de ĝeneralaj faktoroj influantaj nian generacion: kapitalismo kaj ĝiaj sekvoj — milito kaj mizero; sporto kaj tekniko kaj iliaj sekvoj — brutigo kaj nervozigo de la homo.

Ĉar la plimulton de la verkistoj regas la principo: plaĉi — aperis romanoj kun aŭtoj kaj aeroplanoj. Fiakro kaj ĉevalo memorigas odoron de sterko, kiel aŭto kaj aeroplano tiun de benzino. La tuta noveco estas nur diferenco de koloro (bildo) kaj odoro.

Pri la klasika kulturo, fonto edifa por ĉiu artisto, la nuna generacio ne volas scii. Citaĵo, elvokanta parfumon de tempoj, kiam la homoj estis malpli urĝataj kaj pli meditemaj, neniom valoras, kompare al maldeca diraĵo, ĉiutaga — sed presita. Refoje la »nedisputendo pri koloro kaj gusto«, ĉar la postulatan eksciton oni ne plu serĉas en odoroj, sed — en alkoholo. Efektive, la romanoj kun koktajlo, kokaino, kanapoj, ktp. resumas la modernan vivon de certa homkategorio, sed ankaŭ stampas la dekadencon de la nuna spirito.

Kvar kategorioj de verkado superregas en la nuna literaturo: dokumenta, tendenca, amstuda kaj superreala. Inter tiuj vegetas, kelkfoje sukcese, verkoj pritraktantaj hejmburĝan, aŭ kamparan vivon; ilin mezriĉa kaj malriĉa legantrondoj preferas kiel tempopasigon.

Kiel ĝenerala tendenco, regas nuntempe — tiom ĉe verkisto, kiom ĉe leganto — la deziro: liberiĝi el la pezoleĝo, nun gluanta al la enuo de la aktualo. Tial plaĉas memoroj kaj biografioj, dum tendencverko estas ŝatata kvazaŭ pro devo, pli ol pro intereso. La tendencismo de Upton Sinclair eŝtas ŝajna, ĉar li nur resumas la fabelgigantan vivon de Usono, kiel Dante resumis tiun de la mezepoka vivo katolika.

La amon — eterne neelĉerpebla temfonto — funde pritraktas subitaj kompetentuloj, por priskribi suprajon, kiun eŭfemisme oni nomas *amour*. La ĉi-kategoria literaturo, ĉerpanta inspiron el la rondo de enuantaj senokupuloj, nur la perversismon de la sortfavoratoj maskas per la ĉiam sama nomo: amo. La kelkajn esceptojn superkonkuras brureklame imponantaj verkoj de tia speco.

Dume, kvazaŭ ignorante la ceteran homaron, la superrealistoj persiste kulturas sian sole novan arton. Nenion atentante, ĉion mokante, eĉ sin mem, ili provokas la okulojn de miranta »civitano«, kiu ne povas percepti, laŭ malrekta linio, eble, »virtan koron«, nek en apokalipsa frazo ian mistikan revelacion.

Tamen, el tiu »revolucia« arto, post disuzo de ĉiuj kapricoj infanaj, rezultos kompromiso inter fantaziado kaj kompreneblo, kiu liveros iam valorajn verkojn, esprimliberajn.

Jen kelkaj aspektoj, spegulantaj la eksterajn vivkondiĉojn. Rapidemo kaj dika libro malkonsentas. Tial aperas multaj libroj senenhavaj. Ĉar mankas kritiko direktanta la publik-preferon, bona kaj valora verko ofte pereas pro nedistingeblo inter libroamasoj. Kaj tial aĉetkriżo pro senreviĝo trafis ankaŭ la literaturon.

*M. Beraru.*



*Józef Helmonski: Paŝtisteto*

## POLAJ VERKISTOJ.

*Stanislaw Przybyszewski* longan tempon vivis en Germanujo kaj verkis siajn unuajn romanojn en germana lingvo. En sia speco li estas unika kiel malkovranto de la »nuda animo« ne evitanta la plej delikatajn temojn, pro kio li multe estis atakata de la kritiko. Parenca al la samtempulo Hans Heinz Ewers, li estas en la pola literaturo tiu »meteoro, kiu ekbrilas dum momento, timigas kaj teruras dum momento la homaron kaj poste subite malaperas . . . « kiel li mem diras en sia antaŭparolo al sia lasta romano »La krio«. Przybyszewski mortis en la jaro 1927, postlasante multajn romanojn kaj dramojn, el kiuj »La neĝo« estas tradukita Esperanten. Liaj verkoj estas tradukitaj en multajn lingvojn.

*Wlodzimierz Perzynsky* mortis antaŭ kelkaj jaroj. Li estas konata roman- kaj teatraj-verkisto, kiu bonege en siaj verkoj respegulas la vivon de la pola burĝa inteligentularo kaj precipe la vivon postmilitan de la grandurbo Varsovio. Liaj teatrajoj, ludataj sur ĉiuj polaj scenejoj kun granda sukceso, estas plejparte kvazaŭ surscenigoj de la nuna tempo kaj nunaj homoj, kiujn formas plastike lia iom satira viv-koncepto. Dum longa tempo li laboras kiel felietonisto, fulmpensa, humora kaj ironia verkisto, ĉiam aktuala kaj nuntempa. Kiel junulo li komencis per poemoj, en Parizo li lernis de la francaj verkistoj la arton verki kaj antaŭ ĉio »konstrui« teatraĵojn kaj romanojn, transiris poste al la verkado de la komedio, romano kaj satira felietono. Lia humora »botisto Impetulo« troviĝas en unua legolibro, uzata de multaj polaj gimnazioj.

*Kornel Makuszinski* estas tute unika stelo sur la firmamento de la hodiaŭa pola literaturo. Li estas poeto, kritikisto-felietonisto kaj humora romanverkisto, fama kaj konata tra tuta Polujo pro sia sprito kaj bonhumoro. Li estas ne nur bonega humoristo, observanta la hodiaŭan homon en ĝia ridinda agado, sed — kaj tio ŝajnas eble stranga — samtempe poeto, kiu estas malgaja, elmontranta ĉiujn profundajn kaj kaŝitajn dolorojn de la homa animo. Tiuj ĉi du tiel kontraŭaj elementoj, la gajo kaj malgajo kaŭzas, ke lia talento atingas ofte plej altajn suprojn de l' poezia animflugo, ke li sukcesas sub la masko de l' rido ĉie ekrimarki la kaŝitan larmon. La artikolo »Kiel oni prunteprenas monon? « montras la felietonistan talenton de la nun vivanta, eble plej vaste legata humoristo Makuszynski.

*Wladyslaw St. Reymont* akiris la Nobel-premion 1924 per sia romano »La kamparanoj«. Li estas unu el la plej gravaj reprezentantoj de la mondliteraturo, profunda konanto de la animo de l' pola kamparano, brila vortpentranto de la pola vilaĝo kaj pejzaĝo. Li konas ĉiujn ĝojojn kaj dolorojn, ĉiujn noblajn kaj malnoblajn instinktojn de la kamparana popolo, kies simplan dialektan lingvon — ofte malfacilege tradukeblan — li majstre uzas. »En aŭtuna nokto« estas unu el liaj kamparanaj noveloj, kiuj respegulas plej bone la vivon en la pola vilaĝo.

*Juljan Tuwim* estas la korifeo d ela moderna pola poetaro. Kio al ni esperantistoj, speciale imponas, estas la fakto, ke Juljan Tuwim estas mem esperantisto. Liaj esperantaj tradukoj el pola poezio estis antaŭ la milito tre ŝatataj. El ili ni prezentas kelkajn en nia nuna numero.



*Leon Vi Ulkobskj : Aŭtoportreto*

# D I S K U T O

## Priliteratura vidpunkto de leganto

Kun granda intereso mi legis en la unua numero de »Literatura Mondo« la intervjuon kun Jean FORGE, precipe la liniojn, kiuj temis pri la reciproka sinteno de la Esperanta popolo kaj niaj originalaj verkistoj. Car mi jam priatentis laŭ ĝenerala vidpunkto la literaturan demandon, mi riskas min ĉi sube skizi kelke da respondoj al la demandsignoj metitaj de FORGE.

La ŝatata aŭtoro de »Abismoj« ekkrias :

— Ni ne trotaksu la Esperantan popolon !

Konsentite : ĉiuj esperantistoj ne egale kapablas uzi, eĉ nur legi, la lingvon, precipe kiam temas pri artstilaj verkoj. Sed kiel tio aparte ĝenus la Esperantajn verkistojn ? Ĉu tio estas Esperanta apartaĵo ? Tute ne ! La samo okazas pri la nacilingva publiko, el kiu la ĉiunaciaj verkistoj pli-malpli sukcese penas akiri eventualajn legantojn. Ĉiu aŭtoro rajtas ja esperi, ke liajn verkojn legos tiuj legantoj, kiujn li meritas. Nenio pli. Do, ne tro taksu la esperantan popolon, sed ankaŭ ne mistaksu ĝin!

Nun, ni esploru la stilan demandon, troegan zorgon de niaj nuntempaj verkistoj, nome la junaj. Ĉu hazarde romano (ĉar temas pri tiaj literaturaĵoj) devas konsisti el ia pruvekzerco, per kiu la skribinto certigus sian lingvan lertecon aŭ sian kapablon forĝi novajn kaj »burĝmirigajn« radikojn, kiujn li bezonas aŭ, plejofte, imagas bezoni ? Certe ne, kaj mi kuraĝas aserti, ke male, tiu troatenta zorgo estas esence kontraŭa al la *vera* literaturo. Efektive, tre malofte ekestas la neceso krei vorton novan, krom teknikan : kaj, verkita en kia ajn lingvo, romano abunda je teknikaj aŭ tro specialaj vortoj aspektas malmulte laŭdinda. La samon mi diros pri kelkaj stilaj delikataĵoj, kiuj ne ĉie kaj sub ne ĉies plumo trovas sian ĝustan lokon. Ne forgesu niaj verkistoj, ke ĉiulingve, ankaŭ Esperante, la plej arta, la plej bela stilo estas la plej . . . simpla. Estu supera la penso, sed ĉiutagaj la vortoj, jen la literatura belo. Senpage mi donas la recepton (cetere malnovan), min apogante sur la ekzemplo de Zamenhof, Kabe, Grabowski, Edmond Privat, k. s., kiuj nerifuzeble restas ĝis nun stilistoj senegalaj.

Jen ĝenerala leĝo, kiu toleras nur tre maloftajn esceptojn Neniam stilrafineco sukcesis maski verkenhavan malriĉecon. Male, ĉi tiun lastan ĝi substrekas. Do, verkistoj, kvankam Esperanto malfermas antaŭ vi sennombrajn kaj allogajn lingvajn eblaĵojn, ne lasu vin tenti kaj precipe ne celu tro subtilan delikatecon, kiun ne postulas *nepre* la elektita temo. Ĉe tia okazo, antaŭ ol decidiĝi, esploru atente, ĉu tiun temon vi devas *nepre* elekti.

Poste, kiam vi faris jam vian decidon, kia ajn ĝi estos, ne pensu pri la publiko : la pripublika penso estas kateno al la inspiro, murdo al la talento. Kaj estu trankvilaj : spite al la recenzistoj, la publiko ĉiam scios el via verkaro ĉerpi sian ŝatajon. Prave aŭ malprave : tio ne koncernas vin.

Fine, mi transiru al la lasta demando :

— Kion verki ?

Ŝajnas ja facila la respondo: *Verku, kion vi sentas, ke malgraŭ ĉio vi devas esprimi...* Povos esti, ke vi ne sukcesos ĉefverkon, sed tiamaniere verkon interesan vi almenaŭ liveros. Ĝi estas rezultato sufiĉe konsiderinda, ĉar ne ĉiam atingita. Ankaŭ ne atentu pri tiu nekomprenebla konsilo, kiu mirigis min tuj kiam mi sufiĉe spertiĝis por senĝene legi Esperanton: ne pripensu, ke vi devas krei (aŭ provi krei) verkon indan de *vera tutmonda literaturo.* Intence mi substrekas. Kiom da abortoj tiu pripenso — terura, mi volonte konsentas — jam okazigis! Ne baraktu: vera internacia literaturo estiĝos mem, kiam veraj internaciaj interrilatoj de sufiĉe longa tempo ekzistos. Sed memoru, ke jam oni kalkulas ĉiulande plurajn internaciajn (almenaŭ eŭropajn) verkistojn, kies verkojn, kompreneble tradukitajn, oni legas tiom en alilandoj, kiom en ilia devenlando. El tiaj verkistoj — citi nomojn ŝajnas neutile — kelkaj esprimas ĝeneralajn sentojn aŭ ideojn, sed ne ĉiuj. Multaj pritraktas psikologiajn kazojn aŭ eĉ naciajn apartajojn. Tamen ili estas ĉie ŝatataj kaj tiel, tute ne antaŭpensinte tion, per reciproka interpenetrado ili kontribuas al la naskiĝo de tiu internacia mondliteraturo, kiun niaj antaŭuloj, altideale sed iom tro frue, postulis de la originalaj verkistoj tuj, kiam tiuj ĉi unuafoje prenis en manojn la Fundamenton — kiu tiam ne estis ankoraŭ netuŝebla. Dece komprenu: niajn pionirojn mi tute ne intencas primoki. Nur mi deziras faligi la baron, kiun bonintence, sed arbitre ili starigis transverse en la vojon de niaj kompatindaj originalaj verkistoj.

Resume, ke niaj verkistoj trankvilmense verku; kaj se ili mem opinias siajn verkojn ne indaj de la esperantistara ŝato, nu! ke ili traduku. Taŭga materialo ne mankas ĉiulande, kaj uzante ĝin oni estas preskaŭ certa prezenti valoran verkon. Jen ĉio, kion postulas ni, la esperantistoj, kiuj estas nek poetoj, nek akademianoj, nek eldonistoj, eĉ ne Esperantaj-recenzistoj, nur legantoj, dezirantaj, pere de Esperanto kaj kiel al ni promesis niaj varbintoj, konatiĝi kun la karakterizaj verkoj ĉiunaciaj — el kiuj konsistas por ni la ĝisnuna internacia literaturo.

Unuvorte, ĉu ne venis la tempo, ke Esperanto estu ne celo en si mem, sed perilo de kono kaj kulturo?

*Georges Avril.*

## Lici, darfi, durfi

Ĉar Zamenhof plene posedis kaj funde konis la germanan lingvon, tio estas tute senduba, ke li plene konscie kaj intence ne enkondukis en Esperanton radikojn respondantajn al la diferencaj germanaj vortoj: *mögen, dürfen, müssen, sollen.* Li opiniis, ke tiaj precizigoj kaj limigoj estas, laŭ praktika vidpunkto, malmulte utilaj kaj ke estas pli oportune, lasi al la radikoj POV kaj DEV pli larĝan signifon, kiel faris ĉiuj latinidaj lingvoj. Certo estas, ke la radiko LIC estas internacia, se oni devas atenti, ke ĝi devenas de la latina radiko LICERE, kiu ne signifas »esti ricevinta permeson«, kiel dürfen, sed »esti permesite«, same kiel en angla, franca, hispana kaj itala lingvoj la adjektivoj »licit, licite, licito, lecito«. Tial, se ni uzos la radikon LIC en la senco de la germana verbo *dürfen,* t. e. »esti ricevinta permeson«, kaj se ni diros, kiel faras s-ro Totsche: »se mi licas mencii nomon« (anstataŭ: »se licas al mi mencii«), ĉiuj, kiuj konas la latinan lingvon kaj ĉiuj latinidaj lingvanoj certe protestos, ĉar tia sencodekliniĝo ofendos ilian lingvan senton.

S-ro Totsche asertas, ke »oni certe sentas la mankon de mallonga vorto por la esprimo: »estas permesate«, sed multaj esperantistoj opinios, ke tia bezono pri mallongaj vortoj estas nura obeado al iu el tiuj personaj gustoj aŭ naciaj preferoj, per kiuj Zamenhof avertas, ke ni »neniam devas nin gvidi«, ĉar ili estas »tre malutilaj en tiel komuna afero, kiel la nia.« Rigardi kiel ekskluzivan devigan modelon la telegrafan stilon kaj aspiri, kvazaŭ al celinda idealo, al la plej mallongaj formoj kaj esprimoj, tio estas senbaza kaprico kaj danĝera eraro, tute kontraŭa al la fundamentaj principoj de nia lingvo. Zamenhof insiste kaj prave ripetis, ke plej esencaj kaj necesaj kvalitoj de lingvo internacia estas la facileco kaj la fleksebleco, sed neniam li konsideris kiel precipan kaj nepre celindan econ la mallongon de la vortoj kaj la malmulton de la siraboj. Mi ne bezonas kritiki la radikon DARF, ĉar S-ro Totsche mem argumentas kontraŭ ĝi, kaj mi konkludas: ni ne bezonas novan radikon; la tradukoj de la vorto *dürfen,* kiujn Zamenhof montras (»povi, rajte povi, havi permeson«) tute sufiĉas.

Ni memoru la trafajn parolojn de Sro P. Nylen: »Vorto, kiu estas specialaĵo de certa lingvo, vorto, kiun la parolantoj de tiu lingvo pensas nepre bezoni, sed kiun evitas la alilingvanoj, estas ĉiam dubinda. Tian vorton ni ne uzu en Esperanto, ĉar tia vorto kaj ĝia uzado estas naciismo, ne internaciismo. Tiujn naciismojn Zamenhof evitis pro vera sento pri la bezonoj kaj dezirindaj ecoj de lingvo internacia.

Ni neniel skribu tian Esperantan lingvon, kian nur ni mem komprenas, sed kiam la alinacianoj ne bone komprenos.«

*Prof. E. Grosjean-Maupin*
*Direktoro de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro*

—

Mi konsentas kun s-ro Totsche, ke la vortoj »darfi« kaj »durfi« ne konvenas al la Esperanta lingvo kun ĝia Romana karaktero. Plue ili neniel estas internaciaj sed nure germanlingvaj. Do ili jam komence estas eliminitaj, kaj restas nur »lici«, kiu tamen ankaŭ ne plene kontentigas.

Laŭ mia percepto tiuj vortoj, sur kiuj sin apogas la defendantoj de »lici«, havas en si ian sencon de *persona* agado ĉe la subjekto, t. e. al mia orelo sonas, kvazaŭ »lici« havus la signifon de »permesi=esti permes*anta*«, sed en Esperanto ĝi estas uzata kun la signifo de »esti permes*ata*«. Ekz. licenco = permeso, la angla »licenser« = iu, kiu donas licencon (permeson), kaj ne ni iras al la latina *nepersona* »licet«, ĝi havas la signifon: estas permesate (al), sekve mi povus aprobi »licas al mi« analogie al »plaĉas al mi«. Mi ja ne povas diri »mi plaĉas promeni« sed nur »plaĉas al mi promeni«, do mi ankaŭ diru »licas al mi promeni«, sed tiam mi egale bone povas diri »estas permesate al mi promeni«. Tamen ĉi tie ni ja volas krei mallongan, konvenan vorton, kun ĉiuj oportunaĵoj de la germana »darf«, la angla »may« kaj la sveda »far« k. c.

Ĝis nun mi nur kritikis la vortojn jam proponitajn, sed eble iu diras, ke mi mem proponu alian, pli taŭgan vorton. Estas prave, sed bedaŭrinde mi devas konfesi, ke tion mi ne povas fari. Tamen mi kaj amikoj miaj kutime uzas la vorton »rajti« en ĉi tiu senco. Verdire en vortaroj mi nur trovis la jenajn difinojn pri rajto: »Povo, pravigita de la leĝo aŭ moro, nepre fari ion« kaj »Povo, bazita sur la leĝoj, sur la moroj, fari ion.«

Sed laŭ mia opinio rajto egale bone povas esti pravigita de aŭ bazita sur *permeso,* ĉar se mi ricevis ies permeson ion fari, tiam mi ja *rajtas* tion fari, ĉu ne. Tamen mi estas tute certa, ke multaj gesamideanoj trovas »rajti« multe tro forta. Sed ĉu ĝi efektive estas? Miaopinie ne. Ekz. anstataŭ »ĉu vi permesas al mi, fraŭlino,

ke mi fumas tie ĉi?« aŭ »ĉu estas permesate eniri?« mi do diras: »ĉu mi rajtas fumi tie ĉi, fraŭlino?« kaj »ĉu oni rajtas eniri?« Plua ekzemplo: »ĉu ankaŭ mi rajtas rigardi la foton?«

Kompreneble ankaŭ mi estas konscia pri tio, ke »rajti« ne estas uzebla ĉie kaj ĉiam, sed ŝajnas al mi, ke nek »lici« povas ĉiel kovri la ideon de tiu neekzistanta sed forte dezirata vorto.

*K. T. B. G, Stockholm.*

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn iajn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

DRO EDMOND PRIVAT: ESPRIMO DE SENTOJ EN ESPERANTO. 67 paĝoj. Eldonejo: UEA. Genève 1931.

La ĉarmaspekta libreto enhavas la materialon de l' kurso, kiun la eminenta preleganto faris ĉe la Universitato de Genevo. La temo estas ekstreme interesa kaj unika: kiel esprimiĝas la sentoj en nia lingvo *parolata*, esence diferenca de tiu de la lernolibroj. La ŝajne senpretenda titolo kaŝas en si profundajn problemojn: eĉ ilia supraja analizo jam liversas al ni gravajn armilojn kontraŭ tiuj, kiuj insultas nian lingvon »artefarita« kaj asertas ĝin rigida matematika ludo nekapabla al la komuniko de l' pli fajraj vibradoj de la homa animo.

La enkonduka parto pritraktas la gramatikan skeleton de Esp. kompare al la »naturaj« lingvoj, diferencigas ĝiajn dudirektajn evolu-eblajojn: la sisteman *internan* plukonstruiĝon kaj la reageman asimilan forton al la fremdaj elementoj; frape ĝi demonstracias, ke la reguleco de nia lingvo kompare al la pli formriĉaj »gepatraj« lingvoj ne kunportas ian malriĉigan ligitecon, ĉar, kion ni perdis ĉe la formoj, ni abunde regajnas per nia elasta esprimpova vortordo. Tamen, kiam la aŭtoro parolas pri tio, ke la lingvouzo multfoje preferas konservi la Esperantdevenan el du radikoj — ĉerpitaj unuparte el la natura evoluo, aliparte el fremdlingva fonto — (ekzemple: evoluo, evolucio) li neglektas la nune forte senteblan tendencon al lakona stilo. Mi kredas, ke »evoluo« dankas sian popularecon al sia mallongo.

La ĉefan parton de l' libro okupas mikroskopa kaj sprita analizo de nia lingvo uzata en la vivo, precipe serĉante la esprimmanierojn de l' sentoj. Tion oni devas legi! La problemoj svarmas antaŭ ni, la afiksoj manifestas sian propran mistikan vivon: jen mortintaj, jen aliforme reenkarniĝintaj! Estas bedaŭrinde, ke la libro estas nur rapida skizo, ke la problemoj estas nur rapide tuŝataj, sed tion klarigas, ke anstataŭ pli detala studo la libro enhavas nur la materialon de kelkaj kursaj prelegoj.

La libro apartenas al la malmultaj enpensigaj verkoj de nia prilingva literaturo.

*Ludoviko Totsche.*

ANSTATAŬA EDZINO. Verkita de Erica Maxwell (pseŭdonimo; ŝia vera nomo: Lilian M. Pyke). El la angla tradukita de M. Sampson. 212 paĝoj. Eldonejo: Heroldo de Esperanto, Köln.

La romano temas pri la sorto de aŭstralia verkisto studanta la socian situacion en Sovetruslando, de rusa grafino minacita per terurajoj kaj de duonaŭstralia, duonrusa junulino vivanta orfe en Londono. La okazajoj kapturnige kirliĝas antaŭ la okuloj de l'leganto: geedziĝo de viro kaj virino, kiuj ne konas sin, eskapo tra la landlimo, sensacia murdo, vizito al Scottland Yard (Londona detektivejo) kaj vizito al multaj ĉefurboj de Eŭropo, ripoziga ŝipvojaĝo tra la oceanoj kaj fine Aŭstralio kun sia sude varma klimato kaj kun siaj varme bonkoraj loĝantoj.

Estas certe, ke la libro servas ĉefe nur por distro. Preciza observkapablo, reala vido, profunda filozofio socia ne apartenas al la fortaj flankoj de Erica Maxwell. Ŝiaj verkistaj virtoj: lerta fabeloplekto, ĝisstreĉa veko de l' intereso, simpla, klara, (iom naiva) stilo, en la amaj scenoj ĉiam bongusta, eleganta takto. La enŝovo de poresperanta propagando estas lerte farita.

La traduko estas bona. Tamen kelkaj rimarkoj. La kunmetitaj verboformoj estas tro multe uzataj, la simplaj formoj povus multloke anstataŭi ilin. La tradukinto ja ne verkis lernolibron de logiko, sed romanon, en kiu pli gravas la facila, ruliĝanta stilo, ol la scienca precizeco. Malĝusta estas la uzo de »voltenata« anstataŭ »disciplinita« (paĝo 8), »fugo« anstataŭ »fuĝo«, »konekto« anstataŭ »kontakto« (pago 77). Kelkloke »unu« estas uzata kiel nedifinita artikolo. Tia uzo estas nepre eksterminda. Ankaŭ la loko de »ankaŭ« ne ĉiam ĝustas: ĝi devas ĉiam antaŭi la vorton, al kiu ĝi rilatas. Cetere mi havas nenian seriozan riproĉon kontraŭ la lingvo de l' tradukinto.

Kiu ne serĉas altan literaturan valoron, sed deziras sin distri, tiu bone elektas legante tiun ĉi romanon. La aspekto de l' libro estas plaĉa.

*Ludoviko Totsche.*

V. MAJAKOVSKIJ: PER VOĈO PLENA. 72 paĝoj. Tradukintoj: N. Hohlov, N. Nekrasov, S. Rublov, V. Sutkovoj. Eldonejo: Ekrelo, Leipzig. Prezo: P.

»Sed mi
min bridis,
piede
premante
la gorĝon
de mia propra kanto.«
(Majakovskij-Hohlov.)

La cititaj linioj donas la solvon de tiu ĉi enigma poeto-vivo kaj puŝas antaŭ nin la problemon: sentema, lirika individuo kiel trovu sian lokon en socio kolektiva, kaj ĉu la individuo entute povas ekzisti en tia socio, aŭ ĝin formos nur korpe-mense uniformigitaj fantomoj de l' utopioj, anstataŭ homoj, nur skemoj? La sampartianoj de Majakovskij staras senkomprene antaŭ la sinmortigo de l' poeto, ili eĉ riproĉas lin pro tio. Sed ĉu ne tio estis la sola konsekvenca lasta ago de poeto, kiu mortigis en si la poeton por fariĝi hurlanta trumpeto de politikaj ideoj? Jes, laŭ *lia* kredo, li servis per tio la aferon de estonta pli perfekta homaro. Sed la destino de l' poeto estas konstrui la novan, pli perfektan homon i n t e r n e, e n l a a n i m o. Kaj li perfidas tiun ĉi destinon, se li prostituas sin kun la taga politiko. Tio kaŭzas, ke inter la politiktendencaj poemoj apenaŭ troveblas, kies vivdaŭro superus tiun de l' efemero.

Same estas ankaŭ la Majakovskij-poemoj de tiu ĉi libreto. Se la celo de l' tradukintoj estis prezenti la poezion de Majakovskij por doni ideon pri reprezentanta figuro de la nova rusa literaturo (kaj laŭ la antaŭparolo tio estis ilia celo), ili estus devintaj fari kolekton el lia tuta verkaro elektante liajn plej sukcesajn poemojn. La volumo enhavas versojn, kiuj konvenas por deklamo antaŭ entuziasma amaso, sed kiuj perdas sian efikon por la leganto. Nekonsiderante la enhavon, troviĝas multaj versoj, kies teknika arto konjektigas neĉiutagan talenton. Ke krom popola »tribunuso« li estis ankaŭ homo, ema al kompato por la mizeruloj: tion montras la »Parizanino«. Ke lin ne kontentigis la rolo de l' »tribunuso«, ke en la interno de lia animo vivis la vera poeto, kiu devis konstante bat-

ali por ricevi indan lokon en tiu socio, kies heroldo li sin sentis : tion montras »La poeto laboristo«. Kompatinda Majakovskij !

Ne konante la lingvon de l' originalo ne estas ebla por mi la kontrolo de l' traduko. Ĝi estas certe ne egalnivela, parte frapa per teknika brilo, parte malglata, stumblanta. La stranga dispecigo de l' versliniol ne nur malbele efikas, sed ankaŭ la okulojn lacigas. La tradukintoj estus povintaj tute trankvile forlasi tiun formon. Preseraroj pli multas, ol licus.

*Esteto.*

JEAN FORGE : Mr. TOT AĈETAS MIL OKULOJN Romano. Literatura Mondo Budapest.

Formato 13.5×20 cm. 242 pĝ. Prezo : broŝ. P 4.50, b'nd P. 6.50 plus 10% por sendkostoj.

Antaŭ du jaroj, en kadro de petita intervjuo, mi riproĉis la aŭtoron pro longa silentado. Estis dolore pensi, ke juna talento, kies unua paŝo jam vekis ĝeneralan atenton kaj rezultis valoran sukceson, subite forlasu la movadon kaj flankenjetu sian plumon pro motivo, facile komprenebla, sed neniel akceptebla de ni, kiuj estas neforŝireble katenitaj al la kulturado de nia lingvo. Pasis du jaroj kaj *Jean Forge* denove ekparolis, kvazaŭ pravigante la aserton de frue mortinta poeto Schulhof pri Esperanto :

*»Pli kruelan, ol la famaj uzurpantoj*
*vi alportis al ni en la mondon moron ;*
*ili piedbatis homajn liberecojn,*
*de la lando ŝiris partojn, limojn, pecojn,*
*sed vi ŝiras el la brustoj nian koron.*

Kaj tiel estas bone ! Lingvokulturado bezonas tutan koron. Estas egale, ĉu miraklovida optimismo aŭ amara pesimismo inspiras la koron por laboro ? Tio povas esti grava nur el vidpunktoj de certaj kritikistoj, havantaj nenian parencecon al la kreopovo de la verkisto. Eĉ sub la masko de la pesimismo mi ofte retrovas kaj admiras tiun amon, kiu katenas la talenton al nia lingvo.

Jes, mi admiras kaj plene respektas ĝin kaj el tio devenas la sincereco de mia saluto : Jean Forge, la apero de via nova verko kaŭzas al ni ĝojon, novan forton, riĉiĝon ! Mi estas konvinkita, ke la leganto same opinios, ĉar via nuna verko, kiel la antaŭaj, havas sugestan povon, kiu tenas la interesiĝon, stimulas la scivolemon kaj kontentigas la artan guston.

*Mr. Tot aĉetas mil okulojn.* Iom bizara titolo, sed ĝi bone koincidas kun la enhavo. Detektiv-romano, sed ne bulvarda, ne harstariga sanga fantaziaĵo. Ĝi estas tiel moderna, tiel riĉe saturita de psikaj subpentroj kaj de la pulsanta vivo, ke ĝia valoro alte superas tiujn pretendojn, kiujn oni ĝenerale havas ĉe la tiaspecaj romanoj. Tiu ĉi verko donas *literaturon.* Nur vera talento povas tiel majstre kontentigi la gustojn de la literaturamanto kaj de la nura distroserĉanto. Ĉirkaŭ la aparato, kreita de la aŭtora fantazio, plektiĝas la delikataj fadenoj de romano, kies verŝajneco estas eksterduba dank' al la rolantaj figuroj, kiuj reprezentas realan medion. Mister Tot, la riĉa amerikano, kiu trosatigite estas dronanta en la spleno, D-ro B. Kivikas, la psika kuracisto, kies filozofio, nurtanta sin el krima plano, kaj Madame Marion de Lafond, la pompe bela loĝantino de la hotelĉambro n-ro 265, kreas en la romano tian atmosferon kiu kelkfoje atingas dramajn altecojn kun emociveka korpremo. F-ino Fernanda Berg, la ĉarma, iom naiva kaj romantika stenotipistino kun sia profunda kaj vera amo al s-ro Charlie Husting, al la facilanima ruledludisto, bone respegulas la amerikan filmromantikon, sed kun *eŭropa* solvo. Fine la komika epizodfiguro de s-ro H. Viskarbeto, la hoteldetektivo, liveras la necesan bonhumoron kaj metas la finan punkton al la romano.

La enhavo... Ne ! Seka detaligo senigus la legonton de tiuj ekscitiĝoj, kiuj estas bezonataj sekvi la evoluon de la romano. La enhavo meritas prisilenton por ne moderigi la scivolemon, la artan ĝuon de tiuj, kiuj akiras la verkon por konatiĝi kun nova, tre interesa kaj literaturvalora kreaĵo de nia talentplena Jean Forge. Sufiĉas diri, ke la enhavo estas tiom originala, kiom la stilo individua, kolora kaj esprimriĉa. Legi tian verkon signifas refortiĝi en la kredo pri la egalrajteco de nia originala literaturo kun tiu de la tradukita.

La eldonisto donis plaĉan eksterajon al la verko kaj tial la libro bone servas eĉ tiun propagandon, kiun ni devas fari ofte al la neesperantista publiko, kiam ni montras al ĝi nian bibliotekon.

Aparte kaj aplombe rekomendi la verkon nenecese, ĉar la nomo de ĝia aŭtoro entenas garantion pri la boneco kaj pluan rekomendon faros tiuj, kiuj legis la romanon.

*Jobo.*

SIGELMARKOJ KUN PROPAGANDOTEKSTO POR ESPERANTO. En lingvoj angla, Esperanta, franca, germana, hispana kaj sveda. Trikolore presitaj. Ĉiu lingvo en aliaj koloroj. En folioj po ok markoj tekstantaj pri Radio, transoceana, aviada, fervoja kaj aŭtomobila trafikoj, sporto, turismo kaj internacia komerco. La tekstoj harmonias kun rilataj vinjetoj. Unuopa marko 3.5×5 cm. Prezo : 10 folioj gmk. 0.55 afrankite, 70 folioj gmk. 3.30 afrankite. Eldonejo »Heroldo de Esperanto«, Brüsseler Strasse 94, Köln, Germanujo.

ELDONA SOCIETO ESPERANTO, Stockholm, Svedujo, eldonis novan serion de ses fotografaj poŝtkartoj el Stockholm kun sveda kaj esperanta teksto. La kartoj prezentas : Reĝa kastelo, Parlamenta domo, Urbdomo, Koncerta domo, Reĝa dramata teatro, kaj la Strato Kungsgatan. La prezo estas po 0 : 15 kr.

FRATOJ FETHKE : 500 slow jezyka ESPERANTO; kompletny kurs metoda przyspieszona w 10 lekcjach. (Eld. Bracia Fethke, Bydgoszcz, 35×23.5 cm, 14 p. Prezo : 1.20 P.)

Kvankam mi preferas la rektan metodon, estas konstateble, ke la bone, bonhumore, saĝe kaj interesplene konstruita verketo de fratoj Fethke meritas la laŭdon. Inter la multaj malbonaj, tedaj lernolibroj, tiaspeca verko estas tute refreŝiga.

*Szilágyi.*



*Kuna : Dornkrono*

VORTOJ DE KAMARADO E. LANTI. (Eld. SAT. Eldona fako kooperativa, Leipzig 19×12.5 cm. 192 p. Prezo : 2.—) E. Lanti sur sia teritorio, celkonscie, forte, nelacigeble agadas kaj la rezultoj de lia agado elokvente parolas. Elokventaj estas ankaŭ la artikoletoj, kiuj estas en la verko »Vortoj« kaj ili sensacie montras la evoluon, historion, rezultojn, sukcesojn kaj trompiĝojn de vere grava kaj grandspirita estro. Li estas tuta viro, kiu ne hontas nudigi sin per siaj vortoj, ĉar li sentas sian forton, sian estrecon. Lia individuo estas sana, ĉu la sana nudeco de la spirito estas kaŝinda ? Nur unu frazon ankoraŭ, kiu karakterizas tre plastike ĉu la verkiston, ĉu la verkon. Jen la citaĵo : »Nur senkuraĝulo, duonviro, kastrito timas akcepti ĉiujn konsekvencojn de la ideoj, kiujn li propagandas.«

*Szilágyi.*

B. GALIN »KIEL FIRMIGIS KOLHOZO« »LA VOJO DE LENIN«. (Eld. EKRELO, Leipzig 1931. 16×11 cm. 14 p. Prezo 0.20 gm.) Kolhozo signifas : Kolektivan agromastrumejon, laŭ la libreto. Interesa kroniko pri la kunbatiĝo inter la komuna kaj privata mastrumado-manieroj, kies venkito fariĝis la komuna »kolhozo.«

J. STALIN »KULTURO NACIA KAJ INTERNACIA.« (Eld. EKRELO, Leipzig 1930. 15½×12 cm. 30 p. Prezo 0.50 gm.) Du paroladoj de Stalin, konstruitaj laŭ la reguloj de kristala logiko. — La aŭtoro kaj ankaŭ la enkondukanto pravas, ke nun ankoraŭ oni ne povas forĵeti eĉ en USSR la naciajn kulturojn, eĉ oni devas utiligi ilin por la profito de la internacia kulturo. Tamen ni ne povas konsenti la troan kondiĉemon de E. Drezen, kiu tiamaniere limigas la teritorion de Esperanto, ke la afero povas esti jam iom danĝera, hereziga.

*Szilágyi.*

N. MIHAJLOV, LABORISTO DE LA UZINO »SERP I MOLOT« : Batalante por la metalo« (Eld. EKRELO, Leipzig 1931. 14.5×10 cm. 27 p. Prezo : 0.50 gm.)
Entuziasma priskribo, kiamaniere oni atingas la rezulton de la kvinjarplano dum kvar jaroj, rilatigante la temon al unu uzino. La tradukinto, P. Gavrilev laboris bone.

*Szilágyi.*

MANIFESTO DE LA SENNACIISTOJ (Eld. Sennacieca Frakcio el membroj de SAT, Nov-Jorko 1931. 14.5×12 cm. 32 p. Prezo : 0.20 gm.) En la kajero troviĝas respondo al la supre konigitaj Stalin-raportoj. Laŭ la frakcio jam nun oni devas konstrui la sennacian kulturon, la sennaciecon kaj oni ne povas aprobi la oficialan rusan juĝon pri la afero, kiu favoras la naciismojn sub la ŝirmilo de la internaciismo. La klopodo de la »sennaciistoj« ŝajnas idealisma, kaj la metodo de la kontraŭuloj plie akomodas sin al la konkretaj rilatoj. Ni ne vivas en retorto kaj ni devas ĉiam kalkuli la multegajn koeficientojn, kiuj komplikas la uzadon de teorioj en la multkolora vivo. *Szilagyi*

PREPARANTOJ DE MILITO ; akuza konkludo en la proceso de industria partio. (old. CKSEU, Moskvo 1930. 22×15 cm. 72 p. Prezo : 0.70 mk.) Oni tute bone rememoras la inĝenierproceson, kies akuzresumo estas la libro. La traduko ne estas bona. Ekz. kial ekapero ? Tute sufiĉas : apero ktp. Preseraramaso.

*Szilágyi.*

PETRO PANC : LA MORTO DE JANULANS. Rakontoj. (Eld. Ekrelo, Leipzig 1931., 15×11 cm. 34 p. Prezo : 0.30 gm). Tri mallongaj rakontoj, kiuj akre montras la konturon de bonega, rusa talento. Precipe bonegaj estas la du lastaj noveloj, en kiuj sin montras la vilaĝo de rusa transirepoko, kies ritmo estas tute alia, kiel tiu de la urbo. *Szilágyi.*

LEA KANTARO. Kolekto de proletaj, batalaj, liberpensulaj kaj popolaj kantoj. III-a reviziita eldono. (Eld. Laborista Esp. Asocio, Berlin 1931. 14.5×10.5 cm, 74 p. Prezo : 0.40 gm.) La kanto estas bonega propagandilo, sekve la libreto estas tute laŭcela. La traduko de la kantoj estas ĝenerale bona, nur tre strangan eraron mi trovis : »Ho, ĝojo, de la monto — Rigardi trans la val' — Kaj de la horizonto — *ĉielan bluan hal'*« (?) Tiu ĉi strofo, tute ne kompreneble evitis la atenton de la redaktintoj. *Szilágyi.*

M. ŜEJNMANN: MORALO RELIGIA KAJ MORALO PROLETA. El rusa lingvo tradukis P. Gavrilov; Lingve kontrolis V. Lebedev. (Eld. Ekrelo, Leipzig 1931. 15×11 cm, 32 p. Prezo : 0.50 gm.) La ekirpunkto : la regantaj klasoj diktas la moralon. Ties sekvo estas, ke el ĝenerala vidpunkto la proleta moralo venkas la burĝan. Jen la enhavo de la verketo. La kajero estas lerte, bone, interesa verkita kaj tradukita ; la menciitaj faktoj estus pli konvinkaj, se la aŭtoro estus pli kritikema koncerne la informfontojn. Pro tio mi pensas, ĉar en unu okazo, ĉe hungara ekzemplo mi povis konstati eraron kaj tio impresas malbone.

*Szilágyi.*

B. LAVRENEV: DISROMPO. (Eld. EKRELO, Leipzig 1931. 20.5×14.5 cm. p. Prezo : 0.70 gm.) Interesa tipo de la moderna rusa tendencdramo, kiun la malbona traduko faras preskaŭ neĝuebla.

*Szilágyi.*

S. RUBLEV : ESPERANTO ZIRKEL ; praktisches Hilfsmittel für Gruppenunterricht. I. Teil für Kursusteilnehmer. (Eld. Zentralkomitee der Esperantisten. Union der Sowetrepubliken, Moskaŭ 1930. 25×17 cm. 62 p. Prezo : 1.— gm.) Vigla, bona lernolibro. Bona metodo kun soveta tendenco. Nura manko : senhumora.
*Szilágyi.*

*Karl Radek:* KAPITALISMA SKLAVECO KAJ SOCIALISMA LABORORGANIZO el rusa lingvo tradukis grupo de moskvaj esperantistoj entuziasmuloj de libera laboro. (Eld. Ekrelo, Leipzig. 1931. 17.5×12 cm. 32 p. Prezo : 0.20 gm.) Forta, bonstila polemikverko, kiu bone profitas en la disputo el la kontraŭdiroj de la kapitalismo.

*Szilágyi.*

## ANONCETOJ

## NOVE ELIRONTA BENSONA VERKO METODO, KRESTOMATIO, VORTARO

**500 PAĜOJ; FORMATO 18/26 CM. 10.145 BILDOJ, 40 LINGVOJ**

La unua kaj sola universala, kompleta, rekta metodo, kiu iam ajn aperis en iu ajn lando aŭ lingvo. La verko konsistas el tri partoj lukse bind-itaj en unu grandioza, grandformata librego.

La unua parto prezentas la jam bone konatan rektan bildmetodon »Universala Esperantistigilo«, relaborita kaj plibonigita per multaj novaj bildoj, legekzercoj por komencantoj kaj la prononcado de la esperanta alfabeto en multaj diversaj lingvoj. La amplekso de tiu ĉi parto estas nur unu dekono de la volumo.

La dua parto prezentas ampleksan krestomation, kiu enhavas pli ol 100.000 vortojn de la plej bonaj elektitaj rakontoj, fabeloj, humorajoj, versajoj k. c. La materialo por ĉi tiu parto estis ĉerpita el la gazetoj- »Esperanto«, »Heroldo de Esperanto«, »Sennaciulo«, »La Lernanto«, »Verda Stelo«, »Esperanto Junularo«, »Literatura Mondo«, kaj preskaŭ la tuta enhavo rakontoj kaj legajoj de la gazeto »Lingvo Internacia« de la tuta jaro 1896.

La tria kaj plej grava parto, kies enhavo prezentas ses dekonojn de la librego, estas PLENA UNIVERSALA VORTARO. La sola vere universala vortaro, kiu iam ajn aperis, ĉar la vortoj estas difinitaj per bildoj komprenataj en ĉiu lando, de ĉiu nacio, kaj de ĉiu aĝo. Ĉi tiu parto de la volumo konsistas el pli ol 300 kvarkolonaj paĝoj kaj enhavas pli ol 8000 speciale desegnitajn klarigajn bildojn.

Jen do, vortaro, kiu ekinteresos la leganton kvazaŭ li legis interesantan romanon. Jen vortaro, kiu servos, ne nur, por trovi la difinojn de esperantaj vortoj, sed ankaŭ por amuziĝo dum libera tempo. Foliumante la paĝojn, vi trovas bildojn interesajn, instruajn, komikajn, problemajn, humorajn, enigmajn, inspirajn, surprizajn k. c., k. c. La bildoj elvokas jen ridon, jen pripenson jen divenon, jen miron, jen ... Sed lasu min doni al vi kelkajn detalojn. Mi diras »kelkajn«, ĉar priparoli ĉiujn estas neeble en ĉi tiu spaco.

La vortaro enhavas, ne nur la kvar mil radikojn aprobitajn de la Lingva Komitato, sed ankaŭ ĉirkaŭ 1,500 aliajn sciencajn kaj teknikajn vortojn. Krom la bildklarigoj, la plejmulto de la radikoj estas ankaŭ difinitaj per esperanta klarigo kaj esperantaj frazoj. Al la pli ol 5,500 radikoj estas aldonitaj miloj da aliaj pretaj vortoj klarigitaj per bildoj. Jen ekzemploj : — sub la radiko »ŜRAŬBO« troviĝas 9 bildoj — nome — Ŝraŭbo, Ŝraŭbingo, Ŝraŭbnajlo, Ŝraŭbrelo, Ŝraŭbturnilo, Ŝraŭbmezurilo, Ŝraŭbigilaro.Ŝraŭbborilo, Universala Ŝraubturnilo. Sub la radiko »MANO« troviĝas 7 bildoj — Mano, Maneto, Manumo, Manplato, Mandorso, Manpremi, Enmanigi. Sub la radiko »MANĜI« troviĝas 7 bildoj — Manĝi, Manĝas, Manĝajo, Manĝejo, Manĝemulo, Manĝotablo, k. c. k. c.

Sed jen la plej grava. El la tutajo de la esperantaj radikoj mi elektis 1070 radikojn, kiuj estas la plej ofte uzataj dum ĉiutaga vivo kaj klarigis ilin per 40 lingvoj. T. e. ĉiu el la elektitaj 1070 radikoj estas difinita krom per la klarigaj bildoj, ankaŭ en 40 diversaj lingvoj. Ĉiu lingvo estas markita per numero. Ekzemple : — la germana lingvo havas ĉiam la numeron 9, la rusa 16, la estona 26, la japana 40 k .c. La numeroj ebligas la tujan trovon de la nacia difino de la esperanta radiko. Jen estas la 40 lingvoj : — Angla, Franca, Hispana, Itala, Portugala, Latina, Kataluna, Rumana, Germana, Holanda, Dana, Norvega, Sveda, Juda, Pola, Rusa, Bulgara, Serba, Rutena, Bohema, Slovaka, Slovena, Kroata, Hungara, Albana, Estona, Finna, Kimra, Latva, Litova, Islanda, Flandra, Romanĉa, Turka, Malaja, Greka, Persa, Araba, Ĥina, Japana. La Prepozicioj, Adverboj, Prefiksoj, Sufiksoj kaj multaj aliaj vortoj estas krom tio klarigitaj per multaj esperantaj frazoj ĉerpitaj el la »Fundamento«. Ekzemple : la prepozicio »EN« havas 28 frazojn, la adverbo »PLI« havas 15 frazojn, la prefikso »MAL« havas 20 frazojn, la sufikso »IG« havas 25 frazojn, k. c., k. c.

Al la radikoj esprimantaj sciencojn, artojn k. c. estas aldonitaj bildoj de famuloj. Ekzemple : — sub la radiko »ĤEMIO« troviĝas la bildoj de la Ĥemiistoj Lavoisier, Dalton, Davy, Berthelot, Guy Lusack, Bertholet. Sub la radiko »FILOZOFO« troviĝas la bildoj de filozofoj Aristotle, Sokrates, Plato, Spinoza, Schopenhauer, Kant. Sub »KOMPONI« la bildoj de komponistoj Wagner, Dvorack, Mendelson, Gluck. Sub »ESPLORI« la bildoj de esploristoj Columbus, Cabot, Magelan, Andree, Byrd. k. c., k. c. entute ĉirkaŭ 300 bildoj de historiaj famuloj en diversaj fakoj de scienco, arto, industrio, religio, politiko, k. c., k. c.

Vi ankaŭ trovos multajn bildojn el la mitologio kaj multegon da varispecaj bildoj de la sciencoj, artoj, metioj kaj industrioj, tro multe por mencii en tiu ĉi spaco.

La formato de la originalaj paĝoj estas multe pli larĝa ol la paĝoj de la presota libro, kaj nur dank al tio mi povas enmeti tiom da materialo en nur kvincent paĝoj.

Laŭ la opinio de kelke da personoj, kiuj vidis la originalajn paĝojn, la prezo de la verko estu minimume $25.00 dolaroj, ĉar la preparo de tiuj forprenis, ne nur, multajn milojn da dolaroj, sed ankaŭ jarojn de tre malfacila laboro. Tamen mi decidis, ke la verko kostu ne pli ol kvin dolarojn, eble eĉ kvar. Tio tute dependas de la estontaj elspezoj por fari la kliŝojn, la presado kaj bindado de la verko.

Kiel ajn, mi nun anoncas favoran prezon de tri Usonaj dolaroj al ĉiuj, kiuj sendos la monon antaŭ ol la verko estas presita. Kaj mi promesas resendi unu doloran en okazo, se mi decidos, ke la prezo de la verko estu nur tri dolaroj.

Car la laboro forprenas mian tutan tempon, kaj mi en nenia maniero povas ŝpari tempon por respondi demandojn, mi estas devigata peti la mendantojn kaj interesulojn, ke ili ne skribu longajn leterojn. Nur sendu poŝtmandaton por tri dolaroj kune kun via adreso skribita per presliteroj kaj tio sufiĉas. Mi sciigos la ricevon de la mendo per poŝtkarto. La verko estos tute finita antaŭ la fino de la jaro 1931. La progreso estos anoncita de tempo al tempo.

Mi ankaŭ petas la redakciojn de esperantaj gazetoj (escepte tiuj jam menciitaj) ke ili elektu bonajn varispecajn legajojn presitajn en iliaj gazetoj, kaj sendu tiujn al mi, por ke mi povu pligrandigi la krestomatian parton de la verko. La nomo de la verkisto same kiel la nomo de la gazeto aperos sub ĉiu legajo. Por la sama celo mi ankaŭ akceptos originalajn aŭ tradukitajn legajojn de verkistoj, sed en tiu okazo la manuskriptoj devas esti maŝinskribitaj. La nomoj de la verkistoj aŭ tradukistoj aperos sub ĉiu legajo.

Ankoraŭ unu fojon mi petas, NE SKRIBU LETEROJN KUN DEMANDOJ, ĈAR MI NE HAVAS TEMPON POR RESPONDI.

BENSON SCHOOL OF ESPERANTO, 719 HIGH STREET, NEWARK, NEW JERSEY, USONO.

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.